XVª jaro. Nº 228/229 (8/9) ☆ Monata ☆ Aŭgusto/Septembro 1919

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Ordinara eldono . . . . . . . . . . . . . . 5.— Frankoj
Luksa eldono . . . . . . . . . . . . . . 6. 25 Frankoj
*Svisa poŝtĉeko III. 2600. — Oni akceptas nur tutjarajn abonojn*
*La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato*

REKLAMO

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . . . 0. 50 Frankoj
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . 0. 40 Frankoj
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . 0. 50 Frankoj
*Rabatoj: 3 enpresoj 10%; 12 enpresoj 25%.*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo kaj Administrejo: Museumsstrasse 14, BERN (Svisio)



NUNTEMPAĴOJ

## AL
## LA ĈIULANDAJ INTELEKTULOJ

Ni publikigas ĉi-sube deklaron verkitan de Romain Rolland kaj kunsubskribitan de multaj diverslandaj verkistoj favore al la interpopola realproksimiĝo. Ni estas certaj, ke se li ankoraŭ vivus nia kara Majstro estus kore aprobinta tiun alvokon al spirita reunuiĝo de tiuj, kiuj devus gvidi la homaron. Romain Rolland estas mem fervora partiano de Esperanto. (Vidu lian opinion pri nia lingvo en tiu ĉi numero.)

Spiritlaboristoj, kunuloj disigitaj tra la mondo, kvin jarojn apartigitaj per la armeoj, la cenzuro kaj la malamo inter la militantaj nacioj, al vi ni sendas, en la momento kiam falas la bariloj kaj remalfermiĝas la landlimoj, alvokon por restarigi nian fratan unuiĝon, sed unuiĝon novan, pli fortikan kaj pli certan ol la antaŭa.

Konfuzegon alportis en niaj vicoj la milito. La pli multaj intelektuloj dediĉis sian klerecon, sian arton, sian pensadon al la servado de la registaroj. Neniun ni volas akuzi, neniun riproĉi. Ni konas la malfortecon de la individuaj animoj kaj la trudan fortecon de la kolektivaj opinioj: ĉi tiuj en unu momento dispelis tiujn, ĉar nenio estis preparita por rezisti. La sperto almenaŭ utilu al ni por la estonto!

Antaŭ ĉio ni konstatu la malfeliĉegojn, al kiuj kondukis la preskaŭ kompleta abdiko de la racio kaj ĝia memvola sklaviĝo al la elkatenitaj primitivaj fortoj. Al la turmento, kiu suferigas Eŭropon en ĝia korpo kaj spirito, la pensuloj, la artistoj, aldonis nekalkuleblan kvanton de venena malamo; en la arsenalo de sia scio, de sia memoro, de sia imago, ili serĉis malnovajn kaj novajn motivojn, historiajn, sciencajn, logikajn, poeziajn motivojn por malami; la interkomprenon kaj la amon inter la homoj ili penis detrui. Tiel agante, ili malbeligis, malnobligis, malaltigis, fuŝis la Penson, kies reprezentantoj ili estis. Ili faris ĝin la ilo de la pasioj kaj (eble senkonscie) de la egoistaj interesoj de politika aŭ sociala klano, de ŝtato, de lando aŭ de klaso. Kaj nun, el tiu sovaĝa interbatalado, de kiu ĉiuj militintaj nacioj, venkintaj aŭ venkitaj, eliras sange malfortigitaj, kaj interne de sia koro (kvankam ili tion ne konfesas) hontantaj kaj malfieraj pri sia frenezkrizo, la Penso, kompromitita en iliaj interbataloj, ankaŭ eliras malaltigita.

Stariĝu! Ni liberigu la Spiriton for de tiuj cedoj, de tiuj malnobligaj aliancoj, de tiu kaŝita sklaveco! La Spirito estas servanto de neniu. Sed ni estas la servantoj de la Spirito. Alian mastron ni ne havas. Ni estas kreitaj por proklami ĝin, por defendi ĝin, por ĉirkaŭ ĝi grupigi ĉiujn erarvagantajn homojn. Nia rolo, nia devo estas konservi fiksan punkton, montri la polusstelon meze de la tumultego de la pasioj tra la mallumo. Inter tiuj pasioj de malhumileco kaj reciproka detruado ni ne elektas; ĉiujn ni forjetas. Nur la veron ni honoras, liberan, sen limo, sen rasa aŭ kasta antaŭjuĝo. Pri la homaro ni ja ne malinteresiĝas! Por ĝi ni laboras, sed por ĝi tuta. Popolojn ni ignoras. Nur la Popolon ni konas — unu kaj ĉiean — la Popolon, kiu suferas, luktas, falas kaj restariĝas, kiu ĉiam antaŭeniras sur la malglata vojo surverŝita de ĝia ŝvito kaj de ĝia sango — la Popolon de ĉiuj homoj, niaj fratoj. Por ke ili, kiel ni, konsciiĝu pri tiu frateco, ni altigu super iliaj sensencaj interbataloj, la Tabernaklon de l' Interligo, la Spiriton liberan, unu kaj multoblan, eternan.

*Romain Rolland.*

Tiun deklaron subskribis: Jane Addams (Usono); René Arcos (Francio); Henri Barbusse (Francio); Léon Basalgette (Francio); Paul Birukoff (Rusio); Ernest Bloch (Svisio); Jean Richard-Bloch (Francio); Roberto Bracco (Italio); L. J. Brouwer (Nederlando); D-ro E. Burnet (Francio); A. de Châteaubriant (Francio); Georges Chennevière (Francio); Benedetto Croce (Italio); Albert Doyen (Francio); Georges Duhamel (Francio); Gustave Dupin (Francio); Georges Eekhoud (Belgio); Frederik van Eeden (Nederlando); Prof. A. Einstein (Germanio); Prof. A. Forel (Svisio); D-ro A. H. Fried (Aŭstrio); V. von Heidenstamm (Svedio); Hermann Hesse (Germanio); P. J. Jouve (Francio); J. C. Kapteyn (Nederlando); Ellen Key (Svedio); Selma Lagerlof (Svedio); Andreas Latzko (Hungario); Prof. Max Lehmann (Germanio); Prof. Carl Lindhagen (Svedio); J. Lopez-Pico (Hispanio); Heinrich Mann (Germanio); Marcel Martinet (Francio); Frans Masereel (Belgio); Emil Masson (Francio); Jacques Mesnil

(Belgio); Sophus Michaelis (Danio); Mathias Morhardt (Francio); Prof. Georg Fr. Nicolai (Germanio); Eugenio d'Ors (Hispanio); Prof. A. Prenant (Francio); Prof. Ragaz (Svisio); Romain Rolland (Francio); D-ro Nicolas Roubakine (Rusio); Bertrand Russel (Anglio); Han Ryner (Francio); Paul Signac (Francio); Gaston Thiesson (Francio); Fritz von Unruh (Germanio); H. van de Veld (Belgio); Charles Vildrac (Francio); Leon Werth (Francio); Israël Zangwill (Anglio); Stefan Zweig (Austrio).

 SOCIA VIVO 

# La superstiĉo ĉe la Orientanoj

La superstiĉo en la Oriento ne estas specife Islama; oni ĝin trovas kun malgravaj diferencoj ankaŭ ĉe la Judoj kaj Kristanoj de ĉiuj popolklasoj. Plej superstiĉaj estas la virinoj; ili tre atentas sorĉajojn, augurojn, sortojn, la malbonan rigardon, precipe en aferoj de amo kaj naskopovo; ili kredas je la ebleco per sorcarto akiri aŭ forigi la amon de viroj. Cetere en multaj okazoj la superstiĉo estas por la homoj konsolo kaj forto en malfeliĉo. Ĉio estas „kismet“ t. e. ordonata de Dio, aŭ devenanta de misteraj fortoj, de la demonoj (djin) aŭ de la „malbona rigardo“, aŭ de la „malbona animo“. Kismet estas la alfa kaj omega de l'Orientano; li opinias, ke li ŝuldas al ĝi ĉion al li okazantan, la bonon kiel la malbonon. Kiam oni kompatas iun pro malfeliĉo lin trafinta, li tute trankvile respondas: „Kismet idi, Efendi“ (Estis la sorto, sinjoro). Lia al pasiveco kaj apatio inklina naturo serĉas la sorton ne en si mem, sed en ekstera potenco. Krom je la „kismet“, li kredas je demonoj kaj demoninoj, aŭ je koboldoj loĝantaj en la aero, la akvo, en la profundo de la tero, eĉ en la dezerto, kiuj provas diversmaniere influi la homan vivon. Ĉiuloke troviĝas vilaĝeto, arbo, fonto, puto, banejo, kaverno, kaŝita loko, kie malica spirito sidas. Ĉiuj domoj estas de ili loĝataj. Troviĝas fajraj spiritoj, spiritoj de mortintoj kaj de falintaj anĝeloj; la demonoj povas ankaŭ eniri en bestajn korpojn, ekz. de katoj, serpentoj aŭ skorpioj. La katoj estas konsiderataj kiel malfeliĉigaj. Kiam, post mia alveno en Khanadin, ĉe la Turka-Persa landlimo, mi fariĝis febra, mia sekretario opiniis, ke tio estis kaŭzata de la Angora-kato, kiun mi estis ricevinta antaŭ kelkaj tagoj. Li kaj la aliaj oficistoj petis min, ke mi forigu la beston, kion mi efektive faris. La patro de ĉiuj demonoj estas Iblis (ĉe la Judoj Belzebub), la el la paradizo elpelita diablo; la patrino de ĉiuj demonoj kaj diabloj sin nomas Tratabah. Iblis estas rigardata kiel kaŭzinto de multaj sekretaj malsanoj. Pli ol unu malsanulo diris al mi: „Mi nescias kiel ĝi okazis, Efendi, Iblis min surprizis dumnokte.“ La Araboj kredas, ke la demonoj havas la samajn bezonojn kaj pasiojn kiel la homoj. Kelkaj persekutas nur virojn, aliaj, kiel Karin, virina demono, precipe atakas virinojn, geknabojn kaj suĉinfanojn. Kelkaj vizitas fianĉinojn kaj nove edziniĝintajn virinojn por senfruktigi ilin. Krom Karin estas tre timata demono la „um es sibjan“ (patrino de la malgrandaj knaboj), kiu estas responda pri ĉiuj infanmalsanoj. Virina fantomo, simila al Karin „um el leil“ (patrino de la nokto), montriĝas plej ofte dum nokto. Pro timo al la demonoj oni donas al la infanoj nomojn de bestoj, kiel lupo, urso k. a. Krome oni provas ilin protekti per sorĉaj eldiroj, kiujn oni tre ofte aŭdas el la buŝo de Kristanoj kaj Mohamedanoj, en la stratoj kaj en la domoj: „Biom Allah er rahman er rahim“ (en la nomo de Dio tutpotenca) „biom es salib el haij“ (en la nomo de la viva kruco) „ja hafiz“ (ho ŝirmanto!) „ja haris“ (ho gardanto!) k. a. Laŭ la ideo de la Persoj aperas ĉe la naskiĝo de knabo la feino Aal, por mortigi la infanon. Por tion malhelpi, oni per glavo fendas la aeron en la kvar direktoj de la ventoj, kaj supozas, ke la malica feino estas trafata de la frapoj, kaj ke la infano estas savita. La Orientanoj, kiel ni, ankaŭ kredas, ke Dio aldonis al ĉiu homo bonan anĝelon, kiu devas lin gardi kontraŭ la demonoj — ni diras diablo.

Alia superstiĉo, kiu ludas gravan rolon en la popola vivo, estas la tiel dirita „malbona rigardo“, ankaŭ konata de la Italoj kiel „mal' occhio“. Ĝi estas timata pro sia danĝeriga efiko sur infanoj, virinoj, bestoj, kreskajoj k. a., precipe la rigardo de unuokululo, de senharulo aŭ de senbarbulo. Eĉ la profeto Mohamedo kredis je ĝi. Li diris: „La malbona rigardo povas mortigi homon kaj akceli la sorton de kamelo.“ Unu el miaj konatoj el Jafa (Palestino), kiu havis por mi grandan alligitecon, ripete diris al mi: „Efendi, fermu la veturilon, kiam vi elveturas kun la edzino kaj la infanoj, la malbona rigardo de la homoj estas danĝera.“ Pro tio oni kovras la infanojn kaj virinojn per talismanoj. Tre ŝatata estas tiucele la ajlo, kiu ŝajne havas specialan efikecon por elpeli la demonojn. Oni alligas bulbeton al la mano de la infanoj, kaj ĉe la cirkumcido de la knabetoj, ilia lito estas ĉirkaŭata de ajlbulboj. Al la Kristanaj infanoj oni havigas kontraŭ la malbona okulo kruceton aŭ bildon de sanktulo, kudritajn sur iliaj ĉapoj. Aliaj tiuspecaj amuletoj konsistas el perloj, aluno, brilajpapero, perla plektaĵo kiel diademo ĉe la kapo, rondaj nigraj vitraj perloj kun etaj blankaj punktoj k. t. p. Por deturni la atenton de la infanoj, oni intence malzorgas pri ilia eksteraĵo, ĉar malpura vizaĝo estas ŝirmita kontraŭ la malbona okulo. Pro la sama kialo en la Oriento personoj tre bonhavaj ofte vidiĝas sur la stratoj tiom mizere vestitaj, ke oni volonte donus al ili almozon. Eĉ iliaj oficejoj aspektas tiom malbelaj, ke oni en ili nur hezite sidiĝas. Al ĉevaloj, bovinoj, azenoj kaj muloj oni kontraŭ la malbona rigardo ĉirkaŭas la kolon per amuleto, ofte plektita el bluaj perloj. Eĉ la ŝipoj vidiĝas amuletojn sur la antaŭaĵo kaj sur la flanko. Alia rimedo kontraŭ la malbona rigardo estas bondeziresprimoj kiel ekzemple „smallah aleik“ (la nomo de Dio estu super vi!), aŭ „al barake“ (kun la beno de Dio!). Oni ankaŭ per pinglo trapikas okulon, modelitan en vakso aŭ desegnitan sur papero. Pri la efiko de l' malbona rigardo la poŝta kaj telegrafa direktoro Bezohy en Khanekin, Kristano, alie spirite klarvida, el Mosul, rakontis al mi, ke en urbeto apud Bassorah li vidis, kiel Arabo per nura fiksado per la okuloj efikis, ke virino, portanta sur kapo kruĉon plenan de akvo, ĝin subite lasis fali, tiel ke ĝi estis tute frakasita. Se vi vizitas Arabojn, Turkojn aŭ Beduenojn, vi ne devas montri, ke bela ĉevalo aŭ alia objekto plaĉas al vi; alie la posedanto, pro timo al la malbona rigardo, sentos sin devigata, diri al sia gasto „malak“ (ĝi estas via propraĵo). Kiam, en Hebron, mi kaj mia familio estis gastoj de la Turka majoro Assad Aga, mia malgranda filo Viktoro admiris la felon de iĥneŭmono. La majoro insiste petis, ke mia filo forprenu la felon. „Ĉirkaŭrigardu, li diris, ĉu estas alia objekto al vi plaĉanta, kaj mi, kiam mi venos al Jafa, sammaniere faros“. — Feliĉe li min vizitis en mia oficejo, kie ne estis io kapabla eksciti lian admiron.

Krom la malbona rigardo estas ankaŭ tre timata la „malbona animo“. Ĝi sidas en la homa spiro (la vorto „nafas“, animo, signifas ankaŭ spiro), ĝia efiko similas al tiu de la malbona rigardo. Oni Arabe ofte diras „nafsu atli“ (lia animo estas malbona), ankaŭ „nafsu fiha“ (lia animo estas en ĝi). Kiel ŝirmilo kontraŭ la malbona animo, oni konsideras la manon, ĉe la Judoj ĝi estas la protektanta mano de Dio, ĉe la Mohamedanoj la mano de Fatmo (la filino de l' profeto), ĉe la katolikoj la mano de Mario. Oni ofte vidas manon pentritan super la enirpordo, aŭ sur sojlo, aŭ pendantan en la domo.

Oni malofte vidas homon sen unu aŭ pli da amuletoj aŭ talismanoj. Eĉ Kristanaj infanoj ilin portas. Malgrandaj sonoriloj ĉe la maleoloj de la infanoj kaj de la virinoj forpelas la demonojn. Krome oni portas kontraŭ ili brak-, pied-, fingro-, orel-, kaj kolringojn, zonbukojn, medalionojn, bluajn perlojn, pecojn de aluno, vitrajn okulojn, granojn de melono kaj konkojn ĉe diversaj partoj de l' korpo. Kontraŭ la malbona rigardo oni uzas kiel amuleto sekigitan okulon de bovino, de kamelo, la kapon, kranion aŭ spinon de serpento, partojn de skarabo, ungegojn de leono, ŝtalajn brak- kaj piedringojn. Preferata amuleto konsistas el haroj de hieno kaj ties seksorganoj. Kiam por kontraŭbatali la pestepidemion, mi restadis en la ĉirkaŭajo de Kut-el-Amara, mi iun tagon ĉe matenkrepusko, dum mia eskorto rajdis al Beduena kampadejo, ekvidis malproksime antaŭ mi beston, kiun la soldatoj opiniis esti tigro, apro aŭ leono. La ekscito kompreneble estis tre granda. Kun la senpripenso de juneco, kaj fidante je la rapideco de mia ĉevalo, mi, spite ĉiu averto, rajdis al ĝi renkonte, kaj kiam mi komprenis, ke mi havas antaŭ mi nek leonon nek tigron, mi fariĝis pli maltimema, kaj per la dua pafo mortigis la beston. Ĝi estis dezerta hieno. Suboficiro detranĉis de ĝi la seksorganojn kaj petis, ke mi ilin donacu al li. Kiel mi poste aŭdis, li ilin estis vendinta al Kurdinoj kaj Arabinoj. Ili estas tre ŝatataj kiel amuletoj, kaj estas portataj sur la brusto, precipe de senfruktaj virinoj. Al favorataj ĉevaloj oni ĉirkaŭligas la kolon per duonlunforma amuleto el arĝento. Tre uzataj estas skribitaj talismanoj, kiujn oni portas per ligilo sur la nuda korpo, en ladaj skatoletoj. Sentencoj el la Korano, el la nova aŭ malnova Testamento, kaj la nomoj de Dio, de Mohamedo kaj de la sanktuloj estas skribataj, presataj aŭ stampataj sur ordinara papero, aŭ gravurataj sur ostoj — plej ofte skapoloj de ŝafoj — sur ligno, metalo, porcelano, ŝtonoj aŭ perloj. Ili sanigas, kiam ili estas pulvorigataj kaj trinkataj kun akvo, aŭ estas kelkan tempon metataj en akvon, kaj poste sorbataj. Plej efika estas la litero „t“ kelkfoje ripetita. Se venenito trinkas el arĝenta pokalo, sur kiu la litero t estas kelkafoje engravurita, li resaniĝas. La komerco per amuletoj kaj talismanoj estas tre vigla. Mi havis en Jafa serĝenton, kiu per fabrikado de talismanoj, precipe por virinoj, ofte pli multe gajnis ol mi. Por ĉiu sentenco li ricevis almenaŭ la valoron de unu franko. Li mem ne uzis siajn talismanojn, nek portis ilin; sed kiam li aŭ unu el liaj infanoj malsaniĝis, li venis al mi, aŭ vizitis unu el miaj kolegoj. Lia komerco estis tiom profita, ke li povis permesi al si la superfluaĵon de du edzinoj, kiuj ambaŭ havis sian propran loĝejon. Lia patrino eĉ deziris, ke li alprenu trian edzinon, ĉar oni vulgare diras, ke maljunulo edziĝanta kun juna virino mem juniĝas.

La ciferoj havas sekretajn fortojn. La tri estas sankta kaj alportas feliĉon; kvin estas tre timiga; sep ludas grandan rolon, oni ĝin oftege renkontas. La cifero dektri estas rigardata kiel tre fatala, kiel ĉe ni.

Ĉe la Turka-Persa landlimo mi ofte trafis homojn, eĉ oficistojn, kiuj firme kredis je la metempsikozo, t. e. la transmigrado de la homa animo en beston kaj inverse. La sekretario de la doganejo en Khanekin rakontis al mi, ke li iam vidis, kiel mulo, devanta kun karavano el Persio eniri la doganejon, obstine rifuzis eniri la korton. Tiam la sekretario alproksimiĝis al ĝi, murmuris ion en ĝian orelon, kaj nun la mulo enmarŝis tra la pordo.

Veraj orientaj profesioj estas tiuj de aŭguristo, sablisto kaj astrologo. Ili kaŭras en multe vizitata strato kontraŭ la muro, vendas amuletojn, kaj pere de l' sablo aŭ de la planedoj ili antaŭdiras la estonton aŭ la elturniĝon de malsano. Ĉiuj tiuj homoj sin ĉirkaŭas per mistera nimbo. Ilia metiilo estas la Korano kaj la ŝlosilosto de ŝafo. Iliaj respondoj estas ĝenerale dusencaj. Samtempe ili provas, kie ajn ili havas okazon por ĝi, malaperigi la objektojn ne firme fiksitajn.

Por klarigi la estonton, precipe ĉe la Persoj, oni oftege uzas la rozarion (tesbih); ĝi troviĝas en la mano de ĉiu Efendi. La plej amataj devenas de la tombo de la Imamoj Ali kaj Hussein en Kerbela kaj Nedŝef. Oni ĝin tenas en mano, ĉu kiel ludilon, ĉu por ĝin konsulti. En ĉi tiu okazo oni agas jene: La Perso, antaŭ ol li entreprenas aferon, iun akceptas aŭ forpermesas, prenas blinde plenmanon da globetoj, kaj lasas ilin forglitі tra siaj fingroj, ĉe ĉiu globeto dirante la vortojn: „Subhan Allah, el hamdu lillah, valah!“ (Dio estu benata, Dio estu laŭdata, per Dio!) Se la lasta globeto kuniĝas kun la unuaj vortoj, oni povas senhezite plenumi la aferon; sed se ĝi kuniĝas kun la vorto „valah“, oni nepre devas malkonkludi ĝin. Oni ankaŭ konsultas la rozarion, kiam oni deziras aŭdiencon, aŭ deziras viziti la virinejon, aŭ kontrakti aĉeton, aŭ se oni hezitas pri elekto de manĝaĵo; eĉ la trinko de tizano fariĝas dependa de ĝi.

Krom la aŭguristoj ekzistas ankaŭ sorĉistoj. Ili skribas sorĉformulon sur paperon, ĵetas ĝin sur la vojon de siaj malamikoj, metas ĝin en ilian liton aŭ en iliajn vestojn, aŭ kaŝas ĝin proksime de ilia domo. La sorĉformulo povas ankaŭ esti bruligata, kaj la cindro disĵetata ĉirkaŭ la domo de la ensorĉotoj. Alia rimedo efiki sorĉon estas la tuberligo de nodoj.

Grandan gravecon havas la sonĝoj; ili estas konsiderataj kiel fingraj signoj de la Providenco. Turka soldato vundita de la Beduenoj en Jemen dum militiro por kolekto de nepagitaj impostoj, rakontis al mi la jenon: En batalo kun la Araboj li ricevis kuglon en la femuron; la regimenta kuracisto volis fortranĉi la kruron, sed li kontraŭstaris. Tiam kvar fortikaj soldatoj lin firme ligis, kaj la kuracisto jam tenis la segilon en mano, kiam neatendite envenis la majoro ekkriante: „Ĉesu!“ Dum dormo estis aperinta al la majoro la kolego Moser, kiu diris al li: „Iru en la hospitalon, kaj liberigu la Saidon de la ŝnuro, ĉar li estas unu el la bonuloj.“ Araba ŝeiko, kiu estis kompetenta pri ostorompoj, poste en la daŭro de ses semajnoj sanigis lian kruron. — Se iu sonĝas, ke oni tranĉas al li la harojn, aŭ ke oni elŝiras al li denton sen sangado, tio estas antaŭsigno, ke baldaŭ okazos morto de parenco. Se oni sonĝante vidas kamelon, tio estas malbona aŭguraĵo. Kiu sonĝas pri morto, havos longan vivon; same, tiu, kiun oni opiniis mortinta. Se oni sonĝas pri oro aŭ io flavkolora, tio estas antaŭsigno de minacanta malsano aŭ morto. La flava kaj nigra koloroj estas malŝatataj, tial ke ili signifas morton.

Rimedo same disvastigita ĉe la Kristanoj, Mohamedanoj kaj Judoj por amikigi la malamikajn potencojn estas la solena promeso. Oni solene promesas aŭ ĵuras je la nomo de Dio, de la sanktuloj, de l' profeto, de Jesuo, Mohamedo, Abrahamo, Moseo, Samuelo, Davido, S-ta Eliaso, S-ta Nikolao, S-ta Georgo, la virgulino Mario k. a. La Fellahoj plej ofte oferas ŝafojn, kaprojn, kokidojn, kolombojn, monon, kandelojn, olivoleon aŭ panon. Oni ankaŭ dediĉas al la sanktulo ĉiuspecaĵn domilojn. Malsanaj infanoj estas dediĉataj al sanktulo; tio okazas ankaŭ kiel antaŭforiga rimedo. En Jafa ofte venis al mi renkonte malgranda kvinjara knabo en Franciskana kostumo kun ŝnuro ĉirkaŭ la koksoj. Liaj gepatroj estis dediĉintaj lin al Sankta Francisko, tial ke ili per morto estis perdintaj kelkajn junajn infanojn. Pri stranga ĵuro informis min la guberniestro de Khanekin: En Persio la estimo al la Imamoj Ali kaj Hussein en Kerbela kaj Nedŝef estas tiom granda, ke knabinoj promesas kiel eble plej baldaŭ tien pilgrimi, kaj oferi al la sanktulo ilian „jus primae noktis“ (rajto de unua nokto).

Kampo, sur kiu plej vigle prosperas la superstiĉo, estas la kuracarto. Oni kredas, ke tiu ĉi arto estas hereda en certaj familioj aŭ domoj. Ĝi estas praktikata de ŝeikoj, dervîŝoj, maljunulinoj, barbiroj kaj akuŝistinoj. Nenie la emo de la virino al kuracado estas pli forta ol en la Oriento. Multaj

havas specialecon por kuraci tiun ĉi aŭ tiun malsanon. La ŝmiristino (kahali) kuracas okulmalsanojn, la akuŝistino krom virinmalsanoj ankaŭ infanmalsanojn, la barbiro, ankaŭ nomita ĥirurgo, sanigas ostorompojn, surmetas hirudojn, klisteras kaj bandaĝas vundojn. En Jafa praktikadis tiamaniere Judo, Abu Sleiman, kiu estis tre estimata de la Mohamedanoj kaj de la Kristanoj. En la plej altrangaj familioj oni lin venigis antaŭ la kuraciston, kaj la indiĝenoj eĉ konsiliĝis kun li pri la kuracisto venigota. Mi trafis lin kelkafoje ĉe la lito de malsanulo. Li estis eksterordinare maltimema. Ĉe malsanulo, kiu havis ĉe la kapo malbonan absceson, li intencis ĝin tuj fortranĉi per sia razilo. La loka estraro nenion faris kontraŭ li. Fine li eĉ havigis al si aŭdilon kaj termometron, sed la lastan li mem ne povis al si klarigi.

Al la persono aŭ parenco sin informanta pri la sanstato de malsanulo, oni ne devas nomi la malsanon per ĝia ĝusta nomo, ne aldonante „Ĝi forestu de vi". Kontraŭ febro oni ĉirkaŭas la manradikon per lana fadeno. Ĉe malsano de la lieno, oni metas lienon de ŝafo en la maldekstran hipoĥondrion kaj ĝin tratranĉas kun akompano de preĝoj. En Mezopotamio kaj Kurdistano oni kontraŭ malario trinkas lakton miksitan kun ajlo; al kinino oni ne fidas. En kelkaj regionoj oni al malsanuloj en letargia stato enŝovas seban kandelon en la gorĝon, frotas ilian kolon per graso, kaj envolvas la superan korpon en la haŭto de nove buĉita besto, plej ofte de kapro. Tuberkulozulojn oni igas trinki azenlakton dum kvardek tagoj, kaj aldone ili estas frotataj per kamelfeko. Se ili tusas, oni buĉas kokidon, kaj li devas gluti ties sangon; la venontan tagon li konsumos ties karnon. Ĉe hidroposo la vejnoj estas knedataj. Ĉe okulmalsanoj la okuloj estas frotataj per ajlo.

Pafvundojn mi ĉe la Beduenoj vidis plenigi per azengraso; krome la vundito devis manĝi azengrason. Ĉe disenterio la malsanulo devas sidi sur tukpeco, sorbigita per petrolo. Ĉe pestepidemio inter Kut-el-Amara kaj la Turka-Persa landlimo mi vidis meti sur la vundon de malsanulo miksajon de pulvo kaj ajlo. La blankuloj venigis el Molla antaŭgardilon kontraŭ la pesto; ĝi konsistis el pulvorigita peco de ligno kaj papera banderolo, sur kiu estis skribita sentenco, kaj ili englutis tiun strangan miksajon kun akvo. Ke ekzistas rimedo kontraŭ ĥolero, oni nepre malkredas. Kiam, dum misio por kontraŭbatalo de l' ĥolero, mi en Batersan, en Kurdistano, iun vesperon sidis ĉe la fajrujo, Kurdo rakontis al samlandano, ke en Mosul oni uzas medikamentojn kontraŭ ĥolero, kaj oni min demandis, ĉu tio estas vera. La malsanon mem oni nomas „abu mizrak", laŭvorte parto de la lanco. Nome oni kredas, ke dum ĥolera epidemio Allah forsendas multajn nevideblajn lancorajdantojn. Ili trakuras la landon, kaj tiu, kiun trafas ilia lancopinto, certe mortos; sed tiu, kiu estas tuŝata per la alia ekstremajo, fariĝos malsana, sed eble resaniĝos. Kontraŭ senfrukteco kaj por havigi al si edzon, oni en la Oriento ĉiun eblan rimedon provas. Mi citu unu el ili: Apud Ispahan troviĝas fama minareto, nomita Kune-l' irindŝi, al kiu pilgrimas knabinoj kaj vidvinoj. Dekdu ŝtupoj alkondukas al ĝi; sur ĉiun oni metas nukson, kiun la pilgrimino devas krakigi, kaj samtempe eldiri sentencon. Samcele la junulinoj sidiĝas sur la timonon de per ĉevaloj tirata papermuelilo, kaj lasas sin dufoje rondporti. Kiu dum kvardek tagoj manĝas parteton de karda kreskajo, tiu estas protektata kontraŭ mordo de serpento. Kontraŭ la malbonaj sekvoj de teruro, oni devas trinkigi al la terurito iom de la propra urino. Se infano falas, la patrino devas trifoje kraĉi sur la lokon de l' falo kaj la infano resaniĝos.

*D-ro Lamec Saad.*
Trad.[1]: *A. C.*

[1] El revuo „Der neue Orient".

# Inĝenier-filozofio

Kiel el malnovaj ideoj, logikaj sorĉparoloj, miljaraj kaj tamen maltaŭgaj ŝirmrimedoj la mondmilito subite eksplodis, tion mi refoje sentis antaŭ nelonge, sidante en la biblioteko de inĝeniero. Mi estis malferminta la „opera omnia" de Heron el Aleksandria, kiu vivis sub Grek-Egiptaj reĝoj, kaj legis:

„La plej grava kaj plej necesa parto de la filozofio estas tiu, kiu traktas pri la animtrankvilo. Pri tiu la praktikaj filozofoj plej multe esploradis, kaj mi kredas, ke tiuj teoriaj studoj eĉ neniam havos finon. Sed la meĥaniko staras pli alte ol la teorio pri la animtrankvilo; ĉar jam unu sola kaj malvasta parto de la meĥaniko, nome la scienco de l' pafilegokonstruo donas al la homo la praktikan eblon vivi en animtrankvilo. Tiu ĉi parto de la filozofio ebligas al li tremi pro malamikaj atakoj nek dum paco, nek dum militeksplodo . . . Ĉar se oni dum paco sufiĉe okupiĝas pri pafilegokonstruo, oni povas esperi, ke tio helpos fortikigi la pacon, kaj tiu ĉi konscio devas fortigi la animtrankvilon."

Jen la admirindo de la klasikaj lingvoj — kaj tial oni eterne okupiĝu pri ili —, ke vidate tra ilia kristalo la grando ŝajnas pli granda, la malgrando pli malgranda, la prudentajoj pli prudentaj kaj la malsaĝajoj pli malsaĝaj. Kaj kiom puran malsaĝajon oni ekvidas tra tiuj frazoj de l' antikva Heron! Oni povus preskaŭ senti la ĝojon de kolektisto pri tiom malofta ekzemplero: pri tiel bonkreskita malĝustajo, tiel rektaksa sensencajo, pro tiel simetria penseraro . . . La animtrankvilo do kreskas proporcie laŭ la nombro de konstruitaj kanonoj? Bonege! Tion post Heron kredis la homoj de du plenaj jarmiloj. Tia kaj ne alia aspektas la ekstrakto de l' antaŭmilita pensado — kaj tio prezentiĝas kiel la ĝisnuna spino de la Eŭropa politiko. La militon ja volis neniu, la pacon ĉiu, konkeri neniu, sin ŝirmi ĉiuj — kaj tiel, el amo al paco kaj sinŝirmo, komenciĝis la milito.

Sed kiu estis Heron? Kiu pripensas tion, al tiu klariĝas la tragedio de mondo, kiu ĝis nun ne jam estis savata de siaj intelektuloj. Tiu Heron ne estis iu malgrava muntisto, kiu iom verkis en liberaj horoj, sed la plej eminenta geniulo de sia jarcento. Mondmiraklo de naturscienca intuicio, Ĥeops-piramido laŭ scio, scienculo de ni ne jam tute elĉerpita, de kies verko ankoraŭ kelkiu kaŝita fragmento estas malkovrota. Ĉiukaze li estis la plej eminenta meĥanikisto post Arĥimedes. En la akademio de Aleksandria (je 150 antaŭ Kristo estas fiksata lia naskiĝjaro) li instruis al la junuloj geodezion kaj praktikan fizikon. Kiel matematikisto li kalkulis per tre komplika metodo kvadrat- kaj kubikradikojn, kiel optikisto li trovis la ĉefajn principojn de la lumreflektado, kaj krom tio lia scio pri dioptriko[1] helpis al li fari tunelkonstruojn de ĝis tiam nekonata precizeco. Li verkis du librojn „Pneŭmatika", en kiuj unuafoje la aero estis devigata fari homan laboron kaj — preskaŭ du jarmilojn antaŭ James Watt — eĉ la vaporo estis servigata. Li elpensis la sifonon, la Heron'an fontanon[2] kaj la prempumpilon. Li konstruis la unuan akvoŝprucigilon kontraŭ fajro, la vaporkaldronon kun interna hejto, banfornon kun serpentuma tubo, la lampon sin mem reguligantan kaj la aŭtomatan restoracion. Fruktpremilon li kreis kaj la unuan montan ŝnurfervojon. Sed la plej fama el liaj elpensaĵoj estis la meĥanika teatro, en kiu oni prezentis Homerajn dramojn personriĉajn kaj longedaŭrajn. Tie sidis viraltaj figuroj de la Grekoj, segis lignon kaj riparis la ŝipojn. La

[1] Scienco pri lumrifrakto.
[2] Aparato per aerpremo elŝpruciganta fluidajon.

ŝiparo forveturis, blugriza malbonvetero venis, fulmoj ekbrilis, kaj antaŭ ravataj okuloj Ajas la Lokro[1] dronis en la bruaj ondoj.

Heron do produktis por siaj samtempanoj la cent amuzajojn, la mil komfortajojn, kiuj por la grandurbano nur vivindigas la ekzistadon, kaj bedaŭrinde krom tio li konstruis pafilegojn, la plej bonajn, kompreneble. Ekzemple li faris, kion antaŭ li profesoro Ktesibios jam komencis, pneŭmatajn kanonojn; kaj en sia libro „Belopoiika“ — t. e. arto de pafilegokonstruo — li donis receptojn por rekstreĉiloj, angulstreĉiloj kaj aliaj monstrajoj. Heron, tiu milartulo, sciis ĉion, konstruis ĉion. Nur unu fakton li ne sciis, nur tion li ne konsideris, ĉar li ne sciis ĝin: ke neniu kanono pafas daŭre nur antaŭen, ke kontraŭe aŭtomataj teatroj, lumigataj fontanoj, hidraŭlaj liftoj, koncize ĉio, kion ni bezonas por nia animtrankvilo, estas destinota al pereo, se ĝi estas ŝirmata per pafilegoj.

De malnovaj tempoj la inĝenieroj havis kaj havas tute malpravan ŝtatfilozofion. Ni ne konsideru, ĉu Heron por siaj spritaj malbonfaroj estis subvenciata de iu Egipta Krupp, ĉu lia ambicio estis la sola reganta motivo, aŭ ĉu inter tiuj ĉi du instigoj ekzistis turmenta reciproka rilato — tiu kanonkonstruisto, samkiel ĉiuj kanonkonstruistoj post li, ne konis la esencon de la kanonoj. Ĉar stranga naturleĝo (kiu ŝajnas esti samtempe leĝo morala) ordonas, ke ĉiu pafilego, kie ĝia pafajo falas teren, naskas kontraŭpafilegon.

Por la animtrankvilo Heron konstruis sennombrajn pafilegojn al la Aleksandrianoj, kaj por la animtrankvilo same la najbaroj sentis sin devigataj konstrui sennombrajn pafilegojn, kaj inter tiuj najbaroj estis iutage Roma, la unu sola urbo, kiu estis iom pli granda ol Aleksandria. Roma — ĉar unu el la du urboj devis havi la pli bonajn armilojn — estis hazarde tiu unu. Tiam Aleksandria, la tiom bonege armita, perdis ne nur sian armajon: sed en tiu tago ankaŭ brulpereis la plej granda biblioteko de l' antikva mondo, trezoro de tricentmil rulpapirusoj. Ili ne estis taŭge ŝirmitaj, tiuj roloj. Ne per mondligo de amo, sed per armiloj. Ne per la frateca sigelo de l' racio, sed per la aroga kredo de fortulo, kiu iutage trovis plifortulon.

Jezuo Kristo ne estis armil-praktikulo, sed li estis trapenetranto de l' animoj. Evidente li ne ŝatis la ĉefprincipon de la inĝenieroj: se vi volas pacon, preparu militon. Kontraŭe li diris tre klare al Simon, la fiŝkaptisto: „kiu prenas la glavon, tiu pereas per la glavo.“

Ĉar oni povus trovi iom da nekavalireco en tio, ke mi antaŭmetas kiel modelon al Heron la Nazaretanon, kiu vivis post li, mi rekomendas al li eminentan plifruulon: Epikuros.[2] Kompreninte tiun li ne estus konstruinta kanonojn. Ĉar Epikuros, kies morala sistemo havas kiel fundamenton la sentencon: „Bone estas, kio ne malutilas vin kaj min“, ne povis aprobi akceladon de la animtrankvilo per rimedoj, kiuj devis rabi de l' najbaro la lian, kaj kiel li pensis pri milito kaj paco, tion montras jena lia parolo: „El si mem ne ekzistas justo. Ĝi devas esti fiksata per kontraktoj inter la homoj.“ Ŝtatoj, kiuj kredas ŝirmi sin kontraŭ fremda potenco nur per la stato de armita potenco, ŝajnis al li esti subhomecaj: „Bestoj, kiuj ne povas fari kontraktojn pri reciprokaj ofendoj, scias nenion pri la ideo de justo aŭ maljusto. La samo estas direnda pri la popoloj, kiuj nek volas nek povas fari kontraktojn pri reciprokaj ofendoj.“

Sed aliflanke la animtrankvilo, kia Epikuros komprenis ĝin (en tio ne malsimile al Kristo), tute ne dependis de hidraŭlaj liftoj kaj nur malmulte de bibliotekoj. Li vivis en ĝardeno. Floroj kaj amikoj, bezonantaj kiel li preskaŭ nur sunon kaj akvon, ĉirkaŭis lian modestecon. Tion la Aleksandrianoj ne estus ŝatintaj — kaj ankaŭ el tio estas klarigeble, ke Heron por la fortikigo de l' animtrankvilo iris vojojn aliajn.

*Heinrich Eduard Jacob.*
Trad.: *Walter Lippmann.*

[1] Heroo el la „Iliado“, estro de la Lokroj (Greka gento) en la batalo antaŭ Troia.
[2] Greka filozofo 342—270 a. K.

---

# Pri kosmotekniko

I

Kio estas kosmotekniko — min demandos surprizite la legantoj — ni ne ankoraŭ aŭdis pri ĝi?

Jen la respondo: ĝi estas modernega astronomia teorio, kies principoj ŝajnis al mi tiom interesaj, ke mi deziras per tiu ĉi artikolo ilin konigi al la legantoj de nia kara „Esperanto“. Propran bone difinitan nomon tiu nova scienca elpensajo ankoraŭ ne posedas: mi uzos por ĝi la vorton „kosmotekniko“.[1]

Plezure mi skribas unuafoje pri tiu nova teorio, kiun ĝis nun neniu Esperanta revuo priparolis kaj nur malmultaj ekskluzive Germanlingvaj skribajoj pritraktis.[2]

Ke mi ne liveras samtempe ankaŭ la pruvojn de l' asertoj, oni bonvolu senkulpigi; en rilate mallonga artikolo ĝi estus neebla. Cetere mi tie ĉi tute ne intencas fari apologion de la nova teorio, sed nur konigi ĝin al interesemaj samideanoj.

* * *

Kosmotekniko malakceptas la principojn de la Kant-Laplace'a teorio. La ĉefaj supozoj de tiu ĉi lasta estas: 1e la formiĝo de ĉiuj ĉielkorpoj el iu primitiva maso, konforme al principoj de la centrifuga forto; 2e la absoluta malpleneco de la universa spaco. Oni povas eltiri de tio du gravajn konkludojn: se tiu spaco estas tute malplena, nenio povas malhelpi la ĉielkorpojn dum ilia movado, kaj ili devas sekve ĉiam rondiradi en la sama trajektorio; plie, ĉiuj ĉielkorpoj devas altiri unu la alian, kaj tiel la movado de ia ajn sistemo estus kondiĉata de la movado de sistemoj ankoraŭ pli potencaj.

S-ro inĝeniero Hoerbiger anstataŭigas nun la diritajn ideojn per aliaj, frukto de senlaca multjara observado kaj meditado. Lia teorio estas plej ofte konsiderita de aliaj astronomoj kun tro granda skeptikeco, li eĉ estis mokata. Kiel ofte same ne okazis ankaŭ al nia Esperanto!

La genia elpensinto klarigas simple multajn fenomenojn, kiuj ĝis nun ĉiam estis enigmo, kaj montras al ni astronomion, geologion kaj meteorologion, tri sciencoj precize diferencataj, en neatendita dependa rilato unu de la alia.

La ĉefa supozo de kosmotekniko diras, ke l' universo ne povas esti malplena. La grandega kvanto da diversaj gasoj elpuŝata de la suno kaj de ĉiuj aliaj steloj ne povas perdiĝi, sed kontraŭe ĝi vagadas en la universa spaco. De tiu ĉi supozo oni povas dedukti la jenon: se la universo ne estas malplena, tiam por la pezeco devas sendube valori

[1] La elpensinto de la teorio, S-ro maŝininĝeniero Hoerbiger nomis ĝin „glacialkosmogonie“. Nia samideano S-ro Max Valier, unu el la unuaj batalantoj por la nova teorio, uzis en siaj ĉe ni faritaj paroladoj la vorton „kosmotekniko“, por esprimi tiamaniere precipe la karakterizon de la teorio, kiu sin bazas sur la praktika observo kaj pririgardo de la naturfortoj laŭ teknika vidpunkto.
[2] Forlasante la artikolojn enhavatajn de fakaj gazetoj, ni posedas ĝis nun nur 900-paĝan Germanan verkon, kiu tamen por nefakuloj estas malfacile komprenebla; sed post kelkaj semajnoj aperos verketo, destinata al ĝenerala publiko, pritraktanta la teorion en facila formo. Alia libro, verkita laŭ iom pli scienca vidpunkto, estos eldonata post nelonge en Berlin.

en la ekstertera spaco la samaj aŭ almenaŭ similaj leĝoj kiel en nia atmosfero. En la aero la pezeco plimalgrandiĝas proporcie al la kvadrato de l' distancoj; la sama okazos ankaŭ en la universo, kaj pro tio ekzistos por ĉiu ĉielkorpo punkto rilate ne tro malproksima, kie ĝia pezeco praktike tute ĉesos agadi.

Sed tiam la steloj pro neekzisto de la forto ne plu povas altiri unu la alian, kaj ili estas reciproke plene nedependaj. Aliflanke, se la universo estas plena je gasoj, la ĉielkorpoj devas venki dum sia movado la reziston de tiu ĉi gasmiksajo: sekve, aplikante tiun konkludon al la planedoj, se ilia inertforto fariĝas ĉiam pli malgranda, kontraŭe la altirforto de la suno ĉiam pli granda, okazos, ke la planedoj devas proksimiĝi al la suno, kaj ilia trajektorio ne plu estas perfekta elipso, sed longega spiralo eniranta en la sunon. La samajn principojn oni povas uzi por la lunoj rilate al la planedoj.

*Por ĉiu luno, por ĉiu planedo venos do la tempo, en kiu ĝi tute alproksimiĝos kaj fine enfalos en la korpon ĉirkaŭiratan.*

La specialan kazon de l' enfalo de nia luno sur la teron mi sube pritraktos.

Nun ni venu al la tre interesa teorio pri formado de suna sistemo.

Mi devas tie ĉi antaŭmeti kelke da vortoj pri kuriozaj eksperimentoj faritaj de inĝeniero Hoerbiger.

Komence li prenis malgrandan pecon da glacio kaj volis enjeti ĝin en varmefluantan ŝtalon. Sed tiu ĉi peceto ne povis atingi la fluaĵon, ĉar ĝi tuj vaporiĝis. Poste li enpuŝis en la saman ŝtalon pecon da glacio grandan kiel pomo. Ĉi eksplodis tute simile al granato, ĉar la glacio eniranta en la varmegan fluaĵon sammomente vaporiĝis kaj, bezonante en tiu nova formo multe pli da spaco, ŝprucigis la ĉirkaŭan ŝtalon en ĉiujn direktojn. Fine en la fluan ŝtalon li enigis glacian pecon grandan kiel kukurbo. Post duono da minuto li povis eltiri duoble pli grandan skorion. — Kiel eble? — La glacio, estante tiufoje tro granda, ne povis tuj vaporiĝi kaj prenis la grandan por tio necesan varmokvanton de la ĉirkaŭaj ŝtalpartoj, kiuj tiamaniere perdis sian varmon ĝis malfluidiĝo. Tiel formiĝis skorio plena je miksajo el vaporo, akvo kaj glacio. Lasante ĝin en la flua ŝtalo oni povas rimarki, ke la glacio malrapide degelas kaj aliiĝas fine je vaporo. Tiu lasta, ne povante esti entenata de la rilate malgranda skorio, haviĝas al si poste eliron, trarompante ĝin en diversaj punktoj.

Por la nasko de nova suna sistemo laŭ kosmotekniko estas necesaj grandega arda centra maso kaj unu ĉirkaŭ ĝi rondiranta glacia (akvoplena) planedo, nomata en astronomio trabanto.

Ke tiaj formitaĵoj efektive ekzistas estas jam pruvita: ekzemple, ĉiuj duoblaj steloj de la Algol-kategorio estas nenio alia.

Sekve de la suprecititaj leĝoj, la trabanto iam falos sur la centran mason kaj penetros ĝin. Kio okazos nun?

Pro la tro granda kvanto da glacio tuja vaporiĝo estas absolute neebla: ni havas do similan situacion kiel en la tria de mi supre priskribita eksperimento.

Unuflanke formiĝos en la interno de la centra maso skoriego, eble milojn da kilometroj dika; aliflanke la glacio malrapide ĉiam plivarmiĝos ĝis atingo de 100 aŭ pli gradoj. Tiam ni havas la saman kazon kiel en vaporkaldrono plena je bolanta akvo. Pro diversaj kaŭzoj tie ĉi ne klarigotaj ĉar ili supozas iom da teknikaj scioj (sed tamen bone konataj de ĉiu maŝininĝeniero) la kaldrono povas eksplodi.

Ni povas ja konsideri nian centran mason kun la grandega akvokvanto en ĝi kiel vaporkaldronon. Ni supozu, ke pro ia kaŭzo la skoriego ne plu povas rezisti al la premado de la bolanta aŭ parte vaporiĝinta akvo: tiam okazos sendube eksplodego, kaj tre granda amaso da varma akvo, vaporo kaj materio estos eljetata en la universon. Tiu ĥaoso aspektos kiel konuso renversita konsistanta el tre multaj grandaj kaj malgrandaj masoj kaj el kerno (ĉe la konusa pinto).

Nun, kio okazas el tiu materio?

La masoj, kiuj dum la eksplodo troviĝis en proksimeco de la randoj, pro kontraŭfroto ricevas nur malgrandan rapidigon kaj falos post nelonge denove sur la centran korpon. Tial ili nin ne plu interesas.

El ĉiuj aliaj masoj povas nur okazi la jeno:

La eljetitaj korpoj ne ĉiuj posedas egalan rapidigon, sed tiuj en la mezo de la konuso pli grandan ol tiuj ĉe la randoj kaj la grandaj korpoj estos siavice malpli rapidigataj ol la malgrandaj. La rapidigo de l' malgrandaj masoj povas atingi tian mezuron, ke ili venkas eĉ la ekstreman limon de la altirforto de la grandaj masoj. Tiam ili iras sian sendependan vojon kaj nin ankaŭ ne plu interesas.

Restas do nur la malmultaj masoj, kies rapidigo (centrifuga forto) ne superas la altirforton (pezecon) de la ceteraj korpoj de la sistemo. El tiuj ĉi la malpli grandaj masoj estas altirataj kaj enkorpigataj de la pli grandaj; tiamaniere ni havas ankoraŭ malgrandan nombron da korpoj, kiuj siaflanke povas procedi nur ĝis la punkto, en kiu ekvilibro inter ilia rapidigo kaj la altirforto de la kerno estos atingata. En la sama momento tiuj ĉi masoj devos antaŭenmoviĝi laŭ la rezultanto de la du fortoj, t. e. en elipsa trajektorio ĉirkaŭ la kerno.

Tiu ĉi lasta estas la noveformita suno, la ceteraj masoj estas la novaj planedoj kaj lunoj.

Tiamaniere formiĝis memkompreneble ankaŭ nia suna sistemo.

Sed, kio okazas kun la ega kvanto da bolanta akvo kaj vaporo, kiu estas ankaŭ eljetita dum l' eksplodo? Ni devas pripensi, ke tiu ĉi vaporo aŭ bolanta akvo estis enpuŝataj en la universon, kies temperaturo mezuras 270 gradojn sub la nulo.

La logika sekvo estas tuja aliiĝo je glacio. Kaj la glacio poste, pro kaŭzoj tie ĉi ne klarigeblaj, lokiĝas en elipsa ringo ĉirkaŭ la suno. En nia sistemo tiu ĉi ringo estas la Lakta Vojo; konsiderata de la astronomoj kiel preskaŭ senfine malproksima arego da fiksaj steloj, ĝi estas laŭ kosmotekniko nenio alia ol la glacio formiĝinta dum la nasko de nia sunsistemo. Mi nomos ĝin „pradevena glacio", ĉar ĝi formiĝis en la pratempoj de l' ekzistado de nia sistemo, por ĝin diferencigi de alia glacio, kiun mi tuj priparolos.

Tiu glacia ringo ne estas maldika; kontraŭe ĝi ĉirkaŭas la sunan sistemon preskaŭ kiel tubego. La suno kompreneble altiras al si per sia pezeco la malsuprajn partojn de tiu ĉi ringo: tiamaniere, komence de la Lakta Vojo kosmotekniko supozas ekziston de tre vasta arkaĵo el pradevenaj glacieroj similanta grandegan cirkan tendon, en kies plej alta loko staras la suno.

Granda kvanto el tiuj glacieroj falas ankaŭ sendube en la sunon mem. Pro ilia tre granda rapideco ili produktas, enfalante, miliardojn da kalorioj; la kvanto da kalorioj necesa por degeligi la glacion estas kompare tute neatentinda. Tiel la suno, ankaŭ se tio unuavide ŝajnos neeblaĵo, estas senĉese hejtigata per glacio.

Tiuj glacieroj, kiuj memkompreneble povas atingi tre respektindajn dimensiojn, degelas poste en la interno de la suno, ĝis kiam la vaporo traborante la suprajon havigas al si eliron kaj enfluas en la universon. Tiun ĉi vaporon ni povas eĉ vidi sub la formo de grandaj flamoj elirantaj el la suna rando, kiuj povas iafoje ekkreski ankaŭ ĝis alteco de pli ol 100,000 kilometroj dum la daŭro de malmultaj sekundoj. Ili estas konataj de la astronomoj sub la nomo de *sunaj protuberancoj*.

Enirante la universan spacon, kiu estas, kiel dirite, malvarmega, la vaporo aliiĝas tuj je glacio. Tiamaniere ni devas nun diferencigi en la kosmo du diversajn specojn de glacio:

1e la *pradevena glacio*, formiĝinta dum la nasko de la suna sistemo;

2e la *sundevena glacio*, kiu estas senĉese produktata de la suno mem.

Nun ni konsideru la planedojn.

La du unuaj, Merkuro kaj Venuso, estas jam plene glaciiĝintaj: kvankam ni ne multe scias pri ili, tamen ilia brilado, precipe de Venuso, valorigis tiun supozon. Aliflanke ni pripensu ankaŭ, ke la du planedoj troviĝas en konsiderebla proksimeco de la suno, kaj pro tio estas tre elmetataj al la influo de la sundevena glacio.

La Teron mi pritraktos en lasta vico, ĉar ĝi posedas por ni la plej grandan intereson.

Post la Tero ni trovas Marson, kies ĉefa karakterizajo estas la tiel nomataj Marsaj kanaloj. Kosmotekniko klarigas, ke tiuj kanaloj kaj la makuloj de la planedo Jupitro estas la sama fenomeno, dependigante ĝin de la proksimeco de la asteroidoj. (Tiuj ĉi lastaj, nomataj ankaŭ planedoidoj, estas glaciaj ĉielkorpoj kun tre diversa diametro rondirantaj ĉirkaŭ la suno. Ĝis nun oni eltrovis el ili 820, sed laŭ komuna opinio ili povas esti kvar aŭ kvin mil.)

La ceteraj planedoj Jupitro, Saturno, Uranio kaj Neptuno montras malgrandan specifan pezon (proksimume 1). Ĉar ni konas nenian alian materion krom akvo, kiu posedus tiom malgrandan specifan pezon, ni devas supozi, ke tiuj ĉi planedoj plejmulte konsistas el glacio, kion kosmotekniko penas pruvi ankaŭ per alia maniero: ili tamen tre verŝajne enhavas materian originan kernon, ĉirkaŭ kiu poste grupiĝis la tuta maso da glacio.

Per tio ni povas veni nur al la konkludo, ke la sola en nia sunsistemo loĝebla planedo estas nia Tero.

Certe demandos min iu: kial la Tero kaj ne ekzemple Marso aŭ Venuso? — Respondo al tia demando estas preskaŭ neebla. La ĝenerala stato de ekvilibrado en nia suna sistemo estas ja tia, ke ĝi ebligas la vivadon sur la Tero. Se la suna sistemo havus alian ordon ni ankaŭ ne vivus; kaj ni ne povus certe rompi al ni la kapon pri la kialo de nia ekzistado.

*(Daŭrigota.)* *F. Glaser.*

---

# ✿ NOTOJ ✿

∴ **La efikoj de la milito je la Germana loĝantaro.** Danaj sciencistoj fondis en Kopenhago societon por la studo de la sociaj konsekvencoj de la milito. Ĝi jus publikigis ciferc dokumentitan broŝuron pri la movado de la loĝantaro en Germanio dum la milito. Similaj laboroj baldaŭ aperos pri Aŭstrio, Francio kaj Britio.

Jen la konkludoj de tiu studo:

1e La malkresko de la nombro de l' naskiĝoj kaj la kresko de la nombro de l' mortoj kaŭzis al la Germana popolo tutan perdon de 5,600,000 personoj. El tiu fakto rezultas, ke komenciĝas nun periodo de loĝantara malkresko. La loĝantaro malkreskis de 67,8 milionoj al 65,1 (ne enkalkulante la teritoriajn perdojn), el kiuj 33,9 milionoj virinseksaj kaj 31,2 milionoj virseksaj. (Antaŭ la milito la nombro de la naskiĝoj superis la nombron de la mortoj je ĉ. 800,000 jare).

2e La tuta perdo estas kaŭzita de malkresko de la naskiĝoj je 3,5 milionoj kaj de kresko de la mortoj je 2,1 milionoj.

3e La proporcio de la aĝoj kaj seksoj estas tute ŝanĝita. Je 1000 viroj, ekzistas 1086 virinoj anstataŭ 1024 antaŭmilite. En la aĝaj klasoj de 20 ĝis 50 jaroj, la proporcio estas ankoraŭ pli malfavora: je 1155 virinoj ekzistas 1000 viroj.

4e La plej junaj homklasoj, naskitaj de majo 1915 ĝis junio 1919, estas je unu triono aŭ je unu duono malsuperaj al sia nombro dum normala tempo.

5e La civila loĝantaro multe suferis pro ne sufiĉa nutrado kaj trolaborado. La plej malriĉaj klasoj estis la plej severe frapitaj. Mortis 700,000 personoj pli ol unujaraj super la normaltempa cifero.

La broŝuro poste citas la antaŭviditajn, sed ne cifere esprimeblajn efikojn de la milito je la estonta movado de la loĝantaro:

6e La fakto, ke en la fino de februaro restis ankoraŭ pli ol 800,000 militkaptitoj ĉe la malamiko havas influon tre malfavoran rilate la estontan kreskon de la loĝantaro.

7e La grandega perdo de generkapablaj viroj sin sentigos eĉ post la reveno de la normalaj kondiĉoj. Post la milito la cifero de la naskiĝoj restos longe 20 % malsupera je la antaŭmilita.

8e La sanstato de la loĝantaro longe suferos pro la nesufiĉa nutrado kaj trolaborado. La mortoj pro tuberkulozo kreskis je 50 %. Dum longa tempo la mortado estos supera je tiu de la lastaj pacjaroj.

9e Fine, la ekonomiaj malhelpoj, kiuj restos dum kelka tempo, ne estos sen influo je la cifero de la loĝantaro.

La enketo donos verŝajne pli-malpli similajn rezultojn pri la aliaj militintaj nacioj.

∴ **Novaj specoj de asekuro.** La Britaj asekuristoj, ĉiam inteligente serĉantaj novan aplikon de sia entreprenemo, metas je la dispono de la publiko du novajn asekurojn, kiuj ankaŭ interesos la legantojn de „Esperanto". Unu estas la „plena asekuro" por la zorgema familia patro, kiu forlasas sian domon ne gvarditan dum certa periodo, ekzemple dum libertempo. La asekuro rilatas al la enhavo de domoj kun ĉiuj flankaj konstruaĵoj kaj protektas kontraŭ domaĝoj kaŭzataj per fajro, ŝtelo, perforta eniro, strikoj aŭ ribeloj, ventegoj, eksplodoj, tertremoj, rompitaj akvotuboj aŭ hejtotuboj, kaj eĉ per aeroplanoj kaj aerŝipoj. Nur la prezo estas ankaŭ konforma al tiu trankviliga protekto: jare 5 % de la valoro. La dua rilatas al la pluvo. Ĝi ne koncernas la kampulojn, kiel la konata kontraŭhajla asekuro, sed turistojn, hotelojn kaj la organizantojn de festoj. Ekzemple: *a)* oni pagas por unu semajno 15 ŝilingojn kaj ricevas 120 ŝ. se dum pli ol du tagoj estas pluvo, superanta tagan kvanton da 5 milimetroj; *b)* por la samaj 15 ŝ. semajne estas la kondiĉo, ke pluvas pli ol unu tagon, kvanto 3,75 mm. Tiam oni ricevas 15 ŝ. por la dua kaj ĉiuj pliaj tagoj: *c)* asekuro laŭ valoro: Se pro grava pluvo ne povas okazi festo aŭ teatraĵo, oni ricevas la kvinoblon de la pago. Aŭ: kiu faras semajnfinan ekskurson ricevas ĉiutage 5/3 onojn de la pago, se pluvas dum tri sinsekvaj tagoj, k. t. p. Tiu sistemo jam estas multe uzata. Oni diras, ke diversaj urboj en centra Ameriko sin asekuris okaze de teatraj ludoj eksterdomaj. La kontrakto fiksis, ke por ĉiu ludo ne okazigebla pro pluvo la organizantoj ricevu cent mil funtojn. En Kanado oni tiel protektis grandajn aviadistajn manifestadojn. La plej interesa speco estas la turisto, kiu sin asekuras kontraŭ la pluva malplezuro, kaj restoraciistoj, kiuj kovras la riskon de festotagoj, por kiuj ili antaŭvidas multajn gastojn. Estas ja facile taksebla, kiom multe perdiĝas, se kukoj kaj kokinoj, grandamase aĉetitaj por festa dimanĉo, malfreŝiĝas en la kuirejo anstataŭ esti manĝataj de gajaj turistoj. Prudenta restoraciestro volonte oferos iom el la esperata gajno por ne ĉion malgajni. La hoteloj ankaŭ faras kontraktojn, kiuj ebligas malaltigi la fakturon de la gastoj je 20—40 %, se pluvas pli ol du aŭ tri tagojn. La asekura kompanio havas en la ĉefaj lokoj specialajn observistojn, kies indikoj pri la kvanto da pluvo estas ĉiutage notataj en la koncernaj hoteloj. Supozeble la gastoj sekvas tiujn ciferojn kun la sama intereso kiel la ŝipveturantoj diskutas ĉiutage la indikojn pri la faritaj nodoj. Ankaŭ povas esti, ke ĝojas iu aŭ alia gasto, ke dank' al bela pluvo li povas restadi malkare kaj sekve pli longe en luksa hotelo.

 LITERATURO 

# Tre bone

Rakonto de **Risto M. Popoviĉ-Ĉupiĉ**

---

Juna Montenegra verkisto, kun kiu mi konatiĝis dank' al Esperanto, kies fervora pioniro li ankaŭ estas. El la manuskriptoj senditaj al mi antaŭ 1912 en Serba lingvo mi publikigis kelkajn en Bulgaraj revuoj. La nun prezentata al la Esperantista leganto karakteriza rakonto estas de mi prilaborita. *I. H. K.*

Estas bone ĉie havi amikojn kaj konatulojn. Iam min trafis malagrabla surprizo: la veturilo, per kiu mi veturis tra nekonata loko, rompiĝis dum nokto. Mi demandis la veturigiston, kie mi povus halti, kaj li diris al mi, ke malestas rifuĝejo proksime, escepte unu eble — li diris, ke mi iru en la lernejon. Kial do en la lernejon, mi ekpensis, ne konante la instruiston, kaj mi demandis lin, ĉu li scias la nomon de l' instruisto. Ho, kiel multe mi ĝojis, kiam li diris la nomon de mia kamarado jam el la gimnazio. Mi serĉis tuj la lernejon, kaj efektive mi trovis tie mian konatulon. Li akceptis min tre bone kaj amike.

La morgaŭan tagon li aŭdis, ke venos al li la lernejinspektoro. Ĝuste en tiu momento ni sidis ambaŭ sur la seĝoj kaj iom ekzamenis la infanojn. Subite li paliĝis, interrompis la ekzamenadon kaj diris al la infanoj eliri por iom ripozi. Por kaŝi antaŭ mi sian embarason, li komencis sin prepari. Li tuta tremis... Li embarasiĝis kiel muŝo en araneaĵo kaj kuris jen ĉi tien, jen tien. Ĉio, kion li faris, estis malatente farata... Ankoraŭ ne lokinta bone la portreton, li jam komencis dislokigi la benkojn, la seĝojn, la tablojn, pendigi la naturhistoriajn bildojn, purigi la vitrojn, trans kiuj baldaŭ oni nenion povus vidi pro la multa polvo sur ili kolektiĝinta, plenigi la protokolojn.

— La kompatinda instruisto! mi pensis, rigardante lin kun kompato.

— Ne estas ŝerco, mi petas vin, la nova lernejinspektoro... li turnis sin al mi, kvazaŭ li volis diri: mi timas lin! — Mi ne estas sperta... mi eĉ ne konas lin... nek li min... kaj... Kaj li silentis, malferminte la buŝon, kiam li vidis la nefinitan raporton. Sur lia vizaĝo sekiĝis la rideto, kiu kvazaŭ volis eldiri la interrompitan „kaj"...

— Kaj tion ĉi?!... li demandis min kun rigardo malĝoja kaj senespera, haltiginte poste siajn okulojn sur mia vizaĝo.

— Kaj al tio ĉi ankaŭ troviĝos la rimedo!... Promesinte al li, ke mi finos al li tion, li iom trankviliĝis, sed tuj denove fariĝis malgaja.

— Vane!... ĉion ni aranĝis, plenigis... miaj infanoj nenion scias, sed nenion; kaj kial kaŝi antaŭ vi? li diris tre kredeme.

— Pri nenio mi instruis ilin — mi diras al vi sincere!...

— Kaj kion ili scias plej multe? mi demandis lin amike.

— Nenion... kaj en Serba lingvo ili plej multe estas...

— Hm!... mi ne kredas!... mi ekpensis.

— Kaj kion ja scios ili, kiam ne scias mi, ilia instruisto. Kion mi instruis al ili!...

Serioze, kie vi daŭrigis, post kiam ni disiĝis, viajn studojn kaj pri kio? Mi rememoras, ke vi malsukcesis ĉe la ekzameno je kelkaj sciencoj kaj forlasis la lernejon.

— Mi vagis tra la mondo „tagon pasigi, panon manĝi" kiel oni diras. Mi nenion plu lernis, mi nur iom vizitis ian vesperan lernejon tie! — kaj li etendis la manon al Danubo.

— Sed kiel oni akceptis vin tie ĉi kiel instruiston sen atesto?

— Nu, kiel... li komencis embarasite kaj daŭrigis: — he, frato mia, io tia, io alia (ĉe tiuj vortoj li jen mallevis sian ŝultron, kvazaŭ li portis ion sur ĝi, jen movis siajn fingrojn, kvazaŭ li kalkulis monon). La malnova inspektoro, Dio lin pardonu,[1] kredu al mi, faris al ni bonon... sed ankaŭ mi al li... vi scias... tion ĉi... tion... nu ni povis sukcesi. Kaj la nova? pri li ne demandu min. Oni diras, mi ne rememoras kion ne pri li, ke li estas freneze severa, ĝis la plej malgrandaj detaloj estas ekzamenate, observate, rigardate; vere, mi diris al la infanoj, pri kio demandos ĉiun el ili, sed vane estas — li konjektos. Instruita estas — oni diras — tiu sinjoro kaj diligenta. Kaduka li estas kaj tiel malgrasa kiel mi ne scias kio, de zorgoj kaj pensoj; li ne dormas eĉ duonnokton, ĉiam laboras, tiel mi aŭdis. Kaj la infanoj embarasiĝos kaj nenion scios — jen, ankaŭ mi mem embarasiĝis, kaj li donos pri mi malbonan ateston, kaj poste: adiaŭ, mia beleta salajro! — Ĉe la lastaj vortoj li metis sian dekstran manon sur la okulojn kaj tiel restis senmova apud la tablo. En la sama tempo al la pordo de la ĉambro, kie ni estis, alkuris du-tri lernantoj kriante timigite: „Jen li, la sinjoro venas!"

— Vere li venas, mi diris, ekrigardinte la instruiston, kiu paliĝis, kvazaŭ iu verŝis sur lin bolantan akvon.

La inspektoro estis antaŭ ni. Liaj sufiĉe dikaj vangoj estis ruĝiĝintaj pro la varmeco, kaj sur ili aperis roseto elirinta pro laceco kaj vojaĝo. Lia marŝo estis tre malrapida, ĉar liaj piedoj estis sufiĉe ŝarĝitaj de lia mallonga sed tre dika korpo, kiu, por povi tiel grasiĝi, estis devinta pasigi kvardek jarojn kaj akcepti multe da manĝaĵoj kaj trinkaĵoj kaj krom tio tre dolĉe kaj longe dormi.

Laŭ ekstera fizionomio, li apenaŭ ŝajnis esti iom zorgema kaj inklina al iaj pensoj, kiuj malgrasigus la homon. Entute li aspektis indiferenta.

Post la kutima saluto ni eniris en la lernoĉambron. Li sidiĝis sur lignan kaj diskojnitan apogseĝon, kiu, ĉe ĉiu lia movo, krakis sub la nova ŝarĝo.

Unue li viŝis la ŝviton de sia vizaĝo, poste delikate gladis siajn longajn vangharojn, tordis siajn lipharojn kvazaŭ du boriloj, purigis siajn lipharojn kaj levis la okulojn, malfermis ilin iom pli ol kutime, tiam enspiris, elkraĉis, fermis la buŝon, leketinte ĝin per la randeto de sia lango, kvazaŭ serpento el la truo, lokis la piedojn, apogis sin kaj prenis la pozon de vera kaj severa inspektoro.

— Nu, komencu, mi petas!... li apenaŭ diris al la instruisto, kiu nur spiris per okuloj, kvazaŭ li pikis ilin per urtiko.

— Bonvolu sidiĝi!... li aldonis al mi, montrante, ke mi sidiĝu apud li. Tiel ja mi faris.

— Kiel ni devas krucsigni? krucsigni!... komencis demandi la instruisto, krucsignante mem. La infanoj respondis, ripetante ĉiam kun kantanta voĉo: „Krucsigni ni devas..." Tiel ankaŭ ĉiuj ceteraj demandoj kaj respondoj sekvis en la sama vico kaj tono, kvazaŭ oni aŭdas iun malnovan ventmuelilon, kiam ĝi krakas.

Mi ekrigardis dolĉe la inspektoron; li ŝajnigis kvazaŭ li ĉion ĉi tion aŭdas kaj trastudas, sed en realeco, kiam mi iom pli bone ekrigardis en liajn okulojn, mi certiĝis, ke malmulte lin interesas tiel la respondoj kiel la demandoj; kvazaŭ pri io alia li pensas, kaj tiu ĉi mia certiĝo estis subtenita de la sekvanta demando:

— Ni, ha jes, kaj vi restis sen ministro de l' instruado!... li turnis sin al mi per mallaŭta voĉo. — Bona li estis, Dio lin pardonu!...

— Dio lin pardonu!... mi ripetis kaj tuj divenis la enigmon, t. e. pri kio pensis la inspektoro.

— Kaj kion vi pensas pri tio, mi vin petas?...

— Mi... prave... jes, tiel mi komencis intence kun esplorrigardo.

— Jes, jes, oni devas trovi forton. La lernejo, la instruado ne devas lami; ĉiuj progresaj ŝtatoj havas kaj metas la plej instruitan, la plej fieran personon ĉe la fronto de la lernejoj.

— Ĝi, vere, tiel estas... fine oni ne povas sen ministro, se ni volas marŝi kun la kulturaj popoloj. Vidinte, ke ni nin donis al babilado, la instruisto kuraĝiĝis kaj ekmoviĝis dekstren kaj maldekstren. Mi streĉis unu el miaj oreloj al li, kaj mi aŭdas senĉese, ke kion ne povis la lernantoj al si reciproke subdiri, tion la instruisto sufloris al ili, la infanoj murmuris, babilis, grimacis, la instruisto kriis — kion oni ja ne faris? — tuta ĥaoso!...

[1] Kutima diro en Oriento, kiam oni parolas pri mortinto.

— Vi konas nian ĉirkaŭaĵon, nian intelektularon, niajn aktivajn fortojn, kaj kion vi opinias... Kiu konvenus por tiu peza kaj granda ofico? aldonis la inspektoro, kredeme, turninte sin kun la vizaĝo rekte al mi, kiam li vidis, ke tiu ĉi afero ĉiam pli interesas min. — Ha, mi vin petas!...

— Jes, kiel vi estas multaj instruitaj, junaj kaj kapablaj!...

— Rigardante de unu flanko estas multaj, sed se ni rigardas la speciale kapablajn por tiu ofico, malmultaj ni estas!

Ĉe tio mia rigardo hazarde falis sur la instruiston, kiu kun bezonanta kaj petanta rigardo min petis daŭrigi la interparolon kun la nova inspektoro, kaj mi promesis al li.

Tia bruo estis jam leviĝinta de la infanoj, ke ni ambaŭ devis paroli pli laŭte, por ke ni povu kompreni unu la alian. La inspektoro estis preta forgesi instruiston kaj lernantojn. Ekscitita de mia propono li komencis dikti kiel iu juĝisto, por min certigi pri ĉio ĉi tio, kvazaŭ ĝi ne estis la komenco de lia demando.

— Ĉar ni jam komencis paroli pri tio — mi reprenis kun aparta intereso — mi anoncu al vi la jenan proponon, kiu mi opinias, estus tre ĝustaloka, konvena, bona kaj bela...

— Ni aŭdu, mi petas! kaj parolu trankvile, la domo estas kovrita! — li diris avide kaj scivoleme.

— Ĝi, mi parolas tion... estus tre bone dum vlaj ĉirkaŭiroj, ekzamenante la lernejojn, ligi interparolon kun la instruistoj, la pastroj kaj aliaj inteligentaj personoj kaj aŭdi ilian opinion... ĉu plaĉas al vi tiu ĉi komenco?

— Jes, mirinda, kaj kion pluan?

— Mi petas, jen kio: ke ĉiuj, kiujn mi antaŭ nelonge nomis, donu sian opinion kaj sian subskribon: kiun ili dezirus kaj volus kiel ministron de la instruado, kaj vi alportu ĝin kien decas!...

— Tre bone, belege! li ekĝojis.

— Kaj kiun vi ekzemple nomus; nu, ni komencu efektivigi vian proponon. Tiujn ĉi vortojn la inspektoro elparolis kun tia entuziasmo, ke nur tiu, kiu ne havas okulojn, ne divenus, kion li pensis kaj kion li diris per tiu ĉi demando.

— Mi... verdire... v—in... En la sama minuto la instruisto diris laŭte al la infanoj, ke la ekzameno finiĝis tiun ĉi jaron, kaj „kiel vi montris vin kaj kia estos via sukceso, tion ĉi taksos sinjoro inspektoro."

— „Tre bone!" elkriis la inspektoro laŭtvoĉe. Kaj ni triope nin ekrigardis kun miro: la instruisto miras kiel li akiris „tre bone", la inspektoro kiel li estas nomita ministro (de mi), kaj mi kiel lerte helpis al mia amiko por akiri „tre bone".

El la aŭtora manuskripto trad.:
*Iv. H. Krestanov.*

# Sinjoro Tadeo

de **Adam Mickiewicz**

El la bela traduko de la Pola epopeo, kiun faris nia malnova kaj senlaca samideano Antoni Grabowski, kaj pri kiu ni raportas en alia parto de tiu ĉi N-ro, ni eltiras la subajn versojn, komence de la libro XI-a. Ili priskribas la aŭgurajojn de la printempo 1812, kiam la Napoleonaj armeoj marŝas tra Polio kontraŭ Rusio, kaj la tuta popolo esperplene atendas de ili la liberigon de sia dismembrigita lando.

*Jaro! kiu vin vidis sur litva kamparo!*
*Ĝis nun popol' vin nomas bonrikolta jaro,*
*Kaj soldatoj milita; ĝis nun la maljunaj*
*Pri vi babilas; kantoj vin gloras eĉ nunaj.*
*Delonge vi mirakle estis anoncita*
*Inter popol', de fluga famo, antaŭita.*
*Printempa suno naskis en litvana koro*
*Mir-antaŭsenton, kvazaŭ de mondfina horo;*
*Ĉiuj atendis ion sopire kaj ĝoje.*

*Brutaro, elpelita for, unuafoje*
*Printempe, kvankam estis malgrasa, malsata*
*Ne kuris al paŝtejo, jam herbe-kovrata,*
*Sed kuŝiĝis sur kampo, la kapojn klinadis,*
*Muĝis, aŭ sian vintran nutrajon maĉadis.*

*Kampuloj la plugilojn por semado tiris,*
*Sed ne ĝojis, ke longa vintro jam foriris,*
*Ne kantis; diligente ili ne laboras,*
*Semadon kaj rikolton kvazaŭ ne memoras;*
*Ili haltigas bovojn, ĉevalon erpilan,*
*Al okcident' rigardon turnas maltrankvilan,*
*Kvazaŭ tie miraklon atendus proksime,*
*Kaj revenantajn birdojn observas kortime.*

*Jam al hejmo alflugis cikoni' unua,*
*Etendis blank-standardon de printempo frua;*
*Poste venis kriemaj aroj de hirundoj,*
*Kiuj, kolektiĝante super akvaj grundoj,*
*Prenas por nestoj koton el rigida tero.*
*En arbustar' skolopo flustras dum vespero.*
*Super arbaro flugas anseroj serie,*
*Kaj lace, por nutrajo, defalas laŭtkrie.*
*Sur ĉielo malhela gruoj krias ĝeme;*
*Nokt-gardistoj, aŭdante, demandas timeme:*
*Kion, en birdoj-regno, la konfuzo celas?*
*Kia ventego ilin tiel frue pelas?*

*Jen novaj aroj: kvazaŭ piroloj, sturnetoj,*
*Aro da helkoloraj plumtufoj, flagetoj,*
*Ekbrilis sur altajoj, falas sur kamparo:*
*Rajdistar'! Strangaj vestoj, fremda armilaro!*
*La regimentoj marŝas: kvazaŭ neĝ' fandita,*
*Fluas sur voj' vicaro, la fere forĝita;*
*El arbar' nigras ĉapoj, bajonetoj brilas,*
*Infanterio svarmas, formikar'-similas.*

*Ĉiuj al nordo! Kvazaŭ, el sudlando varma,*
*Irus al ni, post birdoj, la popolo svarma,*
*Al fort' nerezistebla, instinkta, cedante.*

*Ĉevaloj, homoj, agloj, tag-nokte, konstante,*
*Fluas; ĉielo flamas, ie bruloj ruĝas,*
*Tero tremas, kaj flanke fulmotondroj muĝas.*

— — — — — — — — — —

*Batal'!... Kie? demandas junuloj, kaptante*
*Armilojn; manojn levas virinoj, preĝante;*
*Ĉiuj esperas venkon; sonas larma krio:*
*Nin gvidas Napoleon! kun li estas Dio!*

*Printempo! kiu vidis vin sur la kamparo!*
*Memorinda printempo, de l' milita jaro!*
*Printempo, kiu vidis vin tiel florantan*
*Per la grenoj kaj herboj, per homoj brilantan,*
*Event-plenan, gravedan de l' esper' ĉiela!*
*Mi vin ankoraŭ vidas, sonĝ-vidajo bela!...*
*Mi, naskita sub jugo, vindita en fero,*
*Havis nur unu tian printempon sur tero.*

Trad.: *Antoni Grabowski.*

# *Al niaj abonantoj*

*La personoj, kiuj estas informitaj pri la finiĝo de sia abono, estas petataj sendi al ni la reabonpagon kiel eble plej baldaŭ por eviti ĉiun prokraston en la ekspedado de la gazeto.*

# Pri la situacio de UEA

Kiel ni jam konstatis en diversaj raportoj, la financa situacio de UEA grave malboniĝis pro la milito. Ankoraŭ pli malfacila estas la nuna postmilita epoko, dum kiu la antaŭa ampleksa laboro devas esti reprenata, kvankam restas parto de la militaj malhelpoj kaj ĉefe la plialtiĝo de ĉiuj prezoj. Ĉar ne plu estas ebla la ŝparo, kiu nin savis dummilite, rimedoj por la funkciigo de UEA en la novaj cirkonstancoj nepre devas esti trovataj.

Dum la militjaroj subtenis nin morale la konvinko, ke ni laboras por ideo inda je ĉiuj oferoj, kaj rilate la rimedojn, ni tiom ŝparis, ke ni sukcesis funkciigi la Oficejon, eĉ ne farante multajn ŝuldojn. Helpis nin la kredito de la Garantia Kapitalo kaj okaze kelkaj favoraj cirkonstancoj, sed la ĉefan dankon ni ŝuldas al la malgranda aro de subtenantoj kaj membroj, kiuj restis al ni fidelaj dum tiu epoko same malfacila por ili kiel por ni. Ni povus citi ekzemplojn de personoj, kiuj regule skribis kaj sendis la kotizajon, kie ajn ili estis, eĉ el la tranŝeoj — fideluloj profunde konsciaj pri la graveco de UEA, kies ofero malsimilas al la procedo de aliaj estintaj membroj, kiuj forlasis nin de kiam la jarlibro kaj la servoj ne plu estis livereblaj. Tamen ni ne forgesu, ke al parto de tiuj membroj mankis la kutima facileco rilati kun ni kaj ke iom post iom ili revenas. Havinte 1958 membrojn je la militfino, ni havas nuntempe, la 31 julio, 2650; sekve, ni povas konstati progreson de preskaŭ 700. Malhelpoj nur malrapide forirantaj estas la diferenco de la monkurzoj, kiu igas la pagon alta por la loĝantoj de la orient-europaj landoj, la cenzuro, kiu haltigas la eniron de nia oficiala organo ĉe kelkaj landlimoj, kaj ĉefe la daŭra neebleco rilati kun Rusio, kie nia Asocio havis antaŭ la milito pli ol mil membrojn.

Ĉar ĉie revekiĝas la Esperantista vivo, la kondiĉoj por la ekzisto de UEA ne estas malfavoraj. Sed ni devas havi la kuraĝon adapti ĝustatempe, tio estas nun, nian administradon al la novaj bezonoj kaj ripari la domaĝojn kaŭzitajn de la milito.

La ĉefa diferenco inter la antaŭmilita kaj la nuna situacio estas la grava perdo de membroj, 7233 dum 1914 kontraŭ la nunaj 2650, kaj la plikariĝo de la vivo. Vigla varbado povos iom post iom forigi la unuan difekton; rilate la plikariĝon ni devas aŭ nin aranĝi laŭ la postuloj de la tempo aŭ ĉesigi la tutan Asocion; meza vojo ne ekzistas. Pri tiu plej grava temo ni ne bezonas multe diri, ĉar ĉiu ĝin sufiĉe konas el privataj neagrablaj spertoj. En nia lando tiu plikariĝo estas taksata je 150 %, tiel ke por ricevi la samon kiel antaŭe ni devus altigi la kotizajon de la ĝisnunaj 2. 50 Fr. al 6. 25. Tion ni ne intencas. Se ni do fiksis la necesan minimumon je 5 Fr., ni petas ne plendi, kvankam eĉ tiu cifero ŝajnas alta.

Jam la tria plialtiĝo dum la dek jaroj de la ekzisto de UEA? Kiu tiel demandas, bonvolu konsideri la zorgoplenan historion de nia Asocio, kiu, kreita por bezonoj tute novaj, de personoj demokratemaj kaj neriĉaj, postulis ĉiam nur minimumajn oferojn kaj sekve ne estas tiel rezistforta kiel iu societo de bienposedantoj.

En 1909, post la unua jaro de ekzisto, oni konvinkiĝis, ke la tiama kotizajo de 90 centimoj apenaŭ sufiĉis por la poŝtelspezoj, kaj fiksis la duan kotizajon je 1. 25 Fr. kun senpaga Jarlibro. Jam post du jaroj montriĝis, ke tiu sumo, rezultato de kompromiso, nin kondukis pli proksimen al bankroto ol tiam konsciis la membroj. Estis la konstato de la tiama grava deficito da 5000 Fr., kiu igis la raportinton proponi la tiel nomitan financan reformon, kiu la unuan fojon starigis nian Asocion sur tauga bazo. La kotizajo estis fiksita je 2. 50 Fr., kaj oni kreis la Garantian Kapitalon, kiu nin savis pagante la nomitan gravan ŝuldon. De novembro 1912 ĝis hodiaŭ, la kotizajo restis la sama. La bilancoj de la prospera periodo 1912—14 pruvas, ke ni estis ĝuste kalkulintaj, tiel ke sen la milito UEA estus nun en favora situacio. Okaze de tiu reformo, personoj estis antaŭvidintaj gravan malsukceson, dirante, ke la duobligo de 1. 25 Fr. al 2. 50 Fr. forigos multajn membrojn, igos UEA malpli populara, ke la Garantia Kapitalo ne estos trovebla, k. t. p. Feliĉe neniu el tiuj antaŭvidoj realiĝis. Ke ĉi tiun fojon simila procedo ne havigos kelkajn malagrablajn sekvojn, tion ni ne volas aserti, sed almenaŭ montriĝis, ke tiaj gravaj ŝanĝoj, se ili estas laŭtempaj kaj necesaj, povas esti bonkonscience riskataj. Cetere la nuna situacio estas tia, ke ne restas al ni alia ebleco.

Kiam komencis montriĝi la bonaj sekvoj de la financa reformo, eksplodis la milito, per kiu ĉiu espero je plia disvolviĝo konforme al la antaŭaj kondiĉoj estis detruata. Rapide malkreskis la membraro, sekve la enspezoj, tiel ke nur kun gravaj zorgoj kaj per ŝparado ĝis la limoj de ebleco, la funkciado de la C. O. povis esti daŭrigata. Dum la du lastaj militjaroj UEA havis nur unu oficiston, kiu en la sola hejtata kaj ne ludonita ĉambro reprezentis la estintan gloron de la Asocio.

Post la militĉeso tia malgrandigita administrado ne povis esti daŭrigata. Tuj la korespondaĵoj plimultiĝis, eldonado de adresaro fariĝis necesa, la laboro rapide rekreskis. Ni konsideris nian devon tuj kiam eble rekunigi la interrompitajn rilatojn kaj, donante mem la bonan ekzemplon, instigi la Esperantistojn al nova agado.

La nunaj kaj la estontaj bezonoj, kiel ni taksas ilin, enhavas nur la plej necesajn elspezojn por la kutima administrado: unu sekretario prizorganta la preskaŭ tutan oficejan korespondadon kaj la administradon de la gazeto, unu kasisto por la monaferoj, la kontrolo de la membroj, delegitoj, abonantoj, k. t. p. kaj helpoficisto por la multspecaj ekspedoj kaj flankaj laboroj. Kun tiuj tri personoj, sub la gvidado de Direktoro, kiu senpage laboras, ni apenaŭ povas korekte administri la Asocion, sed estas nek nia deziro, nek la intencoj de la fondintoj de UEA, ke ĝi kvazaŭ ekzistu por si mem. Ni opinias, ke krom la elekto de la Delegitoj, la publikigo de la Jarlibro kaj la aranĝo de la servoj, UEA havas la taskon internacie disvastigi nian lingvon. Ni devus havi la eblecon interesi al nia lingvo eminentulojn, gravajn societojn, kongresojn. Amaso da propagandiloj devus esti je nia dispono, kaj nepre ni devus havi sufiĉe da tempo kaj da oficista laborforto por atentigi la internaciemulojn dum la favoraj okazoj. Estas inde nek je la celo de UEA nek je la bonvolo de ĝiaj direktantoj, ke la tutan jaron oni estas ligata je sia skribotablo por administraj aferoj dum per okazaj vojaĝoj, vizitoj de kongresoj, paroladoj, k. t. p. oni povus fari laboron pli utilan por Esperantismo. Por tio oni bezonas pliajn oficistojn, sekve monon.

Pli konvinkaj ol ĉiuj vortoj estas la ciferoj de tiu jaro. Jen la stato de la konto Administrado je la 31 julio 1919:

| *Enspezoj* | Fr. | *Elspezoj* | Fr. |
|---|---|---|---|
| 2314 membroj . . . | 4490.70 | Oficejo . . . . . . | 1057.37 |
| 169 Subtenantoj . . | 787.95 | Salajroj . . . . . . | 5707.— |
| 47 Esp. Entreprenoj | 346.61 | Korespondado . . . | 906.50 |
| | | Materialo . . . . . | 259.30 |
| | | Presajoj . . . . . | 830.— |
| | | Abonoj por Entreprenoj | 208.— |
| | 5625.26 | Administraj elspezoj . | 27.90 |
| Deficito | 3620.81 | Poŝtelspezoj Adresaro . | 250.— |
| | 9246.07 | | 9246.07 |

Ĝis la 31 oktobro 1919, fino de la asocia jaro, ni devas antaŭvidi deficiton de pli ol 8000 Fr., nome la ĝisnunaj 3620. 81 Fr., 3000 Fr. por la tri restantaj monatoj, kutime preskaŭ senenspezaj, 1250 Fr. por la preskostoj de la Adresaro kaj 500 Fr. por diversaj fakturoj. La translokiĝo de la Oficejo ne estas en tiu kalkulo, ĉar ĝi povis esti plejparte pagata per la konto perdo-gajno el flankaj enspezoj, ĉefe donacoj. Ni altiras la atenton al la tabelo de la elspezoj, kie okulen saltas la ĝis nun elspezitaj 5707 Fr. por salajroj. Por 1920 ni antaŭvidas por sekretario kaj por kasisto po 4000 Fr.,

por helpoficisto 3000 Fr., sume 11,000 Fr., kaj por laŭeble dungota propaganda oficisto pliaj 4000 Fr., entute 15,000 Fr. Nuntempe 4000 Fr. estas en Svisio la salajro en la pli multaj urboj pagata por laboristoj de tute malsupera grado, tiel ke eĉ tiu sumo, gravega por nia kaso, ne sufiĉus, se ni ne povus kalkuli je la granda sindonemo de niaj oficistoj.

Entute la nuna problemo estas problemo de salajroj. Ĉar ili pli ol duobliĝis, duobligo de la enspezoj estas ne nur necesaĵo, sed honora devo de UEA, kiu ne ekspluatu siajn oficistojn. La havigo de pliaj flankaj enspezoj estis zorge studata. Ili ne estas eblaj, tiel ĉar mankas al la oficejo la tempo okupiĝi pri aliaj aferoj, kiel ĉar la okaze haveblaj rimedoj ne plibonigus notinde la situacion. Koncerne la ŝparojn ni petas konsideri la minimumecon de la supraj elspezoj. Restas la Garantia Kapitalo. Ĝi jam pagis 5000 Fr. da ŝuldoj en 1913, tiel ke la nunaj interezoj apenaŭ sufiĉas por pagi la gazeton, kiun ni sendas al la garantiantoj. Cetere, se pro malakcepto de la nuna propono, ni devus fermi la Oficejon la G. K. ree funkcius pagante la likvidadon. Estus do nesaĝe ektuŝi nuntempe la solan havaĵon, kiu nin protektas kontraŭ bankrotiĝo. Oni ankaŭ ne forgesu, ke la G. K. estas responda por administraj ŝuldoj nur ĝis la duono de sia valoro; la alian duonon la garantiantoj rajtas repreni, ĉar ĝi estis kolektita ĉefe por subteni novajn celadojn, ne por pagi la kutimajn bezonojn. Fine, oni demandos, ĉu UEA ne povus favorigi al si kelkajn riĉulojn. Tio, kvankam tre malfacila, ne estas tute neebla, sed eventualaj monhelpantoj devas ricevi la impreson, ke UEA estas afero grava kaj alte ŝatata de la Esperantistoj; aliflanke ni por tio devus havi sufiĉan tempon por ĉeesti kongresojn, fari vizitojn, k. t. p. Supozeble realiĝos ankaŭ tie la sentenco, ke ricevos, kiu havas. UEA, forte subtenata de siaj membroj, trovos simpatiojn. Se la membroj mem dubas pri ĝia utileco, fremdulo estus malsprita, interesiĝante pri ĝi. Cetere ni volonte uzas la permeson malkaŝi, ke unu bonfaranto estas trovita aŭ, pli korekte, jam funkcias, pruntedoninte gravan monsumon. Ni scias, ke li estas preta donaci ĉi tiun kaj pliajn, kondiĉe ke li vidu ankaŭ la bonvolon de la membroj inde subteni la Asocion.

La proponita suba tabelo de kotizaĵoj enhavas kombinon inter la gazetabono kaj la membreco, konforme al la deziro de multaj membroj kaj abonantoj. Kiel oni scias, „Esperanto" estas la privata posedaĵo de nia Prezidanto, kiu ĉiam metis ĝin je la dispono de nia Asocio. Sen ĝi ni devus elspezi multe da mono por la oficialaj publikigoj aŭ eĉ fondi je nia risko propran gazeton. Dum la milito, kiam UEA riskis perdi la kontakton kun siaj membroj, „Esperanto" estis kvazaŭ la dorsa spino de la Esperanta ideo. Ĝi ebligis kunteni parton de niaj membroj, komuniki kun la vigluloj kaj subteni la kuraĝon de la multaj, kiuj timis pereon de la internacia Esperantista solidareco. La reciprokaj servoj de UEA, t. e. la prizorgo de la gazetadministrado, estas do bone kompensataj. Komprenehle la ĝenerala plikariĝo atingis „Esperanto" same kiel UEA. Povinta apenaŭ ekzisti antaŭ la milito, ĝi nun tre suferas pro la granda plialtiĝo de la paper- kaj preskostoj kaj la neebleco esti sendata al kelkaj landoj. Se oni komparas la novan tute ne riĉigan prezon kun la multspeca enhavo, oni devas konfesi, ke ĝi restas unu el la plej akirindaj Esperantaj gazetoj. La simileco de „Esperanto" kun UEA ankaŭ etendiĝas je la salajro de la redaktoro-eldonanto, kiu ne nur senpage laboras, sed eĉ riskas deficitojn por la sola espero progresigi nian karan lingvon. Tion ni ne dirus, se el la manieroj de diversaj korespondantoj ne vidiĝus la opinio, ke ni estas dungitaj skribistoj.

Iuj eble kredos, ke post mallonga tempo la plimultiĝo de la membroj kaj abonantoj malnecesigus la de ni petitan oferon. La ideo, ke per pogranda laboro oni povas administri pli malkare jam haltigis la reformon inter 1911—1913, havigінte al UEA 5000 Fr. da ŝuldoj. Nuntempe, kiam ni laboras per grandaj ciferoj, la sama kalkuleraro povus kosti ankoraŭ pli grandan sumon. Granda nombro de membroj kun nesufiĉa kotizaĵo neniam kaj neniel povas ekzistigi UEA. Jam siatempe kontraŭbatalinte tiun opinion, la skribanto ree atentigas, ke la Oficejo laborante „pogrande" ne povas proporcie funkcii malpli koste. La kontrolo de ĉiu membro bezonas certan labortempon, ĉiu plia jarlibro, koverto, k. t. p. kostas kaj ne estas notinde pli malkaraj, ĉu ni mendas kvin aŭ dek mil. La multeco de membroj ankaŭ postulas pli kompletajn kontrolsistemojn, pli grandan korespondadon, k. t. p. Por ke oni ne revenu kun tia belaspekta falskonkludo, ni rememorigas la simplan veron, ke kiu perdas vendante dek pecojn ne gajnos vendante mil. Pro la tre alta prezo de papero, estas simile pri la gazeto. Kompreneble, se ni povus labori por kelkaj dekmiloj, denove ŝanĝiĝus la kalkuloj je nia favoro per uzo de teknikaj procedoj, kiuj nun ne estas prikonsidereblaj. Ni scias, ke iom pli estas enspezebla el anoncoj kaj komercaj klopodoj, sed tiuj sumoj helpu pagi la deziratan novan oficiston, por kiu la nova kotizaĵo ankoraŭ ne sufiĉos.

Konsiderante, ke pro la granda plialtiĝo de la vivkostoj UEA ne plu povas ekzisti kun siaj nunaj enspezoj, ke aliaj rimedoj ol la pligrandigo de la ĉefa enspezo, t. e. de la kotizaĵo, nek daŭre helpos, nek povos eĉ fermi la nunan truon en la kaso, ni rekomendas al la Delegitoj akcepti la jenan tabelon de la kotizaĵoj (en frankoj, svisa valoro):

| Kategorio | Sumo | Delegito | Centra oficejo | El kiuj: por UEA | por „Esperanto" |
|---|---|---|---|---|---|
| Membro . . . . . | *5.—* | *0.50* | *4.50* | 4.50 | — |
| Abonanto . . . . | *10.—* | — | *10.—* | — | 10.— |
| Membro kun abono . | *12.50* | *1.25* | *11.25* | 4.— | 7.25 |
| Subtenanto kun abono | *25.—* | *2.50* | *22.50* | 12.50 | 10.— |
| Dumviva membro . . (kun abono) | *300.—* | *30.—* | *270.—* | — | — |

Klopodinte trovi sistemon, kiu faciligos la samtempan pagon de kotizaĵo kaj abono, ni kreis la kombinon po 12.50 Fr. Ĉar la pli granda parto de niaj membroj estas samtempe abonantoj, tiu kombino estos sendube ŝatata. Danke ni atentigas, ke por tiu celo la eldonisto de „Esperanto" faras al ni tre favoran prezon. Ne volante havi komplikan sistemon, ni kunigis la abonon al la kotizaĵo de la Subtenantoj. Preskaŭ ĉiuj Subtenantoj jam estas abonantoj; okazas do nenia perforto. Ĉe ili kiel rilate la Garantian Kapitalon, la prezo estis notinde plialtigata, por ke la intencata helpo ankaŭ fariĝu efika. La nuna malalta prezo por dumviva membreco ĝuste sufiĉis pagi ĉiujare abonon kaj kotizaĵon; por la pli vastaj celoj, kiujn la dumvivaj membroj kredis subteni per sia pagado, restis fakte nenio. Per tiu ŝanĝo la ĝisnunaj dumvivaj membroj ŝajnas esti favorataj. Oni ne forgesu, ke la pli multaj el ili alkuris helpi UEA en kriza momento, portante sufiĉan riskon kaj pagante laŭ la antaŭmilitaj vivkondiĉoj.

Delegitoj eble konstatos kun bedaŭro, ke ilia rabato estas nur 10%, sed verdire ne restis al ni alia solvo havigi la necesan sumon al UEA, ne postulante tro multe de la membroj. Ni kredas, ke en la praktiko la enspezoj de la Delegitoj favore disvolviĝos, ĉar ĉiu izola sumo estas notinde pli alta ol nun; tiel la pli granda peno por la varbado estos rekompencata. Per la kombina sistemo, ili profitos el la pagoj al „Esperanto"; plie ili ricevos 30 Fr. po ĉiu dumviva membro. Tiuj sumoj sufiĉas por ke, en specialaj cirkonstancoj, la Delegitoj povu krei inter si kason por laŭprovinca aŭ laŭlanda propagando.

La kotizaĵon de la Esperantiaj Entreprenoj ni ne voĉdonigos, ĉar estas preferinde, ke ĝin fiksu la Komitato, konsiderante la servojn al ili fareblajn. Ni proponos 12.50 Fr. por komerca entrepreno, el kiuj 20% por la Delegito, same kiel pri la anoncoj en la Jarlibro. Ĉar la ĝisnunaj kotizaĵoj de la Esperantistaj grupoj nek havigis notindajn enspezojn, nek ebligis la publikigon de iom kompleta listo, ni preferas rezigni tiun sistemon kaj presigi senpage en la Jarlibro ĉiujn grupojn, indikatajn de la Delegitoj.

El la tuta afero plej malagrablaj estas la kurzdiferencoj, pro kiuj la membroj en diversaj grandaj landoj devos pagi relative altan sumon. Por parto el ili, la proporcia plialtiĝo de iliaj privataj enspezoj igos tiun elspezon malpli grava ol ĝi ŝajnas. Rilate al la aliaj UEA faros la eblon por faciligi la pagojn per malfermo de bankaj kontoj en iliaj landoj, favora takso de la fremda mono, k. t. p. La eblan

perdon de membroj, kies ekonomiaj kondiĉoj ne permesos tiun elspezon, ni tre bedaŭrus, sed ili mem konsentos, ke estus nesaĝe ĉesigi la tutan agadon de UEA, nur ĉar kelkaj ne plu povas partopreni. Kiel dirite, pliaj enspezoj estas por ni problemo pri ekzisto aŭ morto.

* * *

Ni scias, kiel malplezurigaj estas niaj proponoj, kiel la malfavoraj ekonomiaj cirkonstancoj pezas sur la homaro kaj kiom disvastigata estas inter la Esperantistoj la opinio, ke UEA venas post la grupo kaj nacia societo, do kontentiĝu kun la restoj. Rezisto, aŭ proponoj, kiuj per duonsolvoj nur daŭrigus la nunan mizeron, estis antaŭvidataj. Sekve estis nia devo detale klarigi la situacion, kia ĝi estas. Ne per spekuloj aŭ malbona agado ĝi kreiĝis, kaj ni ankaŭ ne uzas la tentan okazon peti pli ol la nepre necesan sumon. Ni alcelas nur la honestan ekziston de nia Asocio: laboro efika, justa pago de la oficistoj kaj senŝuldeco. Se tio ne estas atingebla, tiam ni fermu ĝustatempe la pordon, por lasi al la Esperantistaro la nemakulitan memoron pri bela entrepreno de ili ne komprenata. Al la Delegitoj nun apartenas la decido. Ĝis la lasta momento ni persone ne ĉesos esperi, ĉar espero je la progreso estas la granda forto, kiu igas la vivon vivinda.

*Ed. Stettler,*
Direktoro de UEA.

La voĉdonado okazos dum oktobro. Kiel oni vidas el la Oficiala Informilo, rajtos partopreni ĉiuj Delegitoj elektitaj ĝis majo 1919.

---

# *Inter ni*

*Varsovio, julio 1919.*

*Jen la malplena brakseĝo en laborĉambro de nia plorata Majstro. Jen lia skribotablo kun lastatempaj notoj, jetitaj sur paperon per tremanta mano. Ĉion ame konservas lia fidela vidvino. Ankaŭ ŝi, same kiel la kuŝanta pâgo nefinita, atestas pri tio, kio lin okupis ĝis lasta momento: la interna ideo de Esperantismo.*

*En tiu sanktejo vivadis homo pura, homo servema, kiu ĉiutage zorge flegadis okulojn de malriĉaj Hebreoj kaj, post la plenumo de sia devo profesia, revenis al la celo de tuta sia pensado: ke homoj altiĝu super diferencoj naciaj kaj religiaj, ke ĉi tiujn ili ne plu akrigu per blinda netoleremo, sed, ke ili kontraŭe serĉadu zorge ĉion, kio povas unuigi: ke ili ekkomprenu fine ĉiun patriotismon kiel amon je parto el tutmondo, ĉiun religion kiel fidon je parto el plena vero, kaj tial respektu ceterajn krom sia por kunlaboradi sur komuna fundamento homara.*

*Sur la muroj jen fotografaĵoj el kongresoj, jen la tuta Esperanta libraro sur bretoj ĉie plenŝarĝitaj, ĉe fenestro jen la kuracistaj instrumentoj, en ŝranko jen la kajeroj de lingvaj projektoj jam de 1881 ... ĉio premas la koron per emocio nerezistebla, sed ĉefa sento estas jena: En tiu laborĉambro, el tiuj paperoj kaj memoraĵoj iel regas super ĉio impresanta atmosfero de vera grandeco. Tie vivadis entute granda homo, granda per genio, sed ankaŭ granda morale.*

*Tian animon eĉ la morto ne povas mortigi. Ĝian eternan vivadon daŭrigas tiu atmosfero kaj ankaŭ la senmorta inspiro semita en miloj da koroj. Ĉirkaŭ la familia tablo sub sabatvespera lampo jen kuniĝis gefratoj de la Majstro per afabla arango de S-ino Z. laŭ fidela kutimo. Jam kiel knabo li estis por ili, ne nur kara, sed eĉ iel sankta. Neniam en sia vivo li ofendis iun kaj al ĉiuj li estis nur ame servema kaj bona delikate: jen la ĉies atesto, eĉ de polaj servistinoj, ĉar unu malnova nun preĝas sub portreto de D-ro Z. pendigita je l' muro flanke de la Kristokruco.*

*Al sindona gastema vidvino de nia Majstro mi dankas el tuta koro pro tiuj neforgeseblaj impresplenaj tagoj. Al ŝi mi transdiris pli ol unufoje la sentojn de l' Esperantistaro, samtempe nian doloron, nian simpation kaj ankaŭ nian esperon; sed ĉar nun la poŝto ekfunkcias kun restarigita pola ŝtato, ĉu ne venis la momento por ĉiuj grupoj kaj Esperantistoj al ŝi skribi tian leteron, kian ili ne povis sendi antaŭ du jaroj?* [1]

*Edmond Privat.*

[1] Ŝia adreso estas: Królewska 41, Varsovio.

---

# ESPERANTO-KONGRESOJ

## Kvina Finnlanda kongreso

En la postmilita serena ĉielo jam ree ekbrilas la verda stelo, eble pli frue en Finnlando ol ĉe aliaj popoloj, enverŝante denove esperon en niajn korojn kaj kunvokante nin al daŭrigo de la komuna laboro. Oni kunvenis la 19—21 aprilo en Helsingfors la unuan fojon de post 1914. Ĉirkaŭ 170 personoj el 28 lokoj ĉeestis, inter ili 10 blinduloj mirinde bone uzantaj la lingvon.

La vicprez de la E. A. F. magistro V. Anttila malfermis la kongreson per varma parolado, rememorigante al nia Majstro. S-ro V. Anttila estis unuvoĉe elektita kiel prez. de la kongreso; vicprez. estis S-roj A. Sandström kaj H. Salokannel kaj sekr. S-roj A. J. Anti kaj G. Ĉernohvostov. La interesaj raportoj de la lastaj kvin jaroj estis presitaj en la kongreslibro. La sekr. de la societo V. Setälä citis nur la gravajn faktojn, konstatante, ke la publiko de Finnlando tre favoras Esp., sed ke la propagando devas esti ankoraŭ pli intensa. Kursoj devas esti aranĝotaj, ankaŭ publikaj paroladoj. Sed por sukcese plenumi tion, oni devas havi almenaŭ du personojn, kiuj estu salajrataj kaj povu sin tute dediĉi al la Esp. afero; sekve monrimedoj estas necesaj. Ankaŭ por la proponita eldono de granda revuo por diskonigo de Finnlando eksterlande mankas monrimedoj; la elmetita listo por kolekto montris je la fino de la kongreso pli ol 4000 markoj.

Grandan impreson faris parolado de la blindulino F-ino Ada Pynttö, kiu mirigis per la bona uzo de nia lingvo. Interalie ŝi diris, ke la blinduloj estas popolo por si mem, sed sen propra lingvo. Tamen venis Esp., kaj la blinduloj de la tuta mondo fariĝis vera popolo, kies organo estas la „Esperanta Ligilo". La parolantino finis per memverkita bela versaĵeto.

Post la elekto de S-ro Hj. J. Runeberg kiel honora prez. de la asocio, oni elektis kiel prez. S-ron G. J. Ramstedt, prof. ĉe la Helsingforsa universitato, post kio sekvis baloto de la ceteraj estraranoj: S-ro Leo Jalava, V. Anttila, F. Sandström, S. Attila, H. Salokannel, R. Bergroth, K. Setälä, H. Eckström, H. Pätiälä, F-ino A. Sandström.

Unu el la plej gravaj demandoj de la tagordo estis tiu pri Esp. Instituto kun Esp. oficejo, en kiu laborus salajritaj oficistoj. La instituto devas havigi multajn Esp. instruistojn, aranĝante ekzamenojn kaj donante diplomojn kaj ĉion rilate al nia lingvo. Esp.-oficejo jam ekzistas, sed la daŭrigo estas ebla nur kun pli da monrimedoj. Ĉiuj demandoj estas transdonitaj al la estraro de E.A.F. por baldaŭa solvo kiel ankaŭ la elekto de la urbo por la venonta kongreso.

Vespermanĝo kaj interesa festo aranĝita de la grupo „Polusstelo" kuniĝis la kongresanojn. La tre gaja festo finiĝis malfrue kaj restos en la memoro kiel trafa elmontro de la Esp. kamarada spirito.

La kongreso daŭris tri tagojn. La lastan matenon la kongresanoj kolektiĝis por ekskursi al Huopalahti-Haga; revenante ili ĉeestis la unuan Finnlandan Esp. diservon, kiu altiris grandan publikon (600 personoj) kaj faris fortan impreson. Oni rimarkis, kiel la fremda

publiko atentas la belsonecon de nia lingvo parolata de pastroj V. Forsman kaj H. Pätiälä.

Per kelkaj paroladoj kaj kanto de „La Espero“ kaj la Finna himno „Nia lando“ la kongreso estis finita. Ĝi estis vere sukcesa kaj treege reviviga por nia movado.

Dum la kongreso okazis kunveno de UEA, ĉe kiu ĉeestis Delegitoj el Helsingfors, Pielisjärvi, Sortavala, Tampere, Turku, Viborgo kaj 40 membroj. S-ro V. Setälä, D. Del., estis elektita kiel prez. kaj S-ro L. Jalava kiel sekr. S-ro Setälä raportis pri la stato de UEA kaj pri sia agado kiel D. Del. Li instigis ĉiujn Del. fervore agi por UEA, kolekti ne nur kotizaĵojn, sed ankaŭ abonojn. ĉar UEA certe estas la sola internacia asocio, kiu nepre bezonas kaj indas la apogon de ĉiuj Esp-istoj. Sekvis vigla kaj detala diskutado pri la raporto kaj la estonta agado de UEA; partoprenis S-roj Ĉernohvostov, Jalava, Ahti, Setälä. Kiel D. Del. oni reelektis S-ron Vilho Setälä kaj kiel Vicdel. S-ron Leo Jalava, Del., Helsingfors. Venonta kunveno okazos dum la sesa kongreso de Finnlandaj Esp-istoj en 1920.

## Dek-kvara Skota Esperantista Kongreso

Pli ol du cent Esp-istoj kaj interesatoj ĉeestis la kongreson de la Skota Esp. Federacio en la Universitato de Glasgow (28—29 junio). La kongreso estis sukcesplena pro la altgrada eduka institucio, en kiu ĝi sin trovis, la fakto, ke la vicprezidanto de la Glasgova Eduka Aŭtoritato prezidis en la vespera kunveno kaj la ĉeesto de kvin alilanduloj.

La ĝeneralan kunvenon prezidis D-ro J. Boyd Primmer, kiu en sia parolado priparolis la neceson de L. I. kiel oleo por la maŝinaro de la Ligo de Nacioj. Oni ne postulas, ke Esp. mem nuligu militon, sed li insistis, ke pli bona kompreno inter la nacioj sendube okazos per la uzado de L. I. Li ankaŭ parolis pri la valoro de Esp. por komercistoj kaj pri la oficiala instruo en Skotlando, kiu donis bonajn rezultatojn.

S-ro J. D. Applebaum, prez. de la Lancashire kaj Cheshire Federacio, faris kuraĝigan paroladon pri la stato de Esp. en sia provinco. S-ro G. D. Buchanan, Del., Glasgow, paroladis pri UEA, S-ro Warden pri B. E. A., S-ro James Harvey pri la Eklezia Esp. Ligo, S-ro F. Rafther pri la valoro de Esp. por laboristoj kaj S-ro W. H. Drummond Page pri Esp. kaj la skoltoj.

Post la kunveno okazis vespera publika propaganda kunveno kaj koncerto. D-ro John Smith, vicprez. de la Glasgova Eduka Aŭtoritato, faris paroladon favoran al Esp. Sekvis interesaj paroladoj de S-roj W. M. Page, redaktoro de „Esperanto-Monthly“, W. E. Clayton, G. Douglas Buchanan, J. D. Applebaum, J. M. Warden, S-ino E. F. Cense el Parizo, S-ino M. Tiard en la nomo de la Alĝeria societo, F-ino Gérard el Parizo, S-roj Soichi Tsuchiya el Kobe (Japanio), Larnego el Rio de Janeiro, k. a. Kantoj alternis kun la paroladoj.

Dum la kongreso kunvenis la konsilantaro de la Skota Esp. Federacio. La estraro estis elektita jene: prez.: W. E. Clayton; vicprez.: D-ro J. Boyd Primmer, S-ino de Montoro, Wm. Harvey, R. W. Mc. Farlane; sekr.-kas. Cedric F. White.

Dimanĉon okazis vizitado de kelkaj vidindaĵoj kaj diservo tute en Esp., ĉe kiu predikis pastro J. Beveridge.

(Laŭ *„British Esperantist“*.)

## Jarkunveno de la Sveda Esperanto-Federacio

Ĝi okazis en Stockholm dum Pentekosto. Antaŭe estis rigardata la ekspozicio, kiun lerte aranĝis S-ro Leander Tell. La kunsidon malfermis la prez. de la Federacio, S-ro Paul Nylén, bonveninte la kvardek kunvenintajn diversurbajn samideanojn.

Kiel prez. de la kunveno estis elektataj S-roj P. Nylén kaj W. Wahlund, kiel sekr. S-roj F. Skog kaj R. Pehrsson, kaj kiel kontrolantoj S-roj C. Helmstedt kaj Th. Florell. La reprezentantoj de diversaj lokoj i. a. de Stockholm, Gävle, Göteborg, Skara, Oskarshamn, Strengnäs, Enköping, Eskilstuna, Luleå transdonis siajn salutojn.

S-ro Nylén interese rakontis pri la plej unua tempo de l' Esp. movado en Svedio, speciale en 1890, kaj finis per nova de li mem farita traduko svedlingva de „La Espero“. Poste okazis komuna manĝo, dum kiu ne mankis ankaŭ animaj nutraĵoj, kaj la samideana humoro en „la malgranda rondo familia“ estis la plej bona.

En la unua laborkunsido estis diskutata la reprezentada maniero laŭ la nova regularo. En la dua laborkunsido estis traktata la organizo de la federaciaj delegitoj. Rezultis, ke la Federacio nun havas oficialajn reprezentantojn en 16 lokoj en Svedio (kaj 1 en Finnlando), el kiuj 6 reprezentas filiajn klubojn de S. E. F. La dua grava temo estis pri la oficiala organo „La Espero“. Oni decidis se eble baldaŭ translokigi el Gavle al Stockholm la presadon de la gazeto kaj ĉiel klopodi por krei tie Esp. oficejon komunan por la gazeto, por S. E. F. kaj por la Eldona Societo Esperanto. Post diversaj proponoj la kunsido decidis doni al la Federacia estraro la rajton definitive fiksi la tempon kaj lokon de la venonta jarkunveno, nur ke ĝi nepre okazu sur Sveda tero antaŭ la IIa Skandinava.

La prezidanto atentigis pri la malavara mondonaco de 500 kr. de la vicprez. W. Wahlund. La kunsido decidis sendi gratultelegramon okaze de la fianĉiĝo de la altŝatataj blindaj gesamideanoj H. Thilander kaj K. Höjer, kaj oficiale inviti, kune kun la Dana kaj la Norvega Esp. Ligoj, la Esp. Asocion de Finnlando, reprezentiĝi sin en la Skandinava propaganda konsilantaro, starigita laŭ decido de la Ia Skandinava Kongreso. Estis diskutataj la demandoj pri starigo de centra Esp. oficejo en Svedio, kaj la agado por veki la intereson de la Sveda komercistaro laŭ la plano de la C. C. I. C. k. a.

La kunvenon sekvis agrabla ŝipa ekskurso al Skarsätra kaj finis amika renkonto en ĝardenkafejo Djurgården. Tie viduloj kaj blinduloj rememorigis al si pri pasintaj okazoj Esp-istaj, plenaj de juneca fervoro kaj entuziasmo.

(Laŭ *„La Espero“*.)

## Tria kongreso de Andaluzia Esperantista Federacio

Ĝi okazis la 27 aprilo en Sevilla. Antaŭ la festeno la loka Esp. grupo regalis la kongresanojn per honora lunĉo. Ĉarmoplenaj Esp-istinoj estis la ornamo de tiu soleno.

S-ro M. Soriano, prez., malfermis per Esp. parolado la kongreson, post kio S-ro Martinez, sekr., legis belstile redaktitan raporton, aplaŭde aprobitan. Sekvis lego de salutleteroj kaj -telegramoj el ĉiuj flankoj, samkiel salutparoladoj. Ĉeestis ankaŭ reprezentantoj el Afriko kaj Bohemio.

Estis aprobata kaj reelektata la sama komitato, kaj esprimata la deziro, ke la proksima kongreso okazu ankaŭ en Sevilla kaj ĉiujare.

Post komuna fotografado, oni kantis la himnon de l' Espero kaj belkorpaj samideaninoj gajigis la ĉeestantojn per siaj artplenaj Andaluziaj popoldancoj.

(Laŭ *„Hispana Esperantisto“*.)

---

# KRONIKO

La komunikoj por la kroniko estu sendataj ĉiumonate *antaŭ la 20a*. Oni bonvolu ilin redakti kiel eble plej koncize.

Mallongigoj uzataj: *Esp.* Esperanto; *Esp-isto* Esperantisto; *L. I.* lingvo internacia; *prez.* prezidanto; *vicprez.* vicprezidanto; *sekr.* sekretario; *kas.* kasisto; *rev.* revizoro; *bibl.* bibliotekisto; *l.* lernanto; *m.* membro; *p.* persono.

## Aŭstrio.

*Eggenberg:* S-ro Halbedl paroladis. Kurso kun 18 p. — *Graz:* Stiria Esp-Societo aranĝis propagandan kunvenon kun 200 p. Paroladis S-ro Prof. O. Simon el Wien. Kursoj kun 180 p. La nombro de la societanoj duobliĝis. La „Ligo por fremdulaj aferoj“ decidis oficiale uzi Esp. kaj rekomendas tion ankaŭ al siaj anoj. — *Loeben:* Refondiĝis grupo kun 14 m. Kurso, 10 p. — *Wien:* Estas fondita grava entrepreno por Esp., nome „Verlag Nova Tempo“ (Eldonejo Nova Tempo), por kiu estas jam enpagita kapitalo da 30,000 Kr.

Unu el ĝiaj ĉefaj taskoj estas reaperigi la gazeton, kiu ĝis fino 1914 aperis sub la titolo „German-Aŭstria Esperantisto“; la nova gazeto aperos en oktobro sub la titolo „Nova Tempo“; la entrepreno ankaŭ eldonos Esp. verkojn. Fondiĝis kantsocieto „Zamenhof“. Oni decidis refondi Boheman Esp. Klubon.

## Britio.

*Bristol:* En gastejo inter Mendip-montetoj multaj samideanoj gaje pasigis Esp.-semajnon, parolante nur Esp. Diservo, paroladoj de S-roj Taylor kaj Padfield. — *Buckhurst Hill:* La vagado en la arbaro kunveniĝis pli ol 50 p. — *Dunstable:* Grupo reviviĝis. Kursoj estas starigataj. — *Edinburgh:* S-inoj Cense, Tiard kaj F-ino Gerard, el Parizo, vizitis la urbon, propagandante Esp. St. Cuthbert's Cooperative Association difinis 10 funtojn por Esp. instruado. — *Hampstead:* S-ro M. C. Butler interese paroladis en la nova grupo. Kursoj fondiĝis. — *London:* La Klubo progresas, kursoj estos aranĝataj, paroladoj projektataj. Dum tekunveno de la Federacio paroladis S-ro R. Sakoviĉ pri Esp. en Rusio. Granda interesiĝo. — *St. Andrew's:* Ĉe la somera lernejo S-ro W. M. Page paroladis antaŭ 85 geinstruistoj, kaj S-ro D. J. Young antaŭ la studentoj. — *Sheffield:* S-ro J. Bateman paroladis antaŭ diversaj societoj. Vespera kurso en la ĉefa lernejo okazos. — *Southport:* Jarkunveno montris viglecon de la loka Esp. movado. — *Wimbledon:* S-ro J. W. Sharpe paroladis dum diservo. Oni esperas starigi grupon.

## Bulgario.

*Sofia:* La membroj de la Bulgara Esp. Societo havis ĝeneralan kunvenon. — *Vidin:* La grupo rapide progresas. Lastatempe movado ankaŭ inter lernantinoj, dank' al S-ro Lazarov.

## Ĉeĥoslovakio.

*Karlsbad:* Esp. Societo restariĝis. S-ro Ulbert paroladis. — *Moravany:* Ekskurso partoprenita de aliurbanoj. Matene rondiro, posttagmeze paroladis Prof. Pitlik kaj inĝ. L. Berger, ili subskribiĝis leteron al ministerio por subteni agon de „La Progreso“. — *Olmütz:* En la gazeto „Völkerbund“ (Popoliĝo) artikolo de Prof. Max Murath pri „Internaciismo kaj Esperantismo“. — *Praha:* Nia samideano Prof. Aug. Pitlik, nun unu el la ĉefaj oficistoj de la Ĉeĥoslovaka ministraro, uzas Esp. en ties servo. En la faka gazeto „Český Kovopracovník“ aperis Ĉeĥaj tradukoj el „Esperanto“ de l' artikoloj „Kapitalo kaj Laboro“, „Filantropio en Komerco“, „Ĉina gazetaro“. — *Vídeň:* La organo de la Ĉeĥoslovakaj turistoj „Turistický Obzor“ represis Boheme la artikolon „La milito ĉe la formikoj“, el nia gazeto.

## Estonio.

*Tallinn:* Okazis la malfermo de unuiĝo „Espero“. Antaŭ kvin jaroj oni devis fermi la societon laŭ postulo de Rusa policestro. La kunvenon partoprenis ĉirkaŭ 40 p. Konata samideano, S-ro J. Rozenberg, paroladis, post kio estis elektita komitato. Jen estas la unua Esp. unuiĝo en juna respubliko Estonio.

## Finnlando.

*Helsingfors:* Sukcesinta festkunveno pro la dua datreveno de la mortotago de nia Majstro. Paroladis S-ro Leo Jalava. Ĉeestis ĉ. 75 p. Alia kunveno de „La Polusstelo“ solenis la 11an datrevenon de la fondo de UEA. Ĉeestis pli ol 40 m. La Del. S-ro Vilho Setälä paroladis instigante pri apogo al UEA. Pastro H. Pätiälä daŭrigas paroladi pri Esp. — *Lieksa:* S-ro Räty paroladis en junula societo. — *Taihia:* La klubo aranĝis tradukokonkurson kun bona rezultato. Ĉe tre sukcesinta somer- kaj vesperfesto paroladis S-roj E. Koivisto, J. V. Pukkila kaj H. Salokannel, deklamis F-ino Elsa Renko, estis burleska ĥoro, ludoj kaj Finna komedio. Ĉeestis 250 p. La komuna kunveno de la lokaj klerigaj societoj unuanime aprobis rezolucion favoran al Esp.

## Germanio.

*Aschaffenburg.* S-ro Salzmann faris publikan paroladon, 30 p. — *Augsburg:* Ĉe la lerneja sezonfino estis aranĝita publika Esp. ekzameno. La ĉeestantaj profesoroj kaj aliaj kompetentuloj estis mirigitaj de la fluega lego, traduko kaj libera konversacio de la lernantinoj post nur trimonata instruo de Esp. Dum la tuta ekzameno eĉ ne unu Germana vorto estis parolata. Sekvis parolado de D-ro Vogt. — *Breslau:* La Ligo de katolikaj studentoj „Amoko“ alvokas al ĉiunaciaj gestudentoj por kunlaboro ĉe la popola repaciĝo. Esp. estu la lingvo de la „Mondpacligo“. Esp. estas enkondukita ĉe la katolika Matiogimnazio kaj ĉe la kat. reallernejo. En la unua 90 l., en la dua 82 l. — *Chemnitz:* „Allgemeine Zeitung“ anoncas kurson por senlaboruloj. Estas promesite aranĝi Esp. angulon en tiu gazeto. S-ro Klemm fervore agadas. — *Dresden:* La urba konsilantaro jesis la petskribon pri enkonduko de Esp.-instruado en Dresdenaj lernejoj laŭ la samaj kondiĉoj kiel por la fremdaj lingvoj. — *Eisenach:* La porfremdula ligo interesiĝas al Esp. Ĝi eldonos Esp. gvidlibron, se sufiĉe multaj estos petataj. Oni skribu al Fremdenverkehrsverein Eisenach kaj postulu Esp. gvidlibron. — *Frankfurt a. M.:* Sud-okcidentgermana Esp.-Ligo sendas alvokon por restarigi ĉiujn grupojn. En aŭtuno okazos la unua postmilita ligo-kunveno. La grupo restariĝis. S-roj Kreuz kaj Barthel paroladis. S-ro Kreuz okazigis en la Stenografa Unuiĝo konkurson kun teksto pri Esp. — *Göttingen:* S-ro K. Kauffmann paroladis pri L. I. kaj la rekonstruo de Eŭropo en politiko kaj scienco; samtempe okazis ekspozicieto. — *Greifswald:* Vicpoŝtdirektoro Rieck paroladis antaŭ la laborista konsilantaro pri Esp. La debato montris la grandan intereson kaj bonan komprenon de la laboristaro por Esp. Kurso por laboristoj estos aranĝata. — *Greiz:* Kunvenis ĉirkaŭ 15 p. el Plauen, Werdau kaj Gera. Parolado de S-ro Ostermann. Ĉe promenado ĉeestis 80 infanoj de la Esp. lernejo. — *Grift bei Cadenberge:* Kurso por 25 popollernejanoj. — *Hamburg:* „Nordalbinga-Ligo“ havis kunvenon. Ĉeestis 60 p. Estis konstatita reviviĝo. Kursoj kaj nombro de la anoj pliiĝis. Unua Grupo Esp-ista Hamburg-Altona restariĝis. Kursoj komenciĝos. — *Hammelburg:* Komenciĝos perfektiga kurso. — *Königsberg:* Kurso kun 10 l. — *Merseburg:* En la militkaptiteja tendaro organiziĝis Esp. rondeto. Ĝi bezonas lernolibrojn kaj legaĵojn kaj petas pri kunhelpo. Adreso: Selîŝĉev Simon, Gefangenenlager Merseburg. — *Münster:* Kurso. — *Nürnberg:* Fondiĝis Katolika Esp. Grupo. D-ro Ledermann gvidas kurson. — *Offenbach am Main:* S-ro Kreuz paroladis. En novembro okazos la unua postmilita ligo-kunveno de la Sud-okcident-Germ. Esp-istoj. — *Stolberg:* Kurso. — *Weinböhla:* Kursoj por 20 junaj laboristoj kaj 18 infanoj. La instruista konsilistaro prenis kiel paroltemon por jara konferenco: Ĉu Esp. meritas esti akceptata en la instruan planon de l' ĝenerala popollernejo?

## Hispanio.

*Barcelona:* Sukcesa vesperfesto kaj adiaŭvespero por la samideano Juan Gili. Grupo „Nova Sento“ vigle propagandas, kaj la sukcesajn kursojn nun vizitas 40 l. — *Manlleu:* Por la VIIIa Kongreso de la Kat. Esp. Fed. malavaran helpon moralan kaj materian promesis kaj donis jam ĉiuj aŭtoritatoj de la kongresurbo. La Organiza Komitato disdonis propagandajn foliojn, la loĝantaro tre interesiĝas. La urba konsilantaro decidis doni la nomon de nia Majstro al unu el la plej belaj stratoj. — *Zaragoza:* Kurso okazas.

## Hungario.

*Budapest:* La movado estas vigla. Oficiala instruo de Esp. en vesperlernejoj, mezlernejoj kaj junulhejmoj, ankaŭ en poŝto, telegrafo, telefono, fervojo kaj polico. Oficiala Esp. oficejo laboras. La Esp. societo laborista havas apartan, komfortan klubejon kun ĉambrego, telefono kaj biblioteko. Ekskurson partoprenis 150 p. Rusa ĵurnalisto Vasili Timofeev paroladis. Okazis eksterordinara kunsido de la Hung. Esp. Soc. Laborista. Kun ĝojo estis akceptata la plej malnova Hungara Esp-isto, Paulo Lengyel, feliĉe hejmreveninta el la Franca militkaptiteco. — *Nove-Zámky* (Ersekujvár): Dank' al S-ro Josef Popper okazis eksplodo de Esp-ismo. Hungaroj kaj Ĉeĥoj faris en konsento la decidon akceli Esp. por alproksimiĝi unu al alia. Lingvisto S-ro Geider lernis Esp. kaj kreis kurson. La urbestraro ĉiel helpas.

## Italio.

*Firenze:* Prof. Car. Grazzini fondis novan grupon. Kurso komenciĝos. — *Greco:* Sub la aŭspicioj de la komunumo estis gvidata kurso. — *Milano:* Estis gvidataj du kursoj. Oni fondis la novan rondon „Esperanto-Domo". — *Pisa:* La grupo plifortiĝis. Multaj kursoj kun sukceso. La ĵurnaloj ofte raportas pri Esp.

## Nederlando.

Centra Esperanto-Librovendejo de nia samideano J. L. Bruijn en Hago estas transformata en anonima societo kun nominala kapitalo de 10,000 guldenoj, el kio provizore nur parto estos bezonata. Komisaroj estas S-roj P. J. Vermaas, el Rotterdam, prez. de la Nederlanda Societo Esp.; G. van Heek, el Hengelo, prez. de „La Twenta Stelo" kaj D-ro H. C. Mees, el Hago, red. de „La Holanda Pioniro". El la projektitaj statutoj ni citu, ke el la ĉiujara neta profitsaldo 25 % estos destinata por la Ned. Soc. Esp. La akcioj estos je nomo kaj po 10 guldenoj. Por pluaj detaloj kaj enskriboj oni turnu sin al la estonta direktoro, S-ro J. L. Bruijn, Paul Krugerlaan 37, Hago. — *Amsterdam:* Dum la kongreso de la landa federacio de konstrulaboristoj estis pritraktata la utilo de Esp. por la laboristaro. Oni akceptis proponon por presigo en la fakgazeton de korespondajoj en Esp. pri la sindikata movado. — *Deventer:* Dank' al klopodoj de S-ro Metz fondiĝis laborista Esp. klubo kun 15 m. — *Rotterdam:* En „Nieuwe Rotterdamsche Courant" aperis artikolo de D-ro Meyer por latina lingvo kiel L. I.; ĝin trafe respondis S-ro L. v. Munster kaj vekis intereson por Esp. La 24/25 aŭgusto estis la jarkunveno de la katolika Esp. „Nederlanda Katoliko", samtempe festo por la dekjara ekzisto de tiu-ĉi ligo. La estraro invitis eksterlandajn katolikojn kaj esperas restarigi la antaŭajn internaciajn rilatojn. — *Utrecht:* Sukcesa vesperfesto. S-ro Smit paroladis.

## Polio.

*Bjalystok:* Oni fervore propagandas. — *Bromberg:* Du kursoj. — *Lodz:* La raporto de la loka societo montras viglan movadon. 300 m. kaj kelkcent lernantoj. Estis Esp. ekspozicio vizitita de 700 p. Lokaj gazetoj favoras la movadon. Okazis bone vizitita funebra vespero por honorigi la memoron de nia Majstro. La loka gazetaro aperigis favorajn notojn. — *Radom:* S-ro L. Temerson gvidas kursojn. — *Varsovio:* La Del. de UEA kunvokis eksterordinaran kunvenon por honorigi la eminentan gaston D-ron Edmond Privat, dum kiu tiu ĉi paroladis pri la nuna sukceso de Esp. en la mondo. Inter la grandnombra ĉeestantaro estis ankaŭ la prez. de la Lodza societo, S-ro Adam Zakrzewski, D-ro Leono Zamenhof, D-ro Robin k. a. En alia kunveno paroladis Prof. Baudoin de Courtenay, S-ro Vl. Pozner k. a.

## Portugalio.

*Lisbono:* S-ro Pires Barreira gvidas kurson en la Popola Universitato. S-ro S. Carreira paroladis pri „La psikologio de Esp.". La Port. Esp. Soc. Asocio baldaŭ malfermos kurson por la eminentuloj de la socialista partio. En oktobro komencas kurso en la elementa komerca lernejo kaj liceo „Pedro Nunes". La instruado estas nedeviga sed rekomendita de la Ministro de Publika Instruado.

## Rumanio.

La prezidantoj de la diversaj grupoj kunvenis kaj starigis agan komitaton kaj programon por la postmilita agado.

## Svedio.

*Gävle:* Vigla propagando kaj laboro. Monkolekto farata por kursoj inter la junularo, kunvenejo kaj biblioteko. — *Malmö:* Esp. klubo reviglиĝas. Riĉprograma festo bonsukcesis. Dum la foiro de Skanio okazis sukcesa Esp. kunveno kaj festeneto; propaganda afiŝo estis pendigita en la ekspozicio kaj multe altiris la atenton. — *Sandviken:* La grupo inaŭguris novan ejon per vidinda Esp. ekspozicio. — *Stockholm:* La Eldona Societo Esperanto havis sian ĝeneralan kunvenon post tiu de la Sveda Esp.-Federacio. Ĉeestis 19 akciuloj reprezentantaj 234 akciojn, el kiuj S. E. F. posedis 66. Estis reelektata la sama estraro.

## Svisio.

*Bern:* „Allzeit bereit", monata gazeto de la Svisa skolta ligo, publikigis artikolon de S-ro Alfred Egg. — *Genève:* Artikolo de D-ro Unger kaj noto pri la aliĝo de Romain Rolland al Esp. aperis en la ĵurnalo „La Feuille". — *Lausanne:* Artikoloj de S-ro Edmond Privat en „L'Essor" kaj „Le Droit du Peuple". — *Neuchâtel:* En la bulteno, kiu estas sendata al ĉiuj instruistoj de la kantono, aperis bona artikolo de S-ro G. Stroele kun propagandiloj. — *Locarno:* S-ro Krestanov faris en la bela Esp. hejmo publikan paroladon pri „Bulgario kaj ĝia popolo", kiun majstre tradukis S-ro C. Gilà. La lokaj gazetoj favore raportis. „Il Cittadino" publikigis dukolonan artikolon pri ĝi kaj Esp. — *Lugano:* Okazis parolado pri Bulgario de S-ro Krestanov, kun Itala resumo de S-ro Is. Ila. Ĉiuj gazetoj favore raportis, kaj „Messagero Ticinese" faris dukolonan artikolon pri ĝi. — *Luzern:* Dum la internacia socialista kongreso la Germanlingva eldono de „La Feuille", prikongresa ĵurnalo, publikigis bonan artikolon pri Esp. je la internacia vidpunkto. — *Zürich:* S-ro Jost faris paroladon en la Grutli-societo. La kunveno decidis proponi al la centra komitato de la Svisa Grutli-societo, ke ĝi subtenu oficiale la Esp. movadon. Artikolo en „Neue Zürcher Zeitung" pri Esp. en la servo de la naciaj interesoj.

## Egipto.

*Alexandria:* Fondiĝis Egipta Ligo Esp. Adreso ĉe la sekretario S-ro D. A. Yassemis, Box 1046, Alexandria.

## Kanado.

*Montreal:* La 9—13 julio okazis la Nord-Amerika Esp. Kongreso. Kunvenis ĉ. 40 samideanoj el San Francisco, Washington, New York, Philadelphia, Boston kaj aliaj lokoj. Ili estis akceptataj ĉe la grandega hotelo Windsor, kie dum tri tagoj ili diskutis kaj voĉdonis novan konstitucion pli demokratan. La ambaŭlingva loka gazetaro (Franca kaj Angla) presis ĉiutage longajn artikolojn, ofte kun kliŝajoj pri la kunveno. Je publika propaganda vespero ĉ. 350 p. interesiĝis. Oni paroladis pri komercaj, turismaj kaj aliaj rilatoj de Esp. La kongresanoj ekskursis trifoje. Ili estis kinematografataj. Sabaton vespere oni aranĝis festmanĝon, 50 ĉeestantoj. Prez. Payson kaj aliaj paroladis. Dimanĉon okazis Kristana kaj Bahaja diservoj.

## Usono.

*Boston:* Okazis vesperfesteto; parolis S-ro Lowell. — *Berkeley* (Cal.): Sub la aŭspicioj de la Esp. rondo, D-ro David Starr Jordan, fama prezidinto de la Standford-Universitato, faris paroladon pri la mondligo antaŭ 600 p.; D-ro Yemans atentigis al nia lingvo, pri kiu 90 p. petis informojn. S-ro kap. Postnikov faris propagandan vojaĝon kaj vizitis kelkajn Usonajn grupojn.

## Argentino.

*Buenos Aires:* „Liberiga Stelo" aranĝis paroladon de S-ro A. Barrot. Kurso kun 40 p. „Komitato por Propagando de Esp. inter la komercistoj" faras kurson kun 40 p. — *Bahia Blanca:* Kurso regule funkcias. — *C. Pringles:* Kurso kun 16 p. Lokaj ĵurnaloj favore skribis. — *Dolores:* Grava ĵurnalo aperigis artikolon pri Esp.

---

# DIVERSAĴOJ

∴ **Romain Rolland kaj Esperanto.** — La tutmonde konata Franca verkisto Romain Rolland esprimis opinion tute favoran al Esperanto en letero sendita al la redaktoro de la gazeto „Le Travailleur Esperantiste", S-ro E. Adam. Jen la traduko de tiu letero:

„Mi opinias kiel vi. Mi kredas je la absoluta neceseco de lingvo internacia, kaj mi tion diris en artikolo aperinta en marto-aprilo 1918 en la „Revue politique internationale".

„Tiam mi, ne elektante inter ili, citis la du konkurantajn lingvojn: Esperanto kaj Ido. De post tiu tempo, miaj preferoj iris al Esperanto, kiu, malpli rigida kaj science perfekta ol Ido, estas multe pli fleksebla, pli kolore nuancoriĉa, pli vivanta, pli poezia.

„Mi do varme instigas vin propagandi. Oni celu, ke en ĉiuj duagradaj Europaj lernejoj Esperanto estu oficiale kaj devige instruata. Sen tio ne povas ekzisti serioza kaj daŭra internacia alproksimiĝo. Por ke la popoloj interkonsentu, estas necese, ke antaŭ ĉio ili komprenu unu la alian.[1] Esperanto redonu la aŭdadon al tiuj surduloj, kiuj de jarcentoj estas enŝlositaj en sia lingvo.

„Tre kore via *Romain Rolland.*“

∴ **Esperanto kaj socialistoj.** — En *Francio* jus aperis la gazeto „Le Travailleur Esperantiste“ (La Esperantista Laboristo), kiu celas la propagandon de nia lingvo inter Francaj socialistoj kaj sindikatistoj. (Jara abono: 3 Fr. Administrejo: 177, rue de Bagnolet, Paris XX).

∴ **Esperanto kaj pacifistoj.** — En *Germanio*, laŭ la propono kaj sub la gvido de la fervora pacifisto kaj Esp-isto S-ro D-ro Paul Rumpel, universitata docento, fondiĝis „Esperanto-Komitato de la Germana Ligo por Societo de la Popoloj“. La Komitato decidis aliĝi al UEA. Pacifistaj samideanoj kunlaboremaj pri la efektiviĝo de interpopola pacoligo per Esp. bonvolu sin turni al S-ro D-ro P. Rumpel, Motzstr. 52, Berlin-Wilmersdorf.

∴ **Esperanto kaj naciaj interesoj.** — En *Hungario* aperis du novaj oficialaj eldonaĵoj en Esperanto: 16-paĝa broŝuro pri „La ekonomia unueco de Hungario“, verkita de D-ro Ladislao Buday kaj tradukita de Rafaelo Bartal (prezo: 1.50 krono) kaj 32-paĝa broŝuro de la fama komunista politikisto Béla Kun sub la titolo „Kion volas la komunistoj?“ (prezo: 3 kronoj); tiu ĉi lasta estis oficiala eldonaĵo de la Hungara Popolkomisariejo por Publikinstruado.

∴ **Esperanto kaj komerco.** — La Del. de UEA en Lyon, S-ro L. Poncet, komunikas al ni la jenan informon:

„Oni scias, ke de 1916 okazas ĉiujare en Lyon (Francio) internacia Foiro, kies sukceso estis tiel granda, ke oni nun devis duonigi ĝin en du ĉiujaraj „kunvenoj“, printempa kaj aŭtuna. Tiu Foiro ne estas ekspozicio, sed vendejo, kie oni negocas nur laŭ specimenoj, kiujn la aĉetisto povas modifigi de l' fabrikisto laŭ konveno de sia klientaro. La industriisto elmontras modelojn; la komercisto mendas, kion li deziras, kaj la mendaĵoj estas ekspeditaj post rikolto en fabriko. Podetala vendo estas do malpermesata, sed ĉiuj naturaj produktaĵoj, ĉiuj industriaj ellaboraĵoj estas tie prezentataj. Dum 1919 estis 4684 partoprenintoj, el kiuj 1490 fremdaj, kiuj negocis por 800 milionoj da Fr.

„Antaŭ tiel grava internacia organizaĵo, la reprezentantoj de UEA en Lyon ne rajtis esti indiferentaj, kaj dank'al la senlacaj klopodoj de S-ino Farges, dir. de la Esp.-Oficejo, kaj de S-ro Bégel, Vic.del., sub la titolo: „Esperanto-Oficejo de UEA ĉe la Foiro de Lyon“ en urba domo senpage pruntedonita estis organizita en 1917 kaj 1918 propaganda Esp. ekspozicio montranta la praktikajn servojn de UEA por turismo, komerco, korespondo, k. c., per grafikoj, landkartoj, dokumentoj, katalogoj, reklamiloj, libroj, gazetoj, k. a.; tiun ekspozicion vizitis centoj da personoj, al kiuj oni disdonis propagandilojn. Ĉe la printempa kunveno de 1919, la nombro de la aliĝintoj estis tiel granda, ke la Komitato de la Foiro ne povis doni senpage ekspoziciejon; sed oni tre esperas, ke klopodoj sukcesos por la proksima aŭtuna kunveno. Jus la Foiro de Lyon aliĝis al UEA kiel Esperantia Entrepreno kun promeso por venontaj jaroj. Jam antaŭajn jarojn vizitis kaj partoprenis la Foiron diverslandaj membroj de UEA. La Lyon'a Del. petas, ke ĉiu aliĝonto, skribante al la Komitato de la Foiro (adreso: Comité de la Foire, Hôtel-de-Ville, Lyon) sin rekomendu per UEA kaj samtempe informu pri siaj intencoj la Del., kiu faros ĉion eblan por faciligi kaj pliprofitigi lian entreprenon. Atendante, ke ni povos krei Esperantian makleran budon, ni insiste petas la industriistojn kaj komercistojn, anojn de UEA, kiuj ne povus mem veni Lyon'on, ke ili sendu al ni disdonotajn reklamilojn en nacia lingvo (precipe en Franca), kiuj informus, ke ilia firmo uzas Esperanton kaj UEA; tiu metodo ŝajnas al ni plej praktike trafa por reklamo kaj por propagando samtempe.“ — *L. Poncet,* Del., Lyon.

[1] Franca vortludo pri „s'entendre“ (interkompreni) kaj „entendre“ (kompreni, aŭdi).

∴ **Esperanto kaj instruistoj.** — En *Finnlando* dum la ĝenerala Finna popollerneja kongreso oficiale fondiĝis „Instruista Esp. Asocio de Finnlando“ celanta: 1e enkonduki Esp. en la lernejojn; 2e esti komuna ligilo inter Esp. instruistoj. La Prez. estas S-ro S. J. Ramstedt, universitata profesoro.

∴ **Honorigo al Doktoro Zamenhof.** — Oni komunikas al ni, ke la urba konsilantaro de la urbo Bialystok decidis, laŭ propono de la ĉi-tieaj samideanoj, nomi la straton, en kiu naskiĝis nia kara Majstro, „strato D-ro Zamenhof“. La Esperantistaro esprimas sian dankon al la urbestraro de Bialystok pro tiu honorigo al la memoro de ĝia civitano, la genia aŭtoro de nia lingvo.

Ankaŭ la urbestraro de Manlleu en Katalunio, kie okazos la venonta Kataluna Esp. Kongreso, decidis doni la nomon Zamenhof al unu el la urbstratoj. Ni gratulas! Oni bonvolu nin informi pri ĉiuj similaj decidoj.

---

# TRA LA GAZETARO

∴ „*Esperanto-Praktiko*“ (julio-aŭgusto). En leginda artikolo „Kiel pliriĉiĝi Esperanton?“, D-ro Plagge respondas: 1e per vortoj kunmetitaj laŭ regulo 11; 2e per internaciaj vortoj kaj vortradikoj laŭ regulo 15; 3e per parolturnoj, esprimmanieroj kaj tutaj frazoj el la verkoj de niaj plej bonaj literaturistoj; 4e per novaj vortoj kaj afiksoj (neologismoj) kaj 5e fine la gramatiko devus esti oficiale pliriĉigota per kelkaj detalaĵoj, pri kiuj nun en la diversaj naciaj-Esp. gramatikoj multparte ne regas sufiĉa certeco kaj unueco.

∴ *Germana Esperantisto* (julio). El ĉefartikolo de S-ro H. Rohlsen „Kion ni bezonas“:

„La ŝanĝemeco aŭ „pliboniĝemeco“ estas neekstermebla malsano de mondlingva evoluo; ĝi estas neevitebla faktoro, per kiu ni devas kalkuli. Unufoje klare ekkoninte tion, ni ne plu bezonas ĉiufoje denove ekscitiĝi kaj multparole kontraubatali tiajn aperaĵojn. Ni bone scias, ke la epoko de la eksperimentado jam de longe estas pasinta, kaj ke la fortaj radikoj de nia potenco estas ĉe la fonto de nia unueco, nome en la Fundamento.“

Montrante, ke la ĉiam denove ekaperantaj ŝanĝproponoj ne povas kaŭzi seriozan danĝeron por nia afero, la aŭtoro bedaŭras, ke per tiaj laboroj tiom da valoraj tempo, forto kaj mono estas elspezataj, samkiel ke per tradukoj de noveloj, rakontoj kaj anekdotoj nenio nova estas akirata.

„La Esp. verkaro ankoraŭ ne sufiĉe spiras modernan spiriton. La bezonoj de nia hodiaŭa ĉiutaga vivo kun siaj multspecaj teknikaĵoj, la bezonoj de nia plej moderna literaturo, kaj fine la bezonoj de multaj specialaj fakoj, ĉu politikaj, ĉu sciencaj, ĉu komercaj, ĉu artistaj, ĉu sportaj necesigas multe da lingva prilaboro ... Ni laboru serioze, almilitu ni novajn teritoriojn, traserĉu ni la Fundamenton, apliku ni ĝiajn neelĉerpeblajn riĉaĵojn al la bezonoj de la horo, levu ni la spiritan nivelon de nia literaturo, enpenetru ni la specialfakojn. Jen sufiĉe da taskoj por okupi ĉiujn kretalentulojn.“

De la sama aŭtoro estas en eldono B trafaj „Esperantaj vortludoj“. Li klopodis solvi la demandon pri ebleco de Esp. vortludoj kaj ilia komprenebleco sur bazo de internacieco.

∴ „*La Progreso*“ (aprilo, majo-junio). En la maja N-ro, S-ro B. Tittl skribas pri „Esp. en lernejojn“, konsilante respekti la lingvajn bezonojn de ĉiuj kvin nacioj en la juna respubliko kaj alpreni nian lingvon, „ne pro interesoj de Esp. kies amikoj ni estas kaj kiun en ĝia nuna disvastigo oni ne plu povas subpremi, sed ĉar ni deziras, ke la Ĉeĥoslovaka ŝtato per la enkonduko de Esp. en siajn lernejojn fariĝu la unua praktika solvanto de la ideo, en kiu kuŝas unu el la plej gravaj progresoj de la homaro“. Estas donata ankaŭ traduko de la petskribo al la ministerio por instruado kaj nacia kulturo, proponanta la enkondukon de Esp.

.˙. *„Svisa Espero“* (julio). En la ĉefartikolo „Detruinda malverajo“ nia samideano W. Perrenoud refutas opinion de D-ro Forel pri certaj malbonajoj de Esp., disvastigata de personoj, kiuj sub tiu ŝirmo volas enkonduki en la mondon ian reformitan Esp. Citante vortojn de Zamenhof mem en 1910 ĉe la Waŝingtona kongreso, asertanta, ke la grandega plimulto el tiuj kritikoj estas simple personaj kapricoj, ke eĉ inter tiuj tre malmultaj supozeblaj ŝanĝoj la plej gravaj estas nur plibonigo *ŝajna*, S-ro W. P. alvoke konkludas:

„Ne timu, nia lingvo havas en si plej riĉan estontecon, kaj mirindajn eblojn de disvastiĝo. Amu kaj studu la belan Esp. literaturon. Nenio pli ol la poezio disvolvas la *spiriton* de la lingvo. Tri grandajn nomojn ni havas: Zamenhof, Kabe, Grabowski. Honoron al ili! Per sia senĉesa laborado ili konstruis nian lingvon sur roko. Se eĉ oni ŝanĝus nian lingvon ĝis nerekonebleco, iliaj verkoj restos nedetrueblaj, kaj nenin kuraĝos certigi, ke io simila ekzistas en aliaj; . . . Esp. montris sin pli forta ol lingvistiko. Ĉiu laboru fervore per si. En ĉio ni havu antaŭ la okuloj: laboro, unueco, estonteco“.

.˙. Novaj gazetoj:

.˙. *„German-Pola Esperantisto“*. Formato: 23 ⨯ 29 cm, 4 p., unuopa N-ro 20 Pf. Redaktoro-eldonanto: A. Pankratz, Bromberg, Brenkenhoffstrasse 13 c.

Tiu ĉi monata gazeto destinata al propagando estas redaktata en Germana kaj Pola lingvoj paralele.

Al tiu nova semanto ni deziras abundan rikolton.

.˙. *„Literaturo“*, trimonata gazeto, eldonata de la B. E. A. Literatura kaj Debata Societo. Formato 12 ⨯ 18 cm, 24 + IV p. Abono 3 ŝ. jare. Adreso: 254, Wightman Road, London N. 8.

Jen estas belaspekta, bonstila kaj riĉenhava gazeto tute en Esp., kiu certe iom konsolos la samideanojn, kiuj bedaŭras la malaperon de „La Revuo“. „Unu el niaj celoj, diras la redaktoro, estas la prezentado en Esperanta vesto de la Angla literaturo. Tamen en tiu kaj aliaj rilatoj ni ne limigos la enhavon de la gazeto al la verkoj de bone konataj aŭtoroj. Ni simple penos doni al niaj legantoj bonajn esperantajojn de diversaj specoj, kaj esperas ion provizi por la gustoj de ĉiu leganto.“

La ricevitaj N-roj 1 kaj 2 enhavas: Sonĝo de someromeza nokto, ĉarma komedio de W. Shakespeare. — La arto de rezonado, elementa skizo pri la dedukta logiko. — Mia soleca koro, Irlanda rakonteto. — La kato en botoj. — Anabel', de Edgar Pol. — Interesa kaj instrua estas la ĉiunumera „Lingva Fako“.

Al la organo de la B. E. A. Literatura kaj Debata societo ni deziras prosperon kaj transformiĝon en organon de la Esp. Literatura Asocio, komuna renkontejo de ĉiuj Esp. literaturamantoj.

.˙. *„Le Travailleur Espérantiste“* (Esperantista laboristo). Formato 45 ⨯ 30 cm. 4 p. Abono: Fr. 3.50 jare. Adreso: 49, rue de Bretagne, Paris. Redaktoro: E. Adam. Administranto: L. Glodeau.

Tiu gazeto, kiu devis interrompi sian aperon dum la militο, nun eliras denove kiel monata organo en ĵurnala formato. Ĝi celas la propagandon de nia lingvo en la Francaj socialistaj, sindikatistaj kaj internaciemaj rondoj. Tri paĝoj estas en Franca lingvo kaj unu en Esp. La 1a N-ro enhavas interesajn propagandajn artikolojn kaj la tekston de la grava letero de Romain Rolland pri Esp., kies tradukon ni donas en ĉi tiu N-ro. En la Esp. parto troviĝas kroniko pri la socia movado en Francio.

Nia lingvo ne ankoraŭ estas sufiĉe konata en la socialistaj rondoj. Tial la nova gazeto respondas veran bezonon kaj certe multe helpos al la disvastigo de Esp. ĉe Francaj laboristoj. Ni kore deziras al ĝi sukceson kaj esperas, ke aliaj landoj imitos la donitan ekzemplon.

.˙. Aliaj gazetoj ricevitaj: *„Amerika Esperantisto“* (junio); *„Antaŭen“* (julio); *„Brazila Esperantisto“* (marto); *„British Esperantist“* (julio, aŭgusto); *„Bulteno de Kataluna Esp. Federacio“* (majo, junio); *„Esperanto-Monthly“* (julio); *„Esperanta Finnlando“* (majo-junio); *„Esperanto“*, el Argentino (junio); *„Espero“* (junio, julio); *„France-Esperanto“*; *„Hispana Esperantisto“* (junio, julio); *„Hungara Revuo“* (aprilo-junio); *„Eklezia Revuo“* (julio); *„Holanda Pioniro“* (julio-aŭgusto); *„Nederland-Esperanto“* (N-roj 31—39); *„Nederlanda Katoliko“* (julio); *„Oficiala Gazeto“* (1918); *„Progreso“* (julio-aŭgusto); *„Progreso“*, el Köln (junio); *„La Unuiĝita Tuthomaro“* (julio).

*I. K.*

---

# TRA LA LIBRARO

**Sinjoro Tadeo** aŭ *Lasta armita posedopreno en Litvo* (Pola epopeo „Pan Tadeusz“) de *Adam Mickiewicz*. Esperanta traduko de *Antoni Grabowski*, Varsovio, ĉeta deponejo ĉe Gebethner kaj Wolff. VIII + 304 paĝoj, 16 ⨯ 23 cm. Prezo: M. 6.50

Maloftaĵo en nia lingvo, kaj eĉ en aliaj, estas apero de tia verko. Fama estas la aŭtoro, ĉefverko la originalo, inda je sia kuraĝa entrepreno la tradukinto.

Efektive, kuraĝon ni devas posedi por ektraduki verse epopeon kun preskaŭ dekmil versoj, sed ankaŭ persistemon, maloftan facilecon, mirindan majstrecon de l' lingvo, poezian senton kaj kapablon komparebIajn kun tiuj de l' aŭtoro mem.

Despli ŝatos tiun novan verkon nia samideanaro ekscitinte, ke ĝi estas kvazaŭ heredaĵo testamentita por ni de nia amita Majstro. En la antaŭparolo ni legas pri la deveno de tiu nova libro:

„La traduko de la tuta epopeo en lingvon Esperanto ŝajnis al mi, pro la grandegaj malfacilecoj, afero preskaŭ ne ebla, almenaŭ mi neniam kuraĝis pensi, ke miaj fortoj por tia tasko povus sufiĉi. Sed en jaro 1916 kiam mi kolektis malgrandan aldonon por mia „El Parnaso de popoloj“, tiam tentite de samideano S. K., post longa ŝanceliĝado mi decidiĝis aldoni kelkajn belegajn fragmentojn el ĉi-tiu verko. Vizitante la malsanan, neforgeseblan karan Majstron, mi rakontis al li ĉi-tion, kaj mi montris la tradukitajn fragmentojn, solajn kaj lastajn laŭ mia opinio. Tiam mi ricevis la respondon: „Traduku la tutajon.“ Mi ekridis, ĉar al mi ŝajnis, ke la Majstro naive postulas neeblaĵon. Sed doktoro Zamenhof ne ĉesis min emigi ĉe ĉiu mia nova vizito, ĝis mi fine subiĝis kaj komencis en decembro de l' jaro 1916 la tradukadon, kun malfido ke mi iam ĝin finos. Tamen komencinte, mi jam ne ĉesis. La Majstro, kiun mi konsultadis pri kelkaj novaj vortoj, formoj kaj esprimmanieroj, legis antaŭ sia morto preskaŭ la unuajn kvar librojn. Poste, malgraŭ mia malbona sanostato, mi daŭrigis la laboron, kiu postulis streĉon de ĉiuj miaj animfortoj, por plenumi la lastan deziron de mia kara amiko, la granda kreinto de nia lingvo. Nun mi prezentas la verkon al la Esperantistaro en la konvinko, ke mi faris bonan servon al la patrujo kaj al nia tutmonda afero.“

* *
*

Ĉiu aŭdis la nomon de Mickiewicz, plej fama inter la Polaj poetoj; lia longa deviga foresto el la kara patrujo, liaj gravaj verkoj, lia restado en Svisio kaj en Parizo, liaj entreprenoj por la restarigo de lia lando estas pli malpli konataj; simileco inter la nunaj tempoj, kun tiuj travivitaj de Mickiewicz, kaj inspirintaj lian ĉefverkon Sinjoro Tadeo, kredeble ankaŭ instigis la tradukinton, kaj donas al lia laboro specialan nuntempan intereson. Esti Esperantisto ne malhelpas esti arda naciano kaj labori por la vera gloro de l' patrujo.

Sinjoro Tadeo estas tuta mondo da priskriboj, da ideoj, da aludoj; ĝi reestigas por ni la pasintan vivon de popolo; la personoj ne estas herooj, sed ili vivas antaŭ ni; sennombraj detaloj intime konigas al ni la landon kaj la landanojn amatajn de l' poeto dum lia juneco, kaj poezie reaperintajn en lia memoro pro l' tempo kaj foresto.

Sinjoro Tadeo ne estas epopeo laŭ ordinara modelo; ĝi estas pli simpla, pli homa, pli viva; ĝi enhavas pli pentrindajn vidaĵojn, pli humorajn okazojn, pli nacian karakteron; ĝi ankaŭ posedas la freŝecon de printempa idilio. Ĝi estas reala priskribo de l' antaŭa Pola nobelaro, bruema kaj disputema, nun malaperinta; ĝi estas la spegulaĵo de nacio je grava momento de ĝia historio; ĝi estas sola tia moderna literaturaĵo en ĉiu ajn lingvo.

Tra la tuta versaro sentiĝas la profunda amo de Mickiewicz al lia naskiĝejo:

„Litvo! Patrujo mia, simila al sano;
Vian grandan valoron ekkonas litvano,
Vin perdinte. Belecon vian mi admiras
Vidas ĝin kaj priskribas, ĉar mi hejmsopiras.“

kaj entute ĝi estas inspirita de la entuziasmo elvekita de la Napoleon'a venkiro en 1812 kaj de la tiama atendo pri baldaŭa liberiĝo, pri tiu nacia printempo kantata de l' poeto:

„Printempo! kiu vidis vin sur la kamparo!
Memorinda printempo, de l' milita jaro!
Printempo, kiu vidis vin tiel florantan
Per la grenoj kaj herboj, per homoj briliantan,
Event-plenan, gravedan de l' esper' ĉiela!
Mi vin ankoraŭ vidas, sonĝ-vidaĵo bela!...
Mi, naskita sub jugo, vindita en fero,
Havis nur unu tian printempon sur tero."

Esperelble iu el niaj vortaristoj iam ekzamenos detale, laŭ terminoj kaj sencoj, la vorttrezoron de tiu ampleksa verko. Krom multe da propraj nomoj, krom arego da vortoj specialaj al la Pola vivo kaj historio, rapida lego rimarkigas radikojn jam konatajn aŭ ankoraŭ diskutatajn kiel: „aperto, aŭguri, anso, evento, fono, hororo, hordo, invento, impeto, konkiri (konkeri), kvasto, kolbo, kvesti, menso, masakri, rankoro, rara, sekvestri, sino, traco, tempesto, taŭzi", k. t. p. Jam vicigitaj en la Vortaro Pola-Esperanta, sed ne ofte uzitaj, estas ekzemple: „aĵuro, disipi, glebo, heni, hurli, iriti, kvereli, kreko, neglekti, prelego, simuli, sturmi, ŝroto, tereno, tredi, unkti, vertrago (vertago en aliaj vortaroj)", k. t. p. Kelkaj formoj kiel: „abuzi, ekskuzi, damo (sinjorino), smaragda (smeralda), splendoro (splendido)" ŝajnas ne nepre necesaj; „omeno", nekomprenata. Rimarkindaj kunmetaĵoj ankaŭ estas: „ekde, postea, reniri", k. t. p., kaj nova ortografio en: „Lozano, Drezdeno".

„La tradukon," diras S-ro Grabowski, „mi faris kun granda pietismo por la pola originalo kaj la lingvo Esperanto, penante eble plej fidele transdoni la enhavon kaj ĝian formon. Kvankam la esperantaj vortoj estas ĝenerale pli longaj ol la polaj, la fleksebleco kaj elasteco de Esperanto permesis al mi koncizigi la lingvon kaj konservi la formon de l' originalo preskaŭ sen pliigo de versoj."

Verdire tiu koncizeco estas, kio unuavide frapas; kelkaj disaj versoj ĝin montros:

„Trančil'-jet'-art', terura en batalo mana,"

„Kaj diris kun ĝu-larmoj en okul' radia:
„Nun, Sinjor', iru pace for servisto via!""

„Sur ĉielrond' fleksite, trabrilis lum-strio
Kaj, en blank-nubo, kiel or-sago pendiĝas.
Post ĉi paf' tag-signala, flamoj-fasko ŝprucas,
Mil raketoj en mondo-ĉirkaŭo sin krucas,
Kaj sun-okul' suriris."
„Kiel en ĝardeno
Viper' pikile trinkas el herbaĉ-veneno,
Poste, kunvolviĝinte, kuŝiĝas sur strato,
Minace al sengarde-kura piedplato:
Tiel, jaluz'-venenon trinkinte abunde,
Li, ŝajn-indiferenta, koler'-ŝaŭmis funde."

Ofte el tiu koncizigo rezultas harmoniaj versoj kun vera stilbeleco; iafoje ankaŭ ĝi iom malfaciligas tujan komprenon kaj certa alkutimiĝo de l' leganto devas antaŭi lian ĝuon; tiu streĉeco postulis versliberaĵojn ne oftajn ĝis nun en nia verkaro; verboj estas senpere eltirataj el substantivoj aŭ adjektivoj: „patris, okulis, pliaĝis, palas, nigras, ruĝas, nomatas, vivui", k. t. p.; „ĉi" ofte anstataŭas ĉi-tiu; oni legas: „mastro 'as fore", por: estas. Aliparte, pro la sama kaŭzo, multaj versoj akiris vere plaĉan proverbecan sonon, ekzemple:

„Li nenam inspekton fidas de servulo,
Car la brutaron nutras de mastro okulo."

„Tro dekoltita vesto skandalas junulon."

„Orde, li diris, staras domo kaj nacio,
Senorde ili falas, kaj pereas ĉio."

„Ĉar knabin' divenas
Ĉiam instinkte, kio al ŝi bel-konvenas."

„Al junul' ŝajnas juna ĉiu belvizaĝo,
Samaĝulin' al knabo, ĉiu belulino,
Kaj al ĉastulo, ĉiu amatin', virgino."

La elektita versmodelo, dektrisilaba kun regula akcento nur sur la 6a kaj 12a silaboj, estas libera kaj facile alĝustiĝas al la senco; ĝi alproksimiĝas al la Franca ordinara dekdusilaba; la ĉiama uzo de rimo ankaŭ plaĉas al Franclingvanoj. Multaj ravaj pecetoj estus eltirindaj kaj certe trovos lokon en estontaj Esperantaj krestomatioj.

Jen la nubaro, kun ĝia ĉiam ŝanĝiĝanta aspekto:

„Ĉe ni, vi levu kapon: kiom da vidaĵoj!
Kiom da scenoj, bildoj, ludas la nubaĵoj!
Ĉiu nubo — alia: aŭtuna ĉi-tie
Pluve-graveda rampas, laŭ maldiligenta
Testudo, kaj delasas ĝis ter', longostrie,
Malplektitajn harliĝojn da pluvo torenta;
Vento pelas hajl'-nubon, al balon' similan,
Rondan, malhele-bluan, meze flave-brilan;
Granda bruo ĉirkaŭe; vidu, eĉ en niaj
Ĉiutagaj nubetoj, ŝanĝoj estas kiaj!
Komence anseraro, blankaj cignoj velas,
Dorse vent', kiel falko, ilin kune pelas:
Ili premiĝas, kreskas — nova mirindaĵo!
Ricevas kurbajn nukojn, dislasas kolharon,
Elŝovante piedojn, sur ĉiel'-arkaĵo,
Kiel ĉeval'-tabuno, trakuras steparon;
Ĉiuj arĝente-blankaj, miksiĝis; — subite
El koloj kreskas mastoj, el kolharo — veloj:
Tabun', en grandiozan ŝipon transformite,
Naĝas, sen bru', sur blua eben' de ĉielo!"

Jen la arbaroj, tiel ŝatataj de la poeto:

„Hejmlandaj arboj miaj! se dispono Dia
Permesos hejmrevenon, amikaro mia!
Ĉu vin mi trovos ree? ĉu vivas en sano
Vi, ĉirkaŭ kiuj rampis mi, kiel infano...;"

Ĉu kiam la vento furiozas:

„Arboj miaj, kiome mi al vi ŝuldantas!
Pafisto, forkuranta mokojn de kolegoj
Pro maltrafita besto, sub viaj branĉegoj
Mi ĉasis revojn; kaj en sovaĝ-regiono,
Forgesinte la ĉason, mi sidis sur ŝtono:
Ĉirkaŭe brilis griza musko, surverŝita
Malhelblue per nigra bero, dispremita,
Kaj tie flagris ruĝe erik'-altaĵetoj
Kun ornam' el koralaj vakcini'-perletoj.
Malhel' ĉirkaŭe; supre branĉoj sin etendis
Kaj kiel verdaj, densaj nuboj suben pendis;
Vent' furiozis, super arkaj' nemovata,
Per ĝemo, hurlo, krako, frakas' tondrobata:
Stranga, surdiga bruo! super kapo mia
Kvazaŭ estus pendanta la maro furia;"

Ĉu kiam regas silento:

„Ree silent' malsupre. Pego, sur-abie,
Frapetas, poste flugas, malaperas ie,
Sed ne ĉesas per beko frapi en kaŝ-loko,
Kiel infano serĉi invitas per voko.
Sciur', tenanta nuskon, pli proksime sidas,
Mordas; vosteto pendas super la okuloj,
Kiel plumtufo super kask' de kirasuloj:
Malgraŭ ŝirmil' atentas ĝi, kaj se ekvidas
Gaston, saltas plej lerta el arbar'-saltuloj
De la arbo sur arbojn, fulm-brile; en fino
Ĝi nevideble kaŝas sin en trunko-sino,
Kiel revenas hejman arbon driadino.
Ree mallaŭte."

Aliloke mallonga matena vidaĵo:

„Vetero estis bela; en frua mateno
Ĉielo pura ĉirkaŭ tero sin etendis;
Kiel maro silenta konkave ĝi pendis.
Nur ankoraŭ kelk steloj lumas el profundo,
Kiel perloj, brilantaj tra l' ondar' el fundo:
Flanke nubet' alflugas blanka, unu-nura
Kaj flugilojn ekmergas en ĉiel' lazura,
Similajn al plumaro de Gardant'-Anĝelo,
Kiun per noktaj preĝoj, retenis teranoj,
Kaj kiu rerapidas al samĉielanoj."

Kaj fine, jen por enkonduki gravan priskribon de ceremonia manĝo, kelkaj versoj, kiuj ripetiĝas ĉe samaj okazoj kaj pensigas pri similaj Homeraj ripetoj:

„Gastoj eniris orde, kaj ronde ekstaris:
Ĉe tabl' unuan lokon Ĉambelano prenis;
Laŭ aĝ', ofic' la digno al li apartenis:
Li irante, al ĉiu' klinsaluton faris.
Ĉe li, antaŭ Juĝisto, Pastro Bernardina
Diris mallongan preĝon en lingvo latina.
Oni donis la brandon; poste, sidiĝante,
Ĉiuj manĝis malvarman supon, silentante."

Sinjoro Tadeo! kiom da streĉa laboro necesigis tiu traduko, kiun admirindan talenton ĝi pruvas, kian lertecon ĝi postulis, kiel dankinda estas ĝia aŭtoro, kia malavara donaco ĝi estas por ni! Lingvo vivas, kiu naskas tian oferon!

Preskaŭ nevole, legante la mirindan verkon de S-ro Grabowski, vere inda de Akademiano, kaj tiel valora por nia lingvo, mi komparis ĝin kun ĵus ricevita, malsamspeca laboro de alia Akademiano. Unu kreis ion, dua senfrukte sekcas malvivaĵon; unua uzas bonegan laborilon, dua cerbumas ŝanĝi detalon ĝian; unua skulptis belŝtonon, kiu plifirmigas kaj plibeligas la konstruaĵon jam imponantan, kies planojn ankoraŭ diskutas la dua. Ju pli riĉa je juveloj kiel Sinjoro Tadeo estos nia literaturo, des pli malfrua, vana kaj ankaŭ sendanĝera fariĝos ĉia klopodo de reformemuloj. Verkoj vivon pruvantaj multiĝu, skisminsidoj pereu. Tio ĉi-tion mortigos. — *G. S.*

---

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Plifaciligi per Esperanto la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter diverslandanoj. Disvastigi la uzadon de la lingvo Esperanto. Krei internaciajn praktikajn servojn por turistoj, komercistoj, studentoj, junuloj, virinoj, k.a.*

**Membrorajtoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn, parolajn aŭ skribajn, de la Delegitoj kaj uzi ĉiujn servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron. (Provizora adresaro aperis dum 1919.)*

**Aliĝo:** *Ordinara membro: 2.50 Fr. (Svisa valoro). — Subtenanta membro: 5 Fr. — Dumviva membro: 125 Fr. (kun senpaga ricevo de la gazeto „Esperanto", luksa eldono). — Esperantia Entrepreno: 12.50 Fr. (Esp. organizaĵoj nur 7.50 Fr. kun la gazeto). — La kotizaĵoj estu pagataj al la Delegitoj aŭ, kie ne estas, al la Centra Oficejo de UEA, Museumsstrasse 14, Bern (Svisio). — Bankkonto: Handelsbank Bern (Banque Commerciale). — Poŝta Ĉeko UEA: III 2600.*

---

### Decidoj de la Komitato kaj voĉdonado pri la kotizaĵoj.

La Komitato de UEA, studinte raporton de la Direktoro, konvinkiĝis, ke pro la nuna grava plikariĝo de la vivo nia Asocio devas aŭ trovi notinde pli altajn enspezojn aŭ ĉesigi sian agadon. La Komitato atentigas la membrojn je la seriozeco de la situacio. UEA, kiu dum sia dekjara zorgoplena ekzisto faris tiom multe por la progresigo kaj plifirmigo de Esperantismo, decidos mem pri sia plua ekzisto. Se la Delegitoj kaj membroj akceptos la oferon de ili postulatan, ne mankos ankaŭ privata helpo, tiel ke ni rajtas esperi prosperan epokon. Aliokaze ne valorus, ke kelkaj bonvoluloj sin oferu por organizaĵo, kiu havas sencon nur se ĝi estas bazata sur granda nombro de samrajtaj kaj same interesataj membroj. Metante la sorton de nia kara UEA en la manojn de la Delegitoj, la Komitato plej varme rekomendas al ili la akcepton de siaj proponoj.

*Decidoj de la Komitato.*

1ᵉ Okazu dum oktobro 1919 ĝenerala voĉdono de la Delegitoj pri la plialtigo de la kotizaĵoj.

2ᵉ Konforme al la ankoraŭ valoranta statuto, havas voĉdonrajton nur la Delegitoj kun 20 aŭ pli multaj membroj. Konsiderante, ke: la nombro de la Delegitoj kun 20 membroj fariĝis tiel malgranda ke laŭstatuta procedo estus maljustaĵo; ke estas la devo de la Komitato gvidi la Asocion konforme al la nunaj cirkonstancoj; ke projekto de nova statuto ne estas ankoraŭ tute preta, la Komitato decidas, ke tiun ĉi fojon rajtos voĉdoni:

*a)* Ĉiuj Delegitoj publikigitaj en la Adresaro de UEA por 1919;
*b)* La Delegitoj, kiuj havis sian oficon je la fino de majo sed kies nomoj ne plu povis esti presataj;
*c)* La novaj Delegitoj, kiuj intertempe estis elektataj de siaj membroj por anstataŭi personojn publikigitajn en la Adresaro.

3ᵉ Konsiderante, ke estas proponata la plialtigo de la kotizaĵo por la Garantiantoj, ke la tempo inter la publikigo de tiu propono kaj la voĉdono povus esti uzata por rapida akiro de garantia atesto je la ĝisnuna prezo, la Komitato decidas:

*a)* De la tago kiam aperas tiu publikigo en la oficiala organo, estu ne plu vendataj garantiaj atestoj, escepte al personoj, kiuj jam firme promesis, aŭ kiuj pruvas, ke tiun tagon ilia pago jam estis forsendita, aŭ kiuj jam posedas ateston.

*b)* Volonte estos akceptataj: promesoj kaj pagoj por la novaj atestoj je 300 Fr., kaj mendoj por la ĝisnunaj atestoj de dumvivaj membroj, kiuj, jam havante ĉiujn rajtojn, bonvolas tiamaniere helpi la elvendon de la restantaj atestoj ĝis la numero 250.

*Voĉdonota propono al la Delegitoj:*

UEA, konstatante, ke la nova abonprezo de „Esperanto" estos 10 Fr. jare kaj danke akceptante la proponon de la eldonanto liveri la gazeton al ĝiaj membroj po 7.25 Fr., decidas la jenajn kotizaĵojn por 1920 kaj la sekvantaj jaroj, valoro en frankoj laŭ Svisa kurzo:

| Kategorio | Sumo | Delegito | Centra oficejo | El kiuj: por UEA | El kiuj: por „Esperanto" |
|---|---|---|---|---|---|
| Membro | *5.—* | *0.50* | *4.50* | 4.50 | — |
| Membro kun abono | *12.50* | *1.25* | *11.25* | 4.— | 7.25 |
| Subtenanto kun abono | *25.—* | *2.50* | *22.50* | 12.50 | 10.— |
| Dumviva membro (kun abono) | *300.—* | *30.—* | *270.—* | — | — |

*Garantia Kapitalo:* La ĝisnunaj du partoj de la G. K., estas kunigataj en „unua serio", fermota kiam la restantaj atestoj ĝis No. 250 estos akiritaj konforme al la komitata decido.

Estas kreata „dua serio" de la G. K., 50 atestoj po 300 Fr., Svisa valoro, kiuj havigos al la akirintoj la samajn rajtojn kiel ĝis nun.

*Esperantiaj Entreprenoj:* La kotizaĵoj kaj servoj farotaj al ili estos fiksataj en regularo starigota de la Komitato kiam la cirkonstancoj tion permesos.

La nuna decido pri la kotizaĵoj, la Garantia Kapitalo kaj la Esperantiaj Entreprenoj formas tuton, pri kiu estu voĉdonote per jes aŭ ne, kaj ĝi nuligas aŭ laŭsence ŝanĝas §§ 5, 6, 7, 58, 59 de la Statuto 1910—12 kaj la regularon pri la Garantia Kapitalo 1912—16.

**Oficialaj insignoj de UEA.** — Ni informas niajn membrojn, ke nova provizo de la oficialaj insignoj estas nun fabrikita. La prezoj estas jenaj:

| | Pinglo | Butono |
|---|---|---|
| 1 ekzemplero | Fr. 1.50 | Fr. 1.75 |
| 12 ekz. kune mendataj | „ 15.— | „ 17.50 |

Tiuj prezoj estas laŭ Svisa valoro. Ili enhavas la afrankon kaj poŝtrekomendon.

Ni tre rekomendas al niaj membroj, ke ili posedu kaj, kiam eble, surportu la oficialan insignon de nia Asocio (vidu la modelon en la reklama parto).

**Pagoj per respondkuponoj.** — Ni atentigas niajn membrojn, ke internaciaj respondkuponoj devas esti stampataj de la poŝtoficejo sur la maldekstra flanko, kie troviĝas la Franca indiko: „Timbre du Bureau d'origine". Sen la stampo de la poŝtoficejo la respondkuponoj ne povas esti interŝanĝataj, kaj ni estas devigataj resendi ilin al la sendinto.

**Pri Ĉekbanko Esperantista.** — Laŭ informo ricevita el Londono, la Ĉekbanko Esperantista ne plu funkcias pro la morto de sia posedinto, S-ro Ĉefeĉ. Nenia monsumo povas esti el- kaj enpagata ĝis la momento, kiam la testamentistoj estos ĉion aranĝintaj. La C. O. de UEA ree atentigas, ke ĝi principe *ne* akceptas pagilojn aŭ ĉekojn de tiu banko.

**Korespondo kun Germanio kaj Italio.** — Laŭ informo ricevita el *Germanio*, la korespondo en Esperanto estas ree allasata. Ordinaraj leteroj el Germanio al eksterlando povas esti fermataj; rekomenditaj estas ankoraŭ kontrolataj por eviti kontrabandon de valor-

ajoj. Ni petas, ke de nun oni bonvolu ĉiam skribi al ni Esperante por eviti tempoperdon.

Sama rimarko koncernas ankaŭ niajn korespondantojn en *Italio*, ĉar la letercenzurejoj en tiu lando estas forigitaj.

**Garantia Kapitalo.**

*Listo de garantiantoj* (Dua parto)

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 3625 |
| 30. S-ro M Israelsen, Kjöbenhavn (Danio) | 125 |
| 31. S-ro Bahmen Shidani, Teheran (Persio) | 125 |
| 32. S-ro Ahmed Jazdani, Teheran (Persio) | 125 |
| 33. S-ro E. M Rumsey, Milton (Usono) | 125 |
| 34. F-ino Johanna Amundsen, Kristiania (Norvegio) | 125 |
| 35. S-ro Martin Muribo, Bekkelagshoiden (Norvegio) | 125 |
| 36. S-ro Dominique Prinz, Bekkelagshoiden (Norvegio) | 125 |
| 37. S-ro W. Gieseler, militkaptito en Anglio | 125 |
| 38. S-ro A. Christen, New York (Usono) | 125 |
| 39. S-ro Richard Carter, Brooklin (Usono) | 125 |
| 40. S-ro Joseph Silbernik, New York (Usono) | 125 |
| 41. S-ro August Omlor, St. Ingbert, nuntempe en Bern (Svisio) | 125 |
| 42. S-ro E. B. Johnson, Portsmouth (Anglio) | 125 |
| 43. F-ino Martha Zundel, Bern (Svisio) | 125 |
| 44. S-ro Angel Mazzuconi, Buenos-Aires (Argentino) | 125 |
| 45. S-ro Angel Taghaferri, La Plata (Argentino) | 125 |
| Frankoj | 5625 |

**Kotizaĵoj por 1919.** — Je la 30 junio estis enkasigitaj 2306 kotizaĵoj (el kiuj 158 subtenantoj). Krom tio estas 183 dumvivaj membroj. Sume: 2489. — *Esperantiaj Entreprenoj*: 45.

Je la 31 julio estis enkasigitaj 2483 kotizaĵoj (el kiuj 169 subtenantoj). Krom tio estas 195 dumvivaj membroj. Sume: 2678. — *Esperantiaj Entreprenoj*: 47.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato junio:

Ricevitaj: 627. — Forsenditaj: 694. — Tuta sumo: 1321. (Antaŭa monato: 1850.)

Movado de la korespondaĵoj dum la monato julio:

Ricevitaj: 720. — Forsenditaj: 644. — Tuta sumo: 1364. (Antaŭa monato: 1321.)

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en la jenaj regionoj:

*Aberdeen* (Skotlando). — D.: F-ino C. M. Mac Kenzie Ogston, instruistino, 48, Gladstone place, Woodside.

*Antwerpen* (Belgio). — D.: S-ro Frans R. Schoofs, komercisto, Kleine Beerstr. 45.

*Bahia Blanca* (Argentino, Buenos Aires). — D.: S-ro Luis Gastañaga, 577, calle Terrada. — VD.: S-ro Vicente Orlando, 77, calle Sta-Fé.

*Bedlington* (Anglio, Northumberland). — D.: S-ro G. H. Gibson, ministo, 10, Fairbairns Yard, Vulcan Place.

*Bialystok* (Polio). — D.: S-ro Jakob Ŝapiro, Lipowa 33.

*Deovlen* (Bulgario). — D.: S-ro Petr. V. Toŝkov, sekretario de la loka regiona komitato.

*Lutin* (Germanio, Lübeck). — D.: S-ro Emil Rick, rentulo, Plönerstrasse 32.

*Forst* (Germanio, Lausitz). — D.: S-ro E. Muthschall, fervoja oficisto, Blumenstrasse 33, I.

*Hobart* (Australio, Tasmanio). — D.: S-ro Douglas Guilbert, registara oficisto, 7, Glen Street.

*Kragujevac* (Serbio). — D.: S-ro Petro Stojan, instruisto, I-a gimnazija.

*Mostar* (Jugoslavio, Hercegovino). — D.: S-ro Nikola Bubalo, oficisto, finansijska direkcija.

*Oosterbeek* (Nederlando). — D.: S-ro C. D. Boersma, administranto, Ben. dorpsweg 3.

*Osaka* (Japanio). — D.: S-ro R. F. Vaughan, c/o Babcock & Wilcox, 47, Kitahama, 3 chome, Higashiku.

*Parnik apud Ĉes. Tŕibova* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Vaclav Kostelecky, Direktoro de teksejo.

*Peterboro* (Kanado, Ontario). — D.: S-ro E. L. Holmgren, elektra inĝeniero, 275, John St.

*Ploesti* (Rumanio). — D.: S-ro Em. F. Nicolau, 18, Bărcănesti.

*Pŕibram* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ino Antonie Hrdinova, instruistino, Hlavni námesti 96, I.

*Przemysl* (Polio, Galicio). — D.: S-ro D-ro K. Lewinski, kuracisto, Zamknieta 8. — VD.: S-ro Tadeusz Pacula, studento, Sw. Jana 7.

*Radom* (Polio). — D.: S-ro Leopold Temerson, studento, Szeroka 6.

*Rakow apud Czestochowa* (Polio). — D.: S-ro Boleslaw Gluchowski, instruisto.

*Stolberg* (Germanio, Rheinland). — D.: S-ro Hubert Faber, presisto. Zweifallerstr. 28.

*Uccle* (Belgio, Brabant). — D.: S-ro Fernand Mathieux, komercisto, 15, av. Bel Air.

*Villa Colon* (Costa Rica). — D.: S-ro Marcelo Maldonado, paroĥestro.

*Würzburg* (Germanio, Bavario). — D.: S-ro H. Rippel, poŝtsekretario, Semmelstr. 41.

*Zilina* (Slovakio). — D.: S-ro Josef Popper, fabrikoficisto, Gerometta ul. 83.

Ŝanĝoj.

*Bromberg* (Polio). — D.: S-ro S. Schulz, Bahnhofstr. 64. — VD.: S-ro A. Pankratz, studento, Brenkenhoffstr. 13, I.

*Rovereto* (Italio, Venezia Tridentina). — D.: S-ro D-ro Aless. Mondini, Corso V. E. III, Casa Canestrini I. p.

*Warszawa* (Polio). — D.: S-ro W. Hirszowski, 19, Krolewska. — VD.: S-ro A. Oberrotman, ul. Krakowie Przedmiescie 10.

Adresŝanĝoj:

*Brugge* (Belgio). — D.: F-ino Yvonne Thooris, puntmanufakturistino, 4, rue de l'Outre.

*Genève* (Svisio). — D.: S-ro J. Pfanner, elektra teknikisto, 31, Bd de la Cluse.

Provizore ne plu estas Delegitoj en jenaj lokoj: *Emmerich* (Germanio; *Zwolle* (Nederlando).

---

Pro la afranka pezlimo, tiu ĉi numero enhavas nur 24 paĝojn. Ni do estas devigataj prokrasti multajn artikolojn ĝis oktobro. Niaj korespondantoj bonvolu senkulpigi.

---

**Augsburg** (Germanio, Bavario). — S-ro Karl Streckfuss, Del. de UEA, Stadtjägerstr. 22 (pri propagando de Esp., aliaj seriozaj temoj, interŝanĝo de artaj kaj tipaj PK kun eksterlandanoj).

**Bahia Blanca** (Argentino). — S-ro Vincento Orlando, 77, Strato Santa Fé (kun ĉiulandaj samideanoj kaj interŝanĝi PM kaj gazetojn).

**Barcelona** (Hispanio). — S-ro Josef Martinez, 19-1-2, Independencia, PI (kun ĉiuj landoj).

**Barcelona** (Hispanio). — S-ro Eduardo Massaguer, Pujadas 183 bajos, PI (kun ĉiuj landoj).

**Bassein** (Burma, Azio). — Rev. W. Cronkhite, baptista misiisto el Usono, Box 10, PI, L (kun siaj antaŭmilitaj korespondantoj k. a. inkluzive gejunuloj kaj infanoj de ĉiuj landoj).

**Berlin-Weissensee** (Germanio). — S-ro Walter Gieseler, Prenzlauer Promenade 14, L, PI (kun ĉiuj landoj, precipe kun migruloj kaj filatelistoj).

**Breda** (Nederlando). — S-ro H. van Beck, Liniestraat F. 169.

**Breslau** (Germanio). — S-ro G. Habellok, Schleiermacherstr. 19, PI, PM, L (precipe kun fervojistoj).

**Bruxelles** (Belgio). — S-ro J. Neybergh, 151, Ave. de Jette, PI, L.

**Budapest** (Hungario). — S-ro Endre Hevesi, Teréz-körut 30, L, PI, gazetoj, Esperantaĵoj (kun ĉiuj landoj; petas detalojn pri la Ruslanda movado).

**Buenos-Aires** (Argentino). — Esperanto-Grupo „Antaŭen", 2049, San Martin, Talleres F. C. S., L, PI, bfl, PM.

**Dresden** (Germanio). — F-ino Elsa Homilius, Priessnitzstr. 67, PI, PM, bfl, L (kun ĉiuj landoj).

**Dresden** (Germanio). — S-ino Margarete Nicolai, Franklinstr. 6, Eg., PI (pri tipaj regionaj vidindaĵoj, kun ĉiuj landoj), PM bfl.

**Dresden** (Germanio). — S-ro Johannes Edmund Nicolai, Franklinstr. 6, Eg., PI, L, PM (pri Esp. movado, ankaŭ pri ĉiu alia temo; fotografaĵon de Esp-istoj aŭ Esp. grupoj, kiujn mi kolektas; kun ĉiuj landoj).

**Enschede** (Nederlando). — S-ro G. P. de Bruin, Alleeweg 9 (kun ĉiulandaj revoluciemuloj).

**Enschede** (Nederlando). — S-ro J. G. Verveld, Lipperkerk straat 203, dudekjara, PI, L (speciale kun F-inoj pri seriozaj vivaferoj).

**Frankfurt a. M.** (Germanio). — S-ro Rob. Kreuz, Schneckenhofstrasse 13 III, Süd, PI, bfl (almenaŭ unufoje respondas), L (pri lingvoj, prefere en Esperanto, Franca, Holanda, krome pri Hispana, Itala, Angla (teorie), skriboj, stenografio, instruado, komerco, industrio, trafiko, geografio, esploroj, landoj kaj popoloj, navigacio, k. t. p. Nur deziras seriozan korespondadon. Instruas perletere Esp. kaj aliajn stenografiojn. Li salutas siajn antaŭajn gekorespondantojn kaj amikojn en ĉiuj landoj kaj petas vivosignon.).

**'s-Gravenhage** (Nederlando). — Laborista Esp-ista Klubo, adreso: S-ro C. de Klerk, Mackaystraat 32, PI, L.

**'s-Gravenhage** (Nederlando). — S-ro L. Daniëls, 17a Raamstraat, PI, L (kun ĉiuj landoj, prefere kun gejunuloj).

**Graz** (Aŭstrio). — S-ro Anton Hoinig, Riesstr. 35 (malfeliĉa kriplulo, kies sola plezuro estas PM, sendas belajn PI kontraŭ ĉiulandaj PM).

**Graz** (Aŭstrio). — S-ro Ignaz Wallner, Stempfergasse 8 (kun ĉiuj landoj).

**Hangö** (Finnlando). — S-ro J. B. Wennström, PM.

**Humppila Murto** (Finnlando). — S-ro Elias Syrjänen, PM.

**Hartola** (Finnlando). — S-ro Arvi Rinne, PM.

**Hartola** (Finnlando). — S-ro Eero Salonen, PM.

**Helsinki** (Finnlando). — S-ro Arvo Joh. Ahti, kontorestro, Mikonk. 23—14, salutas siajn antaŭmilitajn gekorespondantojn, PI, gazetoj, PM (en enskribitaj leteroj, kun ekstereŭropaj samideanoj).

**Helsinki** (Finnlando). — S-ro Joel Wilkki, studento, Eerinka 25 A, PI, L.

**Hengelo** (Nederlando). — S-ro G. van Heek, Steynstraat 72, PI, L (pri plej diversaj aferoj precipe kun spertaj Esp-istinoj).

**Hengelo** (Nederlando). — S-ro J. Haak, C. F. Storkstraat 19, Tuindorp, PI, bfl (kun ĉiuj landoj).

**Hengelo** (Nederlando). — S-ro J. G. Mantel, Deldenerstraat, PI, bfl (kun ĉiuj landoj).

**'s-Hertogenbosch** (Nederlando). — Romkatolika Klubo Esp. „Studado post laborado" laŭ adreso S-ro Josef op ten Berg, Huntelstraat 22, PL (kun ĉiuj personoj, prefere laboristoj por laŭtlegi dum la konversaciaj vesperoj).

**Hirschberg** (Germanio, Schlesien). — F-ino Gertrud Voigt, Schildauerstr. 29, L (pri ĉiu ajn temo), PI, PM, bfl (kun ĉiuj landoj).

**Hradec-Kralóvé** (Ĉeĥoslovakio). — S-ro O. Sklenĉka, Živnostenska banka, L, PI, PM (preferas korespondi kun spertaj Esp-istoj pri la movado, kluba vivo, propagandaj manieroj, kursaj metodoj, k. t. p. Kolektas Esp. propagandilojn kaj specimenojn de Esp. gazetoj; kelkajn intencas aboni por si mem kaj kelkajn por sia klubo).

**Jilemnice 306** (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Josef Kavan, PM.

**Kladno** (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Otomar Koĉi, N-ro 983, PI, PM (precipe kun Ĉinoj, Japanoj, Afrikanoj kaj Oceanaj Insuloj).

**Kristiania** (Norvegio). — S-ro Thorleif Johnsen, Villa „Wyheim", Hellerud pr. Bryn, Istre Akers landp. rute 9, PI (precipe ekstereŭropanoj).

**Kristiania** (Norvegio). — S-ro E. E. Johnsen, Fredensborgveien 41 b, W. 3 apg., PI (precipe kun samideanoj en Azio, Afriko kaj Aŭstralio).

**Kuusankoski U. L.** (Finnlando). — S-ro Ilmari Rautio, L, PI, PM.

**Letchworth** (Anglio). — S-ro H. L. Wiltshire, 5, Westholm (por grupeto de socialistoj-pacifistoj) L (kun ĉiuj landoj, precipe kun Germanoj, Rusoj kaj Aŭstroj pri politikaj kaj sociaj aferoj).

**Lodz** (Polio). — S-ro J. Chimoviĉ, Dluga 90, PI, L (aĉetas Esperantaĵojn).

**Lodz** (Polio). — Lodza Esperantista Societo, Dluga 90, aranĝas la 22 novembro 1919 leter- kaj poŝtkartvesperon. L kaj PI estas atendataj el ĉiuj landoj. Al ĉiuj oni respondos.

**London** (Anglio). — Policano W. Alcorn, Del. de UEA, 47, Courtenay St., London SE 11, L, PI (pri policanaj aferoj, kun ĉiuj policanoj).

**Lugano** (Svisio). — S-ro F. G. Isella, komercisto, PI, L (kun samideanoj en la novaj orientaj respublikoj, Polio, Litovio, Estonio k. a.).

**Lugano** (Svisio). — S-ro Arturo Martellotta, 12, Via Pasquale Lucchini, komunikas al ĉiuj siaj malnovaj korespondantoj, ke li revenis de la milito kaj deziras rekomenci la interŝanĝon de PM. Interŝanĝo de 50 ĝis cent malsamaj PM kontraŭ sama kvanto aŭ valoro Svisaj PM laŭ katalogo Ivert Tellier.

**Lyss** (Svisio). — S-ro Ernst Scheurer, Del. UEA, PI, PM (prefere kun ekstereŭropanoj).

**Lyss** (Svisio). — S-ro F. Müller, apotekisto, PM (deziras ankaŭ PM de la milito sur kovertoj kaj poŝtkartoj).

**Maidstone** (Anglio, Kent). — S-ro Joseph Hall, The Bungalow, 136, Wheeler Street, salutas siajn malnovajn amikojn kaj volas denove korespondi.

**Manchester** (Anglio). — S-ro J. Vaughan, mekanikisto, 54, Tamworth Street, Hulme, PI, L.

**Mexico D. F.** (Meksiko). — S-ro M. C. Rodriguez, Apartado 139 bis, L, PI, nur kun seriozaj Esp-istoj; interŝanĝas PM de la revolucio kontraŭ milit- kaj ruĝkrucaj. (Ne sendas unue, sed certe respondas.)

**Mikkeli** (Finnlando). — S-ro E. Nyberg, PM.

**Moravany** (Ĉeĥoslovakio). — Bohema Esperanto-Servo (B. E. S.), PI kaj interŝanĝas ĉiuspecajn Esperantaĵojn.

**München** (Germanio). — S-ro Fr. Francke, studento, Lindwurmstrasse 145 I, PI (popoltipoj), bfl.

**München** (Germanio). — „Universo", Dietramszellerstr. 10/2 r., S. 50, serĉas korespondantojn kaj kolektantojn en ĉiuj terpartoj.

**München** (Germanio). — S-ro Gottlieb Strössner, Dietramszellerstr. 10/2 r., S. 50, PI, PM bfl (vidaĵoj, nur kun eksterlando).

**Newcastle-upon-Tyne** (Anglio). — S-ro Wallace Mackay, biblioteka oficisto, 25, Breamish St. L (kun bibliotekoficistoj) PI (kun ĉiuj landoj).

**New Llano** (Usono, La.). — S-ro Marcus L. De Vine, por Llano Esperanto Societo, Pl.

**New York** (Usono). — S-ro Armand Coigne, 2633, Creston Ave (dez. interkonatiĝi kun samideanoj, kiuj interesiĝas pri internacia asocio por psika enketado kiel helpantoj kaj avizantoj. Ne korespondas pri psikismo nek pri alia temo escepte la asocion. PK kaj PM kolektantoj ne ricevas respondon).

**New York City** (Usono). — S-ro C. C. Coigne, 2633, Creston Avenue, Fordham, nur L (kun radikalaj social-demokratoj ĉie pri efektivigo de la „internacio" kaj kontraŭ religio).

**Nystad** (Finnlando). — S-ro K. Walovuori, PM.

**Olomouc** (Ĉeĥoslovakio). — F-ino Irene Rabi, Frauengasse 9, Pl.

**Olomouc** (Ĉeĥoslovakio). — F-ino Mizzi Matouschek, Wassergasse 24, Pl.

**Olomouc** (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Josef Sedláček, Havlíčková 15, Pl, PM, L (pri nacia vivo).

**Opava** (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Alois Zedník, oficisto de la Bohema Industria Banko, Pl, bfl (kun ĉiuj landoj; petas komercajn rilatojn).

**Paisley** (Skotlando). — S-ro R. B. Mac Callum, „Claremont", L (pri politikaj kaj literaturaj temoj kun samideanoj en Skandinavio, Polio, Rumanio, Bohemio, Italio, Jugoslavio, Grekio).

**Paris** (Francio). — S-ro Lucien Bannier, 106, rue de Menilmontant, L (kun ĉiuj landoj pri socialismo).

**Pisa** (Italio). — S-ro Frosini Frosino, studento, 5, via dei Mille, Pl, L, PM (kun ĉiuj landoj).

**Plzeň** (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Innocenc Gross, Houškova 32, L, Pl, L, PM, glumarkoj, poŝtkartoj kun naciaj tipoj, Esp. gazetoj kaj div. Esperantaĵoj.

**Plzeň** (Ĉeĥoslovakio). — F-ino Manjo Reiterová, Komenskeho 13, Pl, L (kun ĉiuj landoj, precipe Skandinavaj).

**Portland** (Usono, Oregon). — S-ro H. G. Glass, 867, Bowdoin, Pl, L (precipe kun Sud-Afriko, Ĉinio, Francio kaj Siberio).

**Praha VII** (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Benjamin Verner, Letecký arsenál, Výstaviště, Pl (kun ĉiuj landoj).

**Praha** (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Jan Mikš, magistr. oficisto, Jaromírova ul. 494, Nusle, Pl, L (kun ĉiuj Eŭropaj kaj ekstereŭropaj landoj).

**Praha-Smíchov** (Ĉeĥoslovakio). — S-ro F. Netušil, Palacka 35-I, Pl, PM bfl (kun tuta mondo).

**Preston** (Anglio). — S-ro W. H. Staveley, muzikisto, 15, Lune St., L, Pl (kun muzikistoj kaj aliaj personoj en ĉiuj landoj).

**Rabat** (Maroko). — S-ro Jean Sazy, libristo, L, pri sociaj kaj religiaj nun praktike realigeblaj metodoj por plibonigo de la nuna mondo (komunismo, terkulturaj kolonioj, interŝanĝo de infanoj, religiaj sektoj kaj grupoj). Sin speciale interesas pri la ideoj de Tolstoj.

**Raumo** (Finnlando). — S-roj Koskela kaj Rekola, Kungsgatan 37, PM.

**Raumo** (Finnlando). — S-ro Jalmar Valpio, Pl, L (deziras perfektiĝi, korespondas kun ĉiulandaj samideanoj)).

**Raumo** (Finnlando). — S-ro M. Nordlund, Pl, L, PM.

**Rtyně v Podkrkonoší** (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Oldřich Záruba, nur PM (kun ĉiuj landoj).

**Sofia** (Bulgario). — S-ro Panajot A. Kolev, str. Regentska 19, L (pri bredado de abeloj, kokoj kaj kunikloj), PM (nur kun ekstereŭropanoj).

**Saint-Genis-Laval** (Francio, Rhône). — S-ro Charles Despeyroux, L (pri diverslandaj famaj verkistoj priparolintaj la demandon pri Lingvo Internacia; ankaŭ pri aplikado de Esp. al literaturo).

**Tampere** (Finnlando). — S-ro Arvo H. Nurmi, Rongankatu 2, PM.

**Trondhjem** (Norvegio). — S-ro Ragno Rian, Övre Mollenberg 70, Pl, bfl (kun ĉiuj landoj).

**Turgi** (Svisio, Aargau). — S-ro Gottlieb Graf, Pl, L (kun ĉiuj landoj).

**Turku** (Finnlando). — S-ro Einari Ruusunen, Kristiinankatu 8, L, Pl.

**Wallsend-on-Tyne** (Anglio). — S-ro J. H. Murray, 13, Beech Grove L, Pl, bfl (kun ĉiuj landoj).

**Warszawa** (Polio). — S-ro Adolfo Oberrotman, Krakowskie-Przedmiescie 10, sendas al ĉiuj siaj antaŭmilitaj korespondantoj koran saluton, renovigas la korespondadon pri gravaj temoj, L, Pl, PM (interŝanĝas fotografaĵojn, gazetojn, monerojn).

**Wien** (Aŭstrio). — Josefo Kolnhofer, XIII Zehntnergasse 37 III/15, Pl, ŝanĝas ankaŭ PM.

**Wiipuri** (Finnlando). — S-ro Outo Sarpio, Likolampi Siimeskatu 1 (kun ĉiuj landoj).

**Wiipuri** (Finnlando). — S-ro Aarne Ainasoja, Teatterikatu 4, L, P, Pl.

**Wiipuri** (Finnlando). — S-ro Lauri Salmi, studento, N: niemi Matinkatu 6, Pl, L, PM.

**Wiipuri** (Finnlando). — F-ino Elina Huttunen, studentino, Suokatu 5, Pl, L.

**Zürich** (Svisio). — S-ro Otto Mötteli, Bachtobelstr. 23, Pl, bfl (kun eksterlandanoj), L (pri astrologio kaj okultismo kun ĉiuj landoj).

**Zutphen** (Nederlando). — S-ro J. de Lang, Beutensingel 90, informas siajn konatulojn kaj korespondantojn pri sia nuna adreso, Pl, L, PM.

**Zwolle** (Nederlando). — S-ro J. Kromme, fervojoficisto, Molenweg 168, PM (kun ĉiuj landoj), Pl (prefere stacidomoj, monumentoj k. t. p., sed ne fantaziaj).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

**Filatelistoj.** — Al ĉiu persono, kiu sendos al mi 50 aŭ pli malsamajn PM per rekomendita poŝto mi sendos saman kvanton en Argentinaj PM. Carlos Cervellon, Jefe de Correos, Temperley F. C. S., Argentino.

**Finnaj Esperantistoj** bezonas por propaganda celo ĉiajn presaĵojn, kiuj koncernas Esperanton en komerco kaj turismo. Ĉiuj samideanoj bonvolu helpi! Rekompence ni sendos la „Kongresan Libron" de la Finnlanda Esp. Kongreso 1919. Adresu ĉion al Esperanto-Oficejo, Finnlando, Helsinki, Uudenmaank. 10.

**Gazetoj.** — Mi deziras aboni ĉiujn Esp. gazetojn nun aperantajn, ankaŭ la revuojn havantajn Esp. fakon. Mi petas la alsendon de ĉiuj tiuj gazetoj. Pago okazos per mia konto ĉe UEA. Bahmen Shidani, Del. en Teheran (Persio).

**Hebreaj Vegetaranoj** bonvolu konigi siajn adresojn al S-ro Nathan Chavkin, Bergmannstr. 7, München (Bavario).

**Informpeto.** — Kiu povas sciigi al mi nunan adreson de S-ro Dobi Lajoŝ, iama hungara internigito en Davos. S. J. Degenkamp, Bethlehemweg 36, Utrecht (Nederlando).

**Kolektantoj de ĉiuspecaj objektoj!** — Oni intencas starigi kaj presigi tutmondan adresaron pri kolektantoj de ĉiuspecaj objektoj. Bonvolu do ĉiu kolektanto sendi poŝtkarte la jenajn deklarojn: Nomo, antaŭnomo, profesio, preciza adreso, objektoj kolektataj (detale), lingvoj de korespondado, eventuala bankkonto. La enpreso estos senkosta; la enskribo devigas al nenio. Pluaj informoj sekvos pli poste. Oni skribu senprokraste kaj tre legeble al S-ro Max Schrank, Kempten (Bavario).

**Kolektantoj.** — Mi kolektas la jenajn aferojn kaj dankas por proponoj: 1e bildojn de floroj kaj branĉoj; 2e bildojn de brodaĵoj; 3e gravajn artikolojn pri la Esp. movado; 4e komercleterojn. S-ro Julius Hefti, Heiligkreuz 59, St. Gallen (Svisio).

**Komercistoj kaj industriistoj!** — Ĉu vi volas vendi viajn komercaĵojn kaj industriaĵojn? Skribu al S-ro F. Serrano Olmo, 40, G. de los Rios, Córdoba (Hispanio), komisiisto, kiu havas seriozan kaj gravan klientaron.

**Komercrilatoj.** — Oni deziras transdoni la reprezentadon de brodaĵoj de St. Gallen (broditaj sur tolo, kotono kaj silko), delikate laboritaj tolaĵoj kaj subtilaj, elegantaj salongarnaĵoj. Pagokapablaj reprezentantoj kaj aĉetantoj sin turnu al S-ro Julius Hefti, Heiligkreuz 59, St. Gallen (Svisio).

**Komercistoj kaj industriistoj!** — Ĉu vi volas vendi viajn komercaĵojn kaj industriaĵojn en Italio kaj Sud-Svisio? Turnu vin al Ortensio Bianchi, komisiisto, Chiasso (Svisio), kiu havas seriozan kaj gravan klientaron.

**Komisioj.** — Deziras komisiojn de diversaj specoj por Norvegio. Einar Larsen, ĝardenisto, Bispegatan 8, Trondhjem (Norvegio).

**Kooperativismo.** — La sekretario de la Esp. Kooperativa Ligo deziras ricevi literaturon pri kooperativismo en Rusa kaj aliaj lingvoj. S-ro A. H. Holt, 31, Old street, Newchurch M. C., Anglio.

**Nova Kristaneco.** — Mi volas konatiĝi kun samideanoj kaj interesemuloj de la „Nova Kristaneco", revelacio de l' novaj veroj en verkoj de Sveda sciencisto Em. Svedenborg, en kiuj estas ligitaj scienco kun religio. Adreso: J. B. Vlach, Praha II, Národni tř. č. 38 (Ĉeĥoslovakio).

**Parizajn modajn jurnalojn** mi volus en mia urbo reprezenti kaj vendi. Francaj firmoj bonvolu informi min kaj skribi laŭ adreso: F-ino Anna Halousková, Jungman. nám. 5, Praha II (Ĉeĥoslovakio).

**Poŝtmarkoj.** — Sendu 100—1000 nedifektitajn PM prefere koloniajn kaj militajn, ankaŭ aliajn, kaj mi sendas al vi Finnlandajn laŭ la katalogo de Michel aŭ Yvert & Tellier. Mi vendas Wasamarkojn 5 p. — 1 mk. (7 divers.) je 7 Fr.; aldone poŝtelspezo. Mi sendas mian prezaron de Finnlandaj markoj kontraŭ respondkupono. Merkkiyhtymä, A. Ahonoja, Kuopio (Finnlando).

**Poŝtmarko-kolektantoj.** — Por poŝtmarkoj de via lando mi sendos la saman kvanton de PM, provizora eldono de Ĉeĥoslovakio. Oni sendu per rekomendita letero. Rudolf Novy, Del. de UEA, Kladno 315 (Ĉeĥoslovakio).

**Poŝtmarkoj Polaj** kun surpreso „Poczta Polska", la Krakova eldono k. a. estas riceveblaj ĉe S. Grenkamp-Kornfeld, Jaslo (Galicio, Pollando). Pro la necertaj poŝtrilatoj mi povas konservi la menditajn.

**„Pro Belgica"**, la Belga komerca entrepreno Esperantista, estas ĉiam je la dispono de la industriistoj kaj komercistoj por havigi al ili ĉiuspecajn informojn pri la komerco kaj industrio de Belgio. Ĉar la informpetoj estas tre multnombraj, „Pro Belgica" respondas nur al la leteroj akompanataj de respondkupono.

**Propagandilo.** — Bona propagandilo por Esperanto estas niaj tre belaj poŝtkartoj ilustritaj je memoro al Richard Wagner. Prezo po unu: 15 pf. po dekduo 1. 50 M. Forsendo post ricevo de l' mono aŭ poŝtrepage. Sendkosto ĉe malpli ol 12, 5 pf. Esp. Rondo, Bruderwöhrdstr. 11, Regensburg (Bavario).

**Reklamilojn,** prezarojn kaj aliajn komercajn Esperantajn presaĵojn mi deziras ricevi por ekspozicio organizota antaŭ la fondo de Sveda Komerca Esp. Asocio, Leander Tell, Prästgardsgatan 42, Stockholm.

**Reformemulo** deziras ricevi broŝurojn, katalogojn kaj specimenojn de ĵurnaloj pri vegetarismo, budhismo, natura kuracado, homeopatio, ĝardenkulturo, lingvoscienco k. t. p., precipe en Holanda, sed ankaŭ en Dana, Sveda kaj Angla lingvoj. Elspezoj repagotaj. S-ro Erwin Preibisch, Pannierstrasse 19, Neukölln-Berlin (Germanio).

**Samideanoj,** kiuj ricevis donace mian libron pri Bulgario precipe tiuj en Francio, Hispanio kaj ekster Eŭropo, estas insiste petataj, sendi al mi sian opinion pri ĝi — utiligotan en aparta dulingva broŝureto — aŭ almenaŭ konfirmi la ricevon. Tion despli, ĉar multaj ekzempleroj dissenditaj en marto ŝajnas esti sekvestritaj de la cenzuro. Antaŭdankon. Iv. H. Krestanov, Sonnenbergstr. 11, Bern (Svisio).

**Skoltoj.** — Ni alvokas al ĉiuj skoltoj aliĝi al la Skolta Esperantista Ligo. Petu nian broŝuron „Propono pri Skolta Esperantista Ligo" de *Avoto*, prezo 4 pencoj afrankite. Havebla ĉe la provizora sekretario de S. E. L., 40, Oaklands Road, Bexleyheat, Kent (Anglio).

**Svedenborg.** — Kiu scias, kie mi povas aĉeti Esperante tradukitan verkon „Infero kaj ĉielo" de Em. Svedenborg. Proponojn oni sendu al J. B. Vlach, Praha II, Národni tř. čis. 38 (Ĉeĥoslovakio).

**Ŝufabriko.** — S-ro J. Ros, Jaffadwstr. 19, Rotterdam (Nederlando), havanta rilatojn en la ŝuvendado, serĉas reprezentadon de bona fabriko.

**Universo.** — Kolektantoj, korespondantoj, komencantoj kaj izoluloj, ĉiuj aliĝu al „Universo". Postulu aliĝilojn kaj adresu detalpetojn al la Centra administrado „Universo", München S. 50 (Bavario), Dietramszellerstr. 10/2 r.

**Vortaroj.** — La Centra Oficejo de UEA deziras akiri por redakcia bezono po unu ekzemplero de la sekvantaj vortaroj: Boirac: Esperanto-Esperanta-Français. Kabe: Esperanto-Esperanta. Verax: Enciklopedia Vortareto Esperanta. Proponojn oni bonvolu adresi al ni kun indiko de prezo k. t. p. Centra Oficejo de UEA, Museumsstr. 14, Bern.

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO